**Prof. D-ro Georgi Ŝaĥnasarov,** Prezidanto de la Soveta Asocio pri politikaj sciencoj

# Tutmondaj problemoj kaj la estonteco de la homaro

- **La kosmo – krudmateriala fonto de la estonteco**
- **Ĉu minacas la ekesto de nova glacia epoko?**
- **Ĉu direktita termonuklea reakcio jam en la jaro 2000?**
- **Ĉu laŭplana ekonomia kreskado aŭ ekologia morto?**
- **Malriĉeco, malsato, militoj – ne neevitebla sorto**

Inter la plej gravaj demandoj de la mondpolitiko la unua loko sendube apartenas al la konservado de la paco kaj al la solvo de vico da aliaj problemoj, por kiuj en la lasta tempo enradikiĝis la epiteto „tutmonda". Al ili apartenas unuavice: problemoj pri la evoluo de la loĝantaro kaj de la riĉofontoj aŭ la *konservado de la vivo*, la forigo de la niveldiferenco inter la ekonomie evoluintaj kaj la postrestintaj landoj aŭ la *subevoluinteco*, la protektado de la medio aŭ la *ekologia problemo*.
Kiel facile rimarkeblas, tiuj problemoj karakterizas la plej aktualajn socialajn bezonojn de nia epoko, kiuj krome montriĝas mondskale kaj de kies solvo en granda mezuro dependas la estonteco de la tuta homaro. Ĉiu el ili ampleksas vastan rondon de komplikaj demandoj kaj bezonas apartan pridiskuton. Sed evidente la demando pri la *interrilatoj inter la konservado de la paco kaj la aliaj tutmondaj problemoj* meritas la plej grandan atenton.
Verŝajne oni devas deiri de tio, ke paco estas ne nur la unua bezono per si mem, sed ke krome ĝi estas la antaŭkondiĉo por la solvo de ĉiuj aliaj demandoj, pri kiuj la homaro devis okupiĝi en la estinteco kaj devos okupiĝi en la estonteco.
Pli malpli frue dank' al la progreso en scienco kaj tekniko estos eble trovi kaj utiligi novajn neelĉerpeblajn energifontojn. Laŭ la pritaksoj de sovetiaj kaj eksterlandaj fakuloj jam ĝis la fino de la 20-a jarcento oni sukcesos realigi la direktitan termonuklean reakcion, kaj jam 20 ĝis 30 jarojn poste la tekniko de ĝia ekonomia amasproduktado estos enkondukita. Tio permesos konservi la provizojn de karbo, nafto, gaso kaj aliaj naturaj krudmaterialoj, kiuj hodiaŭ forbrulas en la kaldronoj de la energicentraloj. Deficitajn krudmaterialojn oni povos inter alie akiri de la Luno ĝis tiam ekspluatebla kaj eble ankaŭ de aliaj planedoj de nia sunsistemo.
Pli malpli frue la homoj forigos komune malsaton, mizeron kaj amasajn epidemiojn kaj plilongigos la homan vivon ĝis tiuj ekstremaj limoj, kiujn la naturo antaŭdestinis en la origina gen-„kanvaso". La plua disvastiĝo de la „verda revolucio" konekse kun prudenta reguligo de la loĝantara kresko permesos provizi per ĉio necesa la nombron da homoj necesan por ĉiu epoko.
Pli malpli frue la procezo de la media polucio estos ĉesigita. Al tio sekvos kolektivaj fortostreĉoj por radikala restaŭrado de la naturaj kondiĉoj pro la homa vivo. Malmultekosta energio, la riĉaĵoj akumulitaj de la socio kaj la ĝenerala plialtigo de la kulturo donos grandegan impulson kaj al la purigo de nia planedo disde la „skorioj" de la teknika civilizacio kaj al la malfermado de aliaj kosmaj vastaĵoj.
Pli malpli frue certe estos venkita la faŭko, kiu nuntempe disigas la ekonomie evoluintajn landojn disde la subevoluintaj, ĉie egaliĝos la nivelo de la materia kaj spirita bonstato de la homoj. Tiu tasko estos solvata ĉe kaj per plua internaciiĝo de la tuta socia vivo, per tutmonda ekonomio reguligita laŭ ĝenerala intereso, per unuiĝo de la scienca, teknika kaj kultura potencialo de la tuta homaro.
Do eblas solvi ĉiujn maturiĝintajn problemojn de la homaro, sed por tio necesas malebligi nuklean mondmiliton. Se oni ne povas konservi la mondpacon, tiam neniu el tiuj problemoj estos solvata, kaj eble ekzistos neniu, kiu zorgos pri ili, aŭ estos sensence, ke iu zorgas pri ili. Jen la motivo, kial la marksistojleninistoj donas nepran prioritaton al la konservado kaj plifirmigo de la paco ĉe diskutadoj pri la tutmondaj problemoj.
Necesas akcenti, ke tiu pritakso tute ne signifas subtakson de la tutmondaj problemoj, el kiuj ĉiu havas apartan memstaran gravecon. Eĉ deirante de tio, ke oni povas solvi ilin ĉiujn sub pacaj kondiĉoj, tute ne estas indiferente, kiel, por kiu prezo kaj en kiu tempo tio estas atingebla.
Por tiuj, kiuj hodiaŭ vivas en zonoj de malsato, la promeso ĉesigi tiun malbonon post, ni diru, 100 jaroj, ne estos granda trankviligo. En la okuloj de malsatanto aŭ de grave malsana, mortonta homo la paco havas relativan valoron. Popolo ekspluatata metas ne la pacon, sed la liberon en la unuan lokon. Por landoj, en kiuj la nacia enspezo po unu loĝanto ne superas 50 dolarojn, la ĉefaĵo estas, kiel eble plej rapide venki malsaton kaj postrestintecon.
Sed ĉiuj asertoj tiuspecaj estas pravigeblaj nur tiagrade, kiel sub paco oni komprenas la sekurecon de la unuopaj homoj aŭ popoloj. La problemo de la paco en sia tutmonda signifo, tamen, estas la problemo de la *malebligo de nuklea mondmilito, kiu minacas la vivon sur la tero per detruo.*
Estas vere, ke ankaŭ jenaj konsideroj estas laŭtigitaj: Kelkaj tutmondaj problemoj de la nuntempo povus tiagrade akriĝi, ke ili fariĝas kaŭzo de mondkatastrofo, antaŭ kiu paliĝas la teruraĵoj de milito. L. Brown, aŭtoro de la libro tre disvastigita en la okcidento „29 tagoj: Kiel oni povas akordigi la bezonojn kaj la nombron de la homoj kun la riĉofontoj", asertas, ke nuntempe estas ĉefe la sinteno de la homo al la naturo, kiu endanĝerigas la sekurecon de la popoloj. Laŭ liaj vortoj la propra agado de la homaro estigas la ĉiuflankan minacon per katastrofaj sekvoj. La naftorezervoj estas preskaŭ elĉerpitaj, la intensa utiligo de la karbo sekvigas neripareblan plialtigon de la karbondioksida gaso en la atmosfero, la pro-

duktiveco de la maroj pli kaj pli malgrandiĝas, la arbaroj estas detruataj, erozio far vento kaj akvo detruas la grundojn kaj pligrandigas la zonon de la senvivaj dezertoj, per la ŝanĝiĝo de la varmobilanco minacas la estigo de nova glacia epoko.

La konata usona politikisto G. Kennan formulas tiun ideon eĉ pli klare: „Ni direktas nian ĉefan atenton ne tien, kie necesas. Ni babilas pri la savo de la okcidenta civilizacio en la okazo de milita konfrontado kun la rusoj – sed en kies nomo? En la nomo de tio, ke post 20 ĝis 30 jaroj ĉe ni la nafto, la tertrezoroj kaj la nutraĵo estos elĉerpitaj kaj ke eksplodos detrua konflikto inter ni kaj la trologataj landoj, la malsatantoj en du trionoj de la mondo? ... Se ni flankenmetos la fiksan ideon, ke la rusoj soifas ĵeti la bombon sur nin, kaj anstataŭ tio cerbumos pri la estonteco de nia planedo, tiam nia situacio esence pliboniĝos."

Tio estas saĝaj vortoj, kaj oni povus nur saluti ilin, se ili estus aŭdataj. Sed bedaŭrinde ili restos „la voĉo de la vokanto en la dezerto" – se temas pri tiuj, kiuj praktikas la decidan influon sur la eksteran politikon de Usono kaj de la aliaj imperiismaj potencoj. Por la militista-industria komplekso, kiu ĉi tie ludas la unuan violonon, la plej grava konsistas en tio, savi la kapitalismon kaj havigi al si novajn profitojn. Ĉar en la vetarmado ĝi vidas la unusolan rimedon atingi samtempe ambaŭ celojn, ĝi ne rezignos pri tio eĉ sub la efiko de nerefuteblaj raciaj motivoj. Tia turniĝo estas ebla nur sub la antaŭkondiĉo, ke en la kapitalismaj landoj estiĝas ŝanĝiĝo de la rilato inter la klasaj fortoj favore al la demokratio kaj malfavore al la reakcio. Ĝis tiam la demando devas teksti jene: Ĉu ekzistas iaj simptomoj por tio, ke la akriĝo de la tutmondaj problemoj *sole per si* estigos katastrofon en la sekvaj jaroj? Eĉ la plej pesimisme pensantaj fakuloj detenas sin de tiaj prognozoj. Malgraŭ ĉiuj alarmaj simptomoj pri alproksimiĝanta krizo en la rilatoj de la homo al la naturo ne ekzistas antaŭsignoj por tio, ke en la sekva duona jarcento la pereo pro manko de nutraĵoj kaj energio, trologateco aŭ „ribelo" de la medio minacas la homaron.

Alia demando estas, ĉu ĉiuj ĉi krizofenomenoj povos provoki aŭ jam provokas aldonajn internaciajn streĉojn, ĉu ili kreas stres-similan troŝarĝiĝon por la sen tio jam tre streĉita stato de la mondo. Per aliaj vortoj, la ĉefa danĝero, kiu deiras de ili en la nuna historia momento, konsistas en plifortigo de la milit-danĝero.

Aparte serioza fonto por militaj skuiĝoj estas la energikrizo. Plurfoje en la lastaj jardekoj la mondo estis atestanto de grandaj politikaj konfrontadoj, de renversiĝoj organizitaj de la imperiismo, de militaj konfliktoj kaj de tio, kion tute prave oni povas nomi „naftomilitoj". Eĉ pli, se ĝis antaŭ nelonge la regantaj rondoj de la imperiismaj ŝtatoj konsideris ankoraŭ necese kamufli la verajn celojn de sia politiko en la regionoj, en kiuj la plej riĉaj trovejoj de energiaj krudmaterialoj estas koncentritaj (antaŭ ĉio en la Proksima Oriento), tiam nun ili deklaras senkaŝe – rezignante pri ĉiu superflua pudoro –, ke ili estas pretaj batali por la ekspluatado de la naftofontoj.

Kiel konate, Usono jam delonge deklaris la golfregionon sfero de siaj vivinteresoj. Nun, post kiam ekflamis militaj agadoj inter du ŝtatoj de tiu regiono – Irako kaj Irano, usonaj politikistoj de malsama rango prezentiĝas preskaŭ ĉiun tagon kun minacoj kontraŭ tiuj, kiuj kuraĝas levi la manon kontraŭ la interesoj de la okcidento, celante rekte aŭ nerekte Sovetunion. Ĉi tie kaj en aliaj okazoj „mitaj, insidaj intencoj de la ruĝuloj" estas uzataj kiel preteksto por la preparo de agresaj operacoj kontraŭ la liberigaj movadoj de la popoloj.

Sed estas vere, ke la internacia proporcio de la fortoj havas tiurilate bremsantan influon, limigas certagrade la aplikon de perforto. La membro de la politburoo de la Centra Komitato de la komunista Partio de Usono, J. West, opiniis, ke sen tiu influo usonaj trupoj jam estus enpenetrintaj en la naftoriĉan, strategie gravan Iranon, jam vagadus en Kampuĉio kun ĝiaj tertrezoroj. Sed tiu bremsanta faktoro ne estas garantio kontraŭ la ekflamo de konfliktoj, kiuj povas fariĝi danĝero por la mondpaco. La afero havas ankoraŭ alian flankon. Oni devas kalkuli kun la ebleco de konkurencbatalo inter Usono, okcidenta Eŭropo kaj Japanio pro la regado super la fontoj de nafto kaj tergaso.

Koncize dirite, al ni ŝajnas, ke la energiproblemo fariĝos unu el la plej seriozaj fontoj de militdanĝero dum la sekvaj 35 ĝis 50 jaroj. Tiu minaco deiras ne de tiuj, kiuj bezonas kruĉon da petrolo por kuiri manĝon. Ĝi venas de tiuj, kiuj tiras fabelajn profitojn el la energinegoco kaj kiuj pretas al ĉiu sensencaĵo pro la konservado de tiu orovejno.

Se oni konsideras la tutmondajn problemojn kiel faktoron por certa militdanĝero, tiam oni devas vidi ankaŭ la alian flankon de la afero. La bezonoj de la tuta homaro samtempe estas *potenca pacfaktoro*, ili insiste devigas la popolojn al unuiĝo kaj kunlaboro.

Kiel ekzemplon ni nur prenu la problemon de la medio-protektado. Nia planedo estas la unueca loĝloko por ĉiuj. Ĉiuj procezoj okazantaj sur ĝi estas interligitaj. La polucio de la naturo en iu loko de la terglobo pli malpli frue efikos en alia loko sur la flaŭron, la faŭnon kaj la homon. Estas klare, ke la batalo kontraŭ ĝi devas fariĝi objekto de komuna prizorgado far la tuta homaro.

Memkompreneble, malgraŭ sia tuta graveco la internacia kunlaboro sole ne sufiĉas por radikale solvi la problemon de la konservado de la naturo kaj atingi renverson en la nuntempa iro de la eventoj. La batalo por la protekto de la medio postulas jam nun kaj estonte postulos eĉ pli insiste, ke estas aplikataj metodoj de la laŭplana direktado de la ekonomia kresko ĉe konsidero de la ebloj kaj bezonoj ne nur de la homo, sed ankaŭ de la naturo mem, ĉe konsidero de la interesoj ne nur de unuopaj landoj kaj regionoj, sed de la tuta homa komunumo.

La dirita koncernas ankaŭ ĉiujn aliajn problemojn tutmondajn de la nuntempo. Radikale solvitaj ili povas esti nur en granda historia perspektivo kaj kun apliko de socialismaj metodoj. Sed ekzistas realaj ebloj por konstanta progreso en la kontentigo de la maturiĝintaj bezonoj de la homaro jam en nia tempo. Antaŭ ĉio ili estas determinitaj per la proporcio de la fortoj, kiu elformiĝis en la mondo sub la influo de la sukcesoj de la socialismaj kaj naciaj liberigaj revolucioj.

(El „Horizont" n-ro 1/81
trad. D-ro Karl Schulze)

Igor Muratov

# Feliĉo

Kiu povas aŭguri
je kiom malfeliĉoj, plagoj
Prokrastiĝus erao
Oktobra – senbrida, vulkana,
Se nin antaŭengvidus,
dum tiu jar', tiu tag', tiuj agoj –
Duongeniulo,
duongiganto nur,
sed ne titano.
Mi scias:
tiel aŭ aliel, –
la venkon festus ŝtormo ĉi.
Nepre naskiĝus titano,
kiu disŝirus ĉenojn
kaj havus jun alian
koloson homaro
kaj ni ...
Tamen kia feliĉo,
ke tiu grandegulo estis
Lenin!

El ukraina lingvo tradukis
Nadia Andrianova, Kievo

N. Mirovickaja kaj J. Ŝiŝkov

# Malsato en la „Tria Mondo"

## Kaŭzoj, amplekso, vojoj al solvo

Preskaŭ unu kvarono de la homoj en la „Tria Mondo" kaj ĉirkaŭ tri procentoj de la loĝantoj en la kapitalismaj industrilandoj ne havas sufiĉe por manĝi. En la pasinteco, kiam la homo estis ankoraŭ nesufiĉe armita por la regado super la naturo, ŝajnis tute nature, ke pli malpli granda parto de la ekspluatataj amasoj konstante suferis pro subnutriteco.

Alie statas en niaj tagoj, en kiuj la laborproduktiveco de la agrokulturo kreskas, ĝis nun nekulturataj areoj estas uzataj kaj biologiaj riĉaĵoj de la oceanoj estas kondukataj al ekspluatado. Rilate al la energia valoro kaj la proteinenhavo la entuta kvanto de la nutraĵoj nuntempe produktataj en la tuta mondo estas duoble pli alta ol la necesa minimumo de la averaĝa laŭkape kalkulita konsumo. Tamen en la nesocialisma mondo la malsato atingis amplekson ĝis nun nekonatan.

Laŭ indikoj de la UN-organizaĵo por nutrado kaj agrokulturo (FAO) kaj de la Internacia Banko por rekonstruo kaj evoluigo (IBRD) oni nombras en la nesocialisma parto de la mondo preskaŭ unu miliardon da homoj, kiuj ne ricevas la necesan minimumon de nutraĵoj. En la unua duono de la sepdekaj jaroj pro malsato aŭ subnutriteco mortis ĉirkaŭ 30 ĝis 40 milionoj da homoj jare, t.e. trioble ĝis kvaroble tiom, kiom meznombre pereis en unu jaro dum la dua mondmilito.

Nuntempe minimume 40 procentoj de la enloĝantoj en la nesocialisma mondo suferas pro subnutriteco. Pleje trafitaj estas la plej malriĉaj sociaj tavoloj en la evoluantaj landoj. Laŭ taksadoj de FAO la nombro de la malsatantoj kreskas tie senĉese. Tiel en la jaroj 1969 ĝis 1971 estis proksimume 360 milionoj, 1972 ĝis 1974 410 milionoj kaj 1974 ĝis 1976 420 milionoj da homoj. La ĉefa amaso de la tiel skurĝitaj vivas en la nesocialismaj landoj de la malproksima oriento kaj sudorienta Azio, kie en la jaroj 1974 ĝis 1976 286 milionoj da homoj aŭ proksimume 27 procentoj de la tuta tiea loĝantaro suferis pro malsato. En la sama tempoperiodo en Afriko malsatis 22 procentoj de la loĝantaro, en Latinameriko 13 procentoj kaj en la proksima oriento 11 procentoj.




Grafiko: Zentralbild

Aparte malfacila estas la situacio en la plej malriĉaj landoj de la „Tria Mondo", kiuj kiel „malsatzono" etendiĝas laŭ la ekvatoro tra Afriko kaj sudorienta Azio. Tie ĉi meznombre 28 procentoj de la loĝantaro estas trafitaj.

Krome centoj de milionoj da homoj en la evoluantaj landoj suferas pro malpli ekstremaj formoj de kronika subnutriteco, ĉe kio al la korpo mankas vivnecesaj mineralaj substancoj, grasoj kaj vitaminoj. Pro manko de la vitamino A ekz. blindiĝas jare minimume 250 000 infanoj en evoluantaj landoj.

### Vualado de la kaŭzoj

Sekve de konstanta subnutriteco kaj ĝin akompanantaj malsanoj la averaĝa vivatendo sumiĝis ĉirkaŭ la jaro 1975 en orienta Afriko je 44,5 kaj en okcidenta Afriko je 41,3 jaroj, kontraŭe en okcidenta Eŭropo je 71,8 kaj en Japanio je 73,3 jaroj.

Burĝaj sciencistoj, la monopola gazetaro kaj eĉ kelkaj fakuloj de FAO ofte inklinas al supraĵa klarigo de la kaŭzoj de la nutrada problemo. Ili simple reduktas ilin al tio, ke la loĝantaro de la evoluantaj landoj kreskas pli rapide ol la produktado de nutraĵoj, ke la naturaj trezoroj estas limigitaj kaj la agrara produktado montras tro malgrandan efektivecon. Surbaze de relative simplaj kalkuloj ili venis antaŭ pli longa tempo al la konkludo, ke sekve de la loĝantara eksplodo kaj la produktada kresko la trezoroj de la tero, inter ili ankaŭ ties nutraĵa potencialo, laŭdire elĉerpiĝos jam en la jaro 2100.

En postaj laboroj la okcidentaj futurologoj fariĝis jam pli singardaj en siaj eldiroj pri la neeviteblo de la pereo de la homaro. Sed rilate al la nutraĵproblemo la plimulto de ili plue kondutas pesimisme. Regule ili konsideras nur la rilaton inter la kresko de la loĝantaro kaj la nutraĵa produktado, t.e. precipe naturajn faktorojn, kaj lasas la social-ekonomiajn kaj -politikajn aspektojn ekster la konsidero.

### Monopoloj evitas historian respondecon

La ideologia, klaskondiĉita direktiĝo de tia pozicio estas evidenta. Unue ĝi celas pruvi, ke pri la akriĝo de la nutrada problemo kulpas la supermeze rapide kreskanta loĝantaro mem de la evoluantaj landoj – sed ne la imperiismaj potencoj. La monopoloj intencas tiamaniere liberiĝi de sia historia respondeco pri la postrestinteco.

Due la defendantoj de tiu teorio havas la celon direkti la atenton de la monda publiko unuflanke al la demografiaj aspektoj de la problemo kaj koncentri la praktikan agadon al la reduktado de la naskonombro kaj en plej favora okazo al la plialtigo de la produktiveco de la agrokulturo en la evoluantaj landoj, sed ne al sociaj transformiĝoj en tiuj ŝtatoj kaj ne al la ŝanĝiĝo de la rilatoj al la evoluintaj landoj de la kapitalismo.

Kompreneble estas funde malĝuste klarigi la mankon je nutraĵoj nure per rekta komparo de la kreskokvotoj de loĝantaro kaj nutraĵproduktado. La interligo de tiuj variabloj estas de naturo ne matematika, sed socia kaj ekonomia, kondiĉita per la reprodukta ciklo produktado, distribuado, cirkulado kaj konsumado.

## Proprietaj rilatoj kondiĉas la distribuadon

„La utiligo de la produktaĵoj estas determinita per la socialaj cirkonstancoj, en kiuj la konsumantoj troviĝas, kaj tiuj cirkonstancoj mem baziĝas sur la kontrasto de la klasoj". Tiu penso pri la kapitalismaj landoj, dirita de Karl Marx en „Mizero de la filozofio", estas ĝusta ankaŭ pri tiuj liberiĝintaj ŝtatoj, en kiuj la ekspluatado de la homo far la homo konserviĝas kaj ne malofte estas plue evoluigata. La rezulto de tiaj produktadaj rilatoj estas profunde efikanta sociala neegaleco kaj grandega faŭko inter la enspezoj de la diversaj klasoj kaj tavoloj de la socio.

Kun kreskanta nacia enspezaro la pagipova mendado pliiĝas ĝenerale, sed speciale por la pli bonstataj homoj. La enspezoj de la malpli bonstataj tavoloj aŭ tiuj vivantaj tute en mizero leviĝas – se entute – nur malgrave. La pli bone evoluintaj nacie liberiĝintaj landoj aŭ tiuj, kiuj eksportas malkarajn tertrezorojn kaj pro tio realigas relative altan meznombran enspezon por ĉiu enloĝanto, laŭregule importas pli multe da nutraĵoj po unu enloĝanto ol tiuj kun malpli alta laŭkape kalkulita enspezo.

Ekzemple en Latinameriko en la jaro 1976 la malneta enlanda produkto kalkuliĝis meznombre je 1 230 dolaroj por ĉiu enloĝanto kaj en Afriko je 401 dolaroj, dum la ĉiutaga porcio de nutraĵoj en la unua okazo sumiĝis je 10 660 kJ (kiloĵuloj) = 2 546 kkal kaj en la dua 9 307 kJ = 2 223 kkal. Por la sama periodo oni taksis la nutraĵimporton je 4,6 por ĉiu latinamerikano kaj je nur 0,4 dolaroj por ĉiu afrikano.

## Produktado: Ne plu taŭga loka distribuo

Nun restas ankoraŭ la diskutado de tiu aspekto de la nutraĵproblemo, kiu koncernas la produktadon. La ĉiujara kresko de la nutraĵproduktado en la nesocialisma mondo sumiĝas en la pasintaj du jardekoj je ĉirkaŭ 2,8 procentoj ĉe loĝantara kresko je preskaŭ 1,8 procentoj jare. Konsidere al la entuta kvanto de la produktitaj nutraĵoj entute kiel ankaŭ rilate al ĉiu loĝanto la rilato ŝajnas do favora.

Sed en la dua duono de la sepdekaj jaroj la evoluantaj landoj, en kiuj vivas la ĉefparto de la monda loĝantaro, produktis nur 37,3 procentojn de la nutraĵa greno, 32,1 procentojn de la furaĝa greno, 27,4 procentojn de la viando, 29,1 procentojn de lakto kaj laktoproduktoj, ili koncentris al si 46,3 procentojn de la tutmonde kaptitaj fiŝoj kaj aliaj marproduktoj.

Tiaj evidentaj misproporcioj estas la rezulto unuflanke de monokulturoj truditaj iam de la koloniaj mastroj kaj aliflanke de misformita internacia labordivido. La imperiismaj metropoloj estis evoluigintaj nur tiujn branĉojn de agrokulturo kaj brutbredado, kiuj promesis al ili grandajn eksportprofitojn. La produktado de nutraĵoj por la enlanda loĝantaro, tamen, ne interesis ilin kaj restis lasita al si mem. Tiu situacio ekzistas plu en la plimulto de la evoluantaj landoj eĉ hodiaŭ.

La usonaj sciencistoj F. M. Lappé kaj J. Collins priplendas, ke la latifundiistoj „en meza Ameriko kaj en la landoj de la Kariba Maro, kie minimume 80 procentoj de la infanoj suferas pro subnutriteco, rezervis prekaŭ unu duonon de la prilaborita grundo – kompreneble de la plej bona – por la kulturado aŭ produktado de nur kvin produktaĵoj, kiuj estas destinitaj antaŭ ĉio por la eksporto: kafo, bananoj, kakao, sukero kaj bovaĵo".

Krome la malmoderniĝinta sistemo de grundposedo, ekzistanta en multaj junaj ŝtatoj, lasas en la manoj de la grandbienistoj grandegajn agrokulturajn areojn, kiuj estas apenaŭ uzataj. Ekzemple en Latinameriko nur 14 procentoj de la grundo apartenanta al la latifundiistoj estas prilaborata.

La ceteraj areoj estas splititaj en dekmilojn da malgrandaj kaj malgrandegaj parceloj, kies posedantoj mizeras en almozula vivo kaj povas apliki nek modernajn maŝinojn nek mineralan sterkon nek modernajn agrobiologiajn metodojn. Pro tio do la ege malalta produktiveco de la agrokulturo ne laboranta por la eksporto en la plimulto de la evoluantaj landoj.

## Minaca dependeco de importoj

La neeblo, en mallonga limtempo plialtigi la propran produktadon de nutraĵoj, devigas multajn evoluantajn landojn al pli altaj importoj: Dum ĉi tiuj pligrandiĝis de 1967 ĝis 1972 jare je 5,8 procentoj (kalkulite laŭ neŝanĝiĝintaj prezoj), ili suprengrimpis de 1972 ĝis 1977 jam je 23,7 procentoj jare.

UNO proponis senkoste liveri nutraĵojn el tiuj landoj, en kiuj ekzistas plusoj, al tiuj landoj, kiuj urĝe bezonas ilin. Sub la aŭspicioj de FAO en la jaro 1962 komenciĝis prove la tiel nomata monda nutraĵprogramo (WFP), kiu estis unue antaŭvidita por tri jaroj. 1965 oni transformis ĝin en konstantan programon.

Hodiaŭ ĝin partoprenas pli ol 100 landoj. La plimulto de la nutraĵoj kaj monrimedoj por tiu programo venas el landoj kun antaŭa pozicio en la nutraĵeksporto.

Sed ekzistas ankaŭ aliaj kanaloj, tra kiuj la evoluantaj landoj ricevas nutraĵojn sur nekomerca bazo. La entuta amplekso de tiaj liveroj pligrandiĝis de 85 milionoj da dolaroj en la jaroj 1963 ĝis 1965 al 440 milionoj da dolaroj en la jaroj 1975 ĝis 1976. Sendube tio plifaciligas la situacion de la malsatanta loĝantaro. Sed estus naive supozi, ke la imperiismaj potencoj faras tiajn donacojn pro filantropiaj konsideroj. Kiel ĉiu alia „helpo" ankaŭ ĉi tiu fontas el ilia strategio, el ilia konkurencbatalo pri la konservado aŭ plivastigo de influsferoj en la „Tria Mondo".

Se koincidas malfavoraj cirkonstancoj, lokaj nutraĵproblemoj tre bone povas transkreski en internacian nutraĵkrizon de la kapitalisma mondo. En la lastaj cent jaroj plurfoje okazis malsatmizeroj.

Laŭregule ili estis la sekvo de militoj. Sed en la sesdekaj kaj sepdekaj jaroj la krizo en la nutraĵosektoro fariĝis permanenta.

*100 milionoj de latinamerikanoj suferas subnutrecon. Dum la sekvaj 20 jaroj tiu amaso probable pligrandiĝos je 200 milionoj. La foto montras infanojn en orfejo de Bogota (Kolombio). La patrinoj disiĝis de siaj infanoj, ne povante ilin nutri.*

Foto: Zentralbild






Grafiko: Zentralbild

## Netaŭga ekonomia mekanismo

Per kio tio estas kaŭzita? Evidente per la pliprofundiĝanta kontraŭdiro inter la kresko de la produktivaj fortoj (akcelata per la scienca-teknika revolucio) kaj la internacia sociigo de la produktado en la unu flanko kaj la malnoviĝinta kapitalisma ekonomia mekanismo en la alia. Per la internaciigo de la ekonomia vivo, plifortigita post la dua mondmilito, la iamaj koloniaj kaj dependaj landoj estas rapide inkluzivitaj en la internaciaj ekonomiaj, politikaj kaj kulturaj interrilatoj kun la pli evoluintaj landoj. Sed al tio ili estis historie ne preparitaj pro siaj malmoderniĝintaj, kolonie stampitaj agraraj cirkonstancoj, pro la tie reganta sociala malegaleco, la hereditaj apartaĵoj en la demografia evoluo kaj pro vico da aliaj kaŭzoj.

Per tio la solvo de la nutraĵproblemo en tiuj ŝtatoj estas ne faciligita, sed malfaciligita. La kapitalisma ekonomia mekanismo, speciale en la regiono de la internacia interŝanĝo, estas maltaŭga por korektado de la reproduktaj procezoj ĉe samtempa plimildigo de la socialaj problemoj. Male, la pli forta ligado de la junaj landoj al la kapitalisma mondekonomio pliakrigas la ekonomiajn, socialajn kaj demografiajn misproporciojn, speciale plialtigas ilian dependecon de eksteraj nutraĵfontoj.

## Arbitro de la monopoloj mortigis milionojn da homoj

Ni klarigu tion per la grenpolitiko de la ĉefaj imperiismaj produktantaj landoj fine de la sesdekaj/komence de la sepdekaj jaroj. La situacio sur la mondmerkato por greno estas determinita per la eksportpolitiko de la kvar ĉefaj eksportlandoj Usono, Kanado, Aŭstralio kaj Argentino. Malantaŭ tiu grupo staras malgranda grupo da monopoloj, kiuj kontrolas la produktadon kaj la debiton de la greno.

Ĉirkaŭ fino de la sesdekaj kaj komence de la sepdekaj jaroj kelkaj abundaj rikoltoj malaltigis la mondmerkatajn prezojn. Por denove altigi ilin, la monopoloj reduktis la produktadon de la greno. Sed ĝuste en tiu tempo – 1971/72 – naturkatastrofoj estigis malbonajn rikoltojn en la ĉefaj produktantaj landoj. La monda produktado de greno malpligrandiĝis konsiderinde, kaj la stokoj malpliiĝis je la plej malalta nivelo de ĉiuj postmilitaj jaroj. Ili sufiĉis nur por 29 tagoj.

Tiam la registaroj limigis la greneksporton, por sekurigi la kontentigon de la enlandaj bezonoj. Per tio ili punis duoble ĝuste tiujn evoluantajn landojn, kiuj pleje dependis de la importo: Unuflanke mankis la kvanto, aliflanke la importita greno jam fariĝis multe pli multekosta. La kapricoj de la mondmerkato, pli ĝuste la arbitro de kelkaj monopoloj kostis la vivon al dekduoj da milionoj da homoj.

## Internaciaj institucioj intervenas

La nuntempa nutrajkrizo kiel ankaŭ aliaj strukturaj krizoj de la kapitalisma mondekonomio estas kondiĉitaj per la malmoderniĝinta ekonomia mekanismo, kiu estas malkapabla plenumi la kreskantan bezonon je prudenta, laŭplana reguligo de la mondekonomiaj proporcioj.

Maltrankviligite pro la amplekso de tiu krizo, internaciaj institucioj jam longe serĉas eliron el tiu situacio. Aparte UNO okupiĝas pri tio: Komence de la sepdekaj jaroj la malsatproblemo estis vicigita en la nombron de antaŭrangaj taskoj ĉe la demokratia transformado de la internaciaj ekonomiaj rilatoj. Signifaj agadoj ankaŭ elmontras FAO kaj la Monda Nutraĵkonsilio (WFC) fondita 1974. Certan kontribuon faris ankaŭ la UN-konferenco pri komerco kaj evoluigo (UNCTAD) kaj aliaj internaciaj organizoj.

Pro la nuntempe maljusta distribuo de la enspezoj inter la unuopaj grupoj de la loĝantaro la nutraĵproblemo estas praktike nesolvebla. Ĉe konservado de la hodiaŭaj socialaj strukturoj jam ne la tuta forigo de la malsato, sed nur la malpligrandigo de la malsatanta loĝantaro en la evoluantaj landoj al preskaŭ 5 procentoj postulus duobligon de la mondvasta nutraĵproduktado ĝis 1990, kio estas malreala.

La serĉo je solvo de la nutraĵproblemo devas havi kompleksan karakteron. Tio antaŭkondiĉas ne nur la maksimuman evoluigon de la propra nutraĵbazo en la evoluantaj landoj, ties iompostioman deiĝon de la nutraĵimporto kaj de la ne sendanĝera „helpo" de la imperiismaj potencoj, sed ankaŭ profunde atingantajn socialajn transformojn. Sen tiuj estas praktike neeble forigi la malsaton en la „Tria Mondo" en historie mallonga limtempo por ĉiam.

(El „Horizont" n-ro 3/81
trad. D-ro Karl Schulze)

---

Inita Tamoŝiuniene

## Voko

Naskiĝis mi en 45a jaro.
En fino de aprilo. Dum milit'.
En akuŝejo kune kun bebaro
Kriegis mi, kuŝante en la lit' . . .

Ne sciis ni, ke nia tero brulis,
Ke estis forgesita humanec'.
Nin nokte fora kanonado lulis
En la komenco de la infanec'.

Sur ter' ankoraŭ eksplodadis bomboj
Kaj sonis ĝemoj, ploro, kri' sen fin';
Sur tero abundegis freŝaj tomboj,
Sed tio tute ne koncernis nin.

Kaj ne konante la militan flamon,
Sed laŭ denaska rajto – per la kri'
Ni postulegis – malgraŭ ĉio! – amon,
Ĉiaman pacon postulegis ni . . .

Aŭskultu tra la tuta tersurfaco! –
Ankoraŭ sonas memoriga vok':
Infanaj voĉoj petas – gardu pacon,
Ĉar maltrankvila estas la epok'.

## La arbo de amikeco

Ĝi kreskas en la teritorio de Scienc-Esplora Instituto de montara ĝardena kaj flora bredado en la urbo Soĉi (Kaŭkaza Nigramarbordo). En la jaro 1934 ĉi tie estis plantita ĝermeto de sovaĝa citruso. En la jaro 1940a soveta profesoro O. J. Ŝmidt faris sur tiu arbeto la unuan grefton. La burĝono alkreskis kaj donis la unuajn fruktojn. Sur la sama arbo komencis kreski oranĝo kaj mandarino. Pli poste fariĝis tradicio: ĉiuj eminentaj homoj, – gastoj de Soĉi – venas al tiu arbo kaj inokulas citruson. Dum la multaj jaroj tiu-ĉi arbo fariĝis vera mirindaĵo de selekto: sur ĝiaj branĉoj maturiĝas sudamerikaj pampelmusoj, japanaj mandarinoj, alĝeriaj oranĝoj – entute 45 apartaj specoj da citrusoj.

Reprezentantoj de pli ol 150 landoj faris greftojn, sur la arbo, inter kiuj ankaŭ estis esperantistoj. Apud la arbo de amikeco estas kreita Muzeo de Amikeco, kie oni kolektis diversajn donacojn al la Instituto, inter kiuj troviĝas ankaŭ la skatoleto kun la tero de la tombo de d-ro L. L. Zamenhof, liverita tien dank' al klopodoj de polaj kaj Moskvaj gesamideanoj. T. Kulagin

D-ro Wolfgang Roschlau

# LA VETARMADO

FRG kaj ĝiaj armefortoj okupas centran lokon en la usona politiko de konfrontado kontraŭ Sovetunio kaj la aliaj ŝtatoj de la Varsovia Kontrakto, en la strebado pri armea supereco kaj en la armestrategia planado de NATO.
FRG estas la regiono kun la plej granda koncentriĝo de trupoj sur la eŭropa kontinento, ĝia teritorio sisteme transformiĝas al elirejo por atakoj kontraŭ la ŝtatoj de la Varsovia Kontrakto.
En la jaro 1980 la armefortoj de FRG havis 495 000 aktivajn soldatojn kaj 175 000 civilajn laborantojn. La *terarmeo* dividiĝas en 3 tankaj divizioj, 5 tankgrenadiraj divizioj, 2 ĉasistaj divizioj, nuntempe transformataj al tankgrenadiraj divizioj, 1 montarĉasista divizio kaj unu paraŝutista divizio, kies 3 brigadoj apartenas al la korpuso de la terarmeo. La *teritoria armeo* konsistas el 3 teritoriaj taĉmentoj, 5 armeregionaj taĉmentoj, 30 defendaj distriktaj taĉmentoj kaj 70 subdistriktaj defendaj taĉmentoj. Al la bataltrupoj de la teritoria armeo apartenas entute 6 hejmlanddefendaj taĉmentoj, 30 ĉasistaj batalionoj kaj ĉirkaŭ 300 sekurigaj kompanioj. La *aerarmeo* dividiĝas en aerflota taĉmento, aerflota administracio kaj aerflota helptaĉmento. La aerflota taĉmento disponas pri 16 ĉas-bombaviadilaj eskadroj kun nukleaj kaj ordinaraj armiloj, 4 observ-aviadilaj eskadroj, 4 kontraŭatakaj ĉasaviadilaj eskadroj, 2 raketaj eskadroj kun raketoj de tipo „Pershing 1 A", 24 baterioj de aerdefendaj raketoj de tipo „Nike-Herkules" kaj 36 baterioj de aerdefendaj raketoj de tipo „Hawk". La *mararmeo* konsistas el la marflota taĉmento, la mararmea administracio kaj el la marflota helptaĉmento kaj posedas 185 militŝipojn kaj 87 helpŝipojn.
Spite al vortriĉaj klarigoj de reprezentantoj de la FRG-registaro pri malarmado kaj armadlimigo, grandiĝis tiu ĉi armea potencaro dum la lasta jardeko de jaro al jaro.

## Masiva subteno al usona politiko de konfrontado

Gvidaj politikistoj kaj armeanoj de FRG hodiaŭ ne faras sekreton el tio, ke ili apud Usono ludas gvidan rolon por la plialtigo de mititpreteco de NATO kaj ĝia adapto al la ŝanĝintaj strategiaj kondiĉoj de nuntempo, kion ankaŭ pruvas la fakto, ke ili sukcesis aŭtoritate influi la starigon de la decido pri nukleaj armiloj en decembro 1979. Praktike ekzistas neniu el la 10 sferoj de „plej alta prioritato" fiksitaj en la longdaŭra armadprogramo de majo 1978, en kiu FRG ne rapidus plenumi la taskojn. En la kuranta kvinjarplano pri la evoluigo de armeo – laŭ la vortoj de la ministro pri defendado Apel – nur la modernigo de la FRG-armeo postulos elspezon de proksimume 55 ĝis 65 miliardoj da markoj.
La armiĝa etato por 1981 atingas – kalkulita laŭ kriterioj de NATO – ĝis nun 61 499 miliardojn da markoj. Jam nun estas videble, ke ĝi plialtiĝos per „aldono" je minimume 2 miliardoj da markoj.
La ĉefaj klopodoj de la gvidantoj de la Federacia Armeo direktas sin al la plialtigo de armil- kaj atakpotenco de ĝiaj trupoj. Tiel oni plialtigos en la kadro de „Armestrukturo 4" ĝis 1981/82 la nombron de la batalbrigadoj de la terarmeo de 33 al 36, la nombro de tankbatalionoj duobliĝos. Post la enkonduko de la bataltanko „Leopard" la terarmeo posedos 4 887 bataltankojn en la trupoj kaj depotoj. Per la unuecigo de la diviziaj tipoj al tankaj kaj tankgrenadiraj divizioj kreskas la nombro de atakformacioj de 8 al 11. Samtempe ankaŭ la teritoria armeo starigu ĝis 1983 fortajn operacajn rezervojn.
La nova „konceptaĵo pri rezervistaro" de la FRG-armeo, aprobita la 23-an de majo 1980 ebligas plifortigi la batalpretajn trupoj jam dum „tempoj de streĉiteco" per 40 000 rezervistoj de la „dispona pikedaro" kaj en okazo de milito dum plej mallonga tempo plialtigi ilian nombron ĝis ĉirkaŭ 1,2 milionoj per 650 000 soldatoj de la „alarmrezervo".
La agresa kapablo de la aerarmeo plialtiĝos per enkonduko de la plurcela batalaviadilo „Tornado" kaj per la malpeza ĉas-bombaviadilo „Alpha Jet" planita por uzado en batalkampo; la agresa kapablo de la mararmeo plialtiĝos inter alie per la aktivigo de 6 raketaj fregatoj ĝis 1985 kaj de pliaj ĝis la fino de la longdaŭra armadprogramo. Kvankam nur 5 % de la baltmara bordo apartenas al la teritorio de FRG, la federacia mararmeo estas nuntempe la dua plej forta mararmeo en tiu ĉi eŭropa randmaro.
Karakteriza por la armeaj trupoj de FRG estas ankaŭ la alta grado de kontraŭkomunisma kaj revenĝema fiagito inter ĝiaj soldatoj kaj oficiroj.
Al ilia ĉefa ideologia linio apartenas la kalumnio de GDR kiel „kontraŭnacia", kiel „malamika ŝtato minacanta FRG-on". Tio bazas sur la fundamenta politika celo de la restarigo de imperiisma Germana Regno laŭ la landlimoj de 1937.

## „Labordivido" en NATO

Tiun ĉi bildon pri la armefortoj de FRG kompletigas la strebado de ĝia politika kaj militarisma gvidantaro, akiri plivalorigon de siaj armefortoj en la kadro de la „labordivido" en NATO, postulita de Usono. Tio esprimas sin en la preteco – ne laste kun la helpo de la nova „konceptaĵo pri rezervistaro" – plifortigi la trupojn en la regiono de Meza Eŭropo, por ebligi al Usono pli grandan engaĝadon ekzemple en Meza Oriento. En la senco de tiu ĉi „labordivido" la generalleŭtenanto de la Federacia Armeo L. Domröse pledis antaŭ nelonge por starigo de 6 rezervaj brigadoj, kiuj en mallonga tempo povas esti transformataj al la stato de aktivaj brigadoj. Al la sama celo servas la disvastigo de la operacaj zonoj por la mararmeo de FRG ĝis la eŭropa Norda Maro, norde de la 61-a latitudo, same kiel la preteco disponigi aldonajn marajn trupojn por la intervenaj trupoj de NATO kaj montri ĉeeston, pli ol ĝis nun, en ekstereŭropaj maroj.
La kreskanta preteco de FRG pri militaristaj aktivecoj ekster Eŭropo servas ankaŭ al la propra intereso de la federaci-germana monopolburĝaro, plue sekurigi por si la aliron al krudmaterialoj kaj energifontoj – eventuale eĉ per kunordigita militarista interveno de NATO-ŝtatoj.
La kontinua altigo de la agresa kapableco kaj preteco de la FRG-armeo, kiu per la longdaŭra armadprogramo de NATO atingis kvalite pli altan ŝtupon ol en la pasinteco, staris kaj staras en nedisigebla interrilato kun la manovroj de NATO, kiuj plimultiĝas laŭ amplekso kaj partopreno. Ofteco, amplekso kaj antaŭ ĉio la lokigo de manovroj sur la teritorio de FRG respektive en la NATO-regionoj „Mezeŭropo" kaj „Aliroj al Balta Maro" konfirmas ne nur la rolon, kiun transprenis la Federacia Armeo kune kun la usonaj trupoj kiel ĉefa atakforto de NATO kontraŭ la ŝtatoj de la Varsovia Kontrakto. Ĉiam la FRG-armeo rangas ĉekape, kiam la militista gvidantaro de NATO taksas la agresan kapablecon kaj pretecon. Sed tiuj serioj de manovroj respegulis ankaŭ la kontinue kreskantan influon de la gvidantaro de la Federacia Armeo sur la militan strategion de NATO kaj sur la intencatan manieron de ĝia efektivigo.
En akra kontrasto al la asertoj de la FRG-gvidantaro, ĉiuj tiuj aktivecoj celas al subfosado de la militista ekvilibro en Eŭropo kaj per tio al detruo de la decida bazo por la politika procezo al malstreĉiĝo. La strebado al pliakrigo de la militarisma konfrontado en Eŭropo renkon-

tas la kreskantan reziston en la publiko. Inter la kontraŭuloj de la armiga kurso de NATO estas ankaŭ kelkaj konataj militaristaj ekspertoj, kiel la iama generalo de la Federacia Armeo Bastian, riproĉita pro sia kritiko je la priraketa decido de NATO. La kreskanta rifuzo de la armiga politiko esprimiĝis antaŭ nelonge en la postulo de grupo da parlamentanoj en la parlamento de FRG, ke FRG retiru sian konsenton kun la priraketa decido de NATO.

(El „Horizont" 7/1981
tradukis Renate kaj Dieter Berndt)

## Ezopa fablo

La ĉeval kaj bovo ie
ekdisputis energie
pri l'merito
en milito.

Diris la ĉeval' incite:
„Eh, malsprite
estus dubi nian gloron
kaj valoron.
La ĉevaloj
al bataloj
kuri ĉiam estas pretaj
je l'trumpetaj
sonoj,
(iom helpis ankaŭ spronoj)
kaj la ŝarĝon de l' kanonoj
tra abruptaj ŝtonoj
kiuj trenis?
nur ni!" – la ĉevalo henis.

Bov' respondis dum remaĉo:
„Ĉevalaĉo!
vi ja vane fanfaronas,
ĉar ni donas
tamen la plej grandan servon!
Ja al si la cerbon
la marŝalo vane rompas,
vane pompas
la kuraĝo,
se l'furaĝo
mankas.

Kaj al kiu dankas
la viandon la soldat' malsata?
Al la bovo malŝatata!
Via gloro sole ŝajnas,
ĉiun venkon bovo gajnas."

Paŝtis sin melankolie
ankaŭ la azeno tie.
Ĝi malplaĉe aŭdis,
ke sin ili laŭdis.
Ĝi iais
kaj balais
la aeron per oreloj,
kaj ekkriis: „Bagateloj!
Jen la vero:
Sur la tero
se azenoj ne amasus,
la milit' eĉ ne okazus!"

Kálmán Kalocsay

G. Koumanakos

# La danĝeroj el la restado de usonaj militfortoj en Eŭropo

Se oni parolas pri la sekureco en Eŭropo, tiam oni unue devas akcenti, ke la ĉefrespondeculo por la endanĝerigo de la paco kaj por periodaj krizoj en Eŭropo estas neeŭropa potenco. Estas ĝenerale konate, ke la registaro de Usono jam plurfoje faris disponojn, kies celo estis la malfortiĝo aŭ eĉ forigo de la malstreĉiĝo, la komenco de nova raŭndo de la malvarma milito kaj la eskalado de la vetarmado.

La premo, per kiu Usono antaŭ nelonge volis instigi la NATO-landojn al konsento pri la lokado de raketoj de la tipo Pershing II kaj Cruise Missile sur iliaj teritorioj, tute ne havigis al ili pli multe da sekureco, sed male plu endanĝerigis ĉi tiun, ĉar nun ili estas celoj de ebla nuklea atako kaj tuta Eŭropo estas militejo por potenciala kernarmila milito.

Pro tiu motivo ĉiuj pacmovadoj de nia kontinento devas kunordigi siajn klopodojn por informi la eŭropan publikon pri la danĝeroj, kiuj estas imanentaj al la restado de usonaj militfortoj sur nia kontinento kaj speciale al la lokado de novaj raketoj de la tipo Pershing II kaj Cruise Missile, kaj por mobilizi ĝin.

La sekureco en Eŭropo estas krome endanĝerigata per pliaj manovroj, kiujn Usono realigas en la diversaj partoj de mondo sen konsultado kun siaj aliancanoj. Tio koncernas ekzemple en aparta mezuro la Persan Golfon. Tiaj maĥinacioj de Usono akrigas la ekzistantajn streĉojn kaj entenas la danĝeron de lokaj militoj. Militsimila konflikto en la regiono de la Persa Golfo, tamen, havus sian rektan efikon sur la ekonomion de Eŭropo, ĉar ĝi tre verŝajne interrompus la normalan olefluon.

Pro tio estas urĝe necese, ke per plifortiĝantaj klopodoj la pacfortoj ne nur tenas antaŭ la okulojn de la okcidenteŭropanoj la danĝerojn, kiuj alproksimiĝas al ili, sed ankaŭ skue vekas la mondan publikon, por ke ĝi praktiku sian influon al la diversaj registaroj kaj instigu tiujn ĉi al forturniĝo disde aventura politiko de usona speco. Tiun celon ni devas atingi per mobilizado de la politikaj partioj, de la parlamentoj, amasmedioj – ĉe kio al la gazetaro apartenas aparta rolo – kaj per organizado de amasaj demonstracioj en diversaj landoj.

En tiu konekso la atento estu direktita al la eksplodema situacio, kiu regas en la orienta regiono de Mediteraneo kaj en la proksima oriento. La militista ĉeestado de Usono, reprezentita de la 6-a mararmeo kaj militbazoj en Grekio kaj Turkio, pruviĝis kiel konstanta minaco al la mondpaco en tiu sentema regiono de vivgrava signifo kaj estas la ĉefa kaŭzo de daŭraj internpolitikaj streĉoj en ambaŭ landoj.

Estas evidente, ke la registaro de Usono kaj ĝiaj sekretaj servoj staras malantaŭ la malpliboniĝo de la grekaj-turkaj rilatoj. Ili estas ankaŭ la ĉefaj respondeculoj por la okazintaĵoj sur Cipro kaj por la ege danĝera situacio, kiu estiĝis per la okupo de parto de la insulo far Turkio.

Konsidere al la atendeblaj agadoj de Usono, kiujn la greka popolo ne povas rezignacie akcepti, ni startis larĝe planitan kampanjon kontraŭ la militbazoj de Usono en tiu regiono.

(El „Neue Perspektiven" n-ro 5/80
trad. D-ro Karl Schulze)

Grafiko: Zentralbild



# Protesto kontraŭ faŝismo kaj milit-danĝero

De la 11a ĝis 25a de januaro 1981 okazis fotoekspozicio „Hiroŝima-Nagasaki" en la nova urbdomo en Dresden.
Oni montris impresajn kaj emociajn atestojn pri la teruraj okazaĵoj kaj rezultoj de la du atombombĵetoj super Hiroŝima kaj Nagasaki. I.a. oni vidis la atomfungon kaj la senfoliajn vastajn areojn, kie iam staris la japanaj urboj Hiroŝima kaj Nagasaki. Oni vidis forbruligitajn domrestojn, elarditajn tramvrakojn, karbiĝintajn kadavrojn, enbruligitajn ombrojn sur murorestoj, radioaktivajn nigraruĝajn kolorigitajn pluvogutojn, bebojn kaj etinfanojn kun radiomalsanoj.
La klarigoj al la bildoj informis pri teknikaj detaloj, pri la dimensio de la detruoj, de la korpaj kaj psikaj suferadoj kaj la postaj malfruaj efikoj.
Sed ankaŭ oni demonstris la volon al la vivo, la rekonstruon de la du urboj, la videblan proteston kontraŭ armado, militarismo kaj milito.
Ĉe la rigardado de la fotodokumentoj mi konsciiĝis pri la monstraj, cinikaj kaj abomenindaj rimarkoj de la hodiaŭa 65 jara usona piloto, nuna Usono-generalo Paul Tibbets, kiu siatempe ĵetis la bombon sur Hiroŝimon kaj kiu en usona televida dissendaĵo diris „Mi farus la samon denove. Mi devus hipokriti, se mi asertus, ke mi sentas iom da pento."
Je la 13a de februaro 1945, kiam anglaj-usonaj aviadiloj bombardis Dresden kaj sinkigis la urbon en ruinaĵoj kaj cindro, mi ĵus estis du tagojn aĝa. Se ne estus tiel rapida la antaŭenmarŝo de la liberiganta soveta armeo, tiam ankaŭ mian naskĝiurbon estus trafinta la terura sorto de Hiroŝima kaj Nagasaki, tiel, kiel planis Usono. Hiroŝima, Nagasaki kaj Dresden estas denove rekonstruitaj. Tamen estas veka la memoro pri la suferita sorto, admonas postokazaj viktimoj kaj ruinoj, estis ligitaj pro la tragiko amikecoj, leviĝas komuna protesto kontraŭ faŝismo kaj militdanĝero. Estas tre forta la postulo: daŭran pacon!

Monika Schrage, Dresden

Dimitro Zlatarski

# Mia esperantista kredo

Al Asen Grigorov

Internacia lingvo – bela revo
de l'homoj – estas nun realo.
Sed lingvo ne sufiĉas – nia devo
nun estas fari ĝin armilo ŝtala.

Ne taŭgas pacifismo utopia!
Nun stari ekster lukto estas krimo –
dum ni senpolitike fantazias,
milito rabas milojn da viktimoj.

Amikon havis mi en land' korea,
kaj eksilentis li post la milito.
Ĉu falis Kim sub la standard' armea?
Aŭ hejme trafis lin obusa splito?

Kun Vanda – pola amikin' – nin ligis
gefrataj koraj sentoj, sed faŝistoj
turmentis ŝin kruele kaj pendigis.
Do mi etendu manon al murdistoj?!

Leteron vi atendas de amiko
el Hanoj, el Santiago, Rodezio . . .
Li mortis sub la nigra sun' afrika,
sub sanga sun' vjetnama aŭ ĉilia!

Kun verda stelo eble iu bruto
nun pafas kontraŭ avoj en Libano;
knabinojn perfortitajn ekzekutas,
bruligas per napalmo la infanojn.

Ho ne, neniam nomu vin gefratoj
de la krimuloj kontraŭ vivo paca,
de la faŝista best' revivigata,
de predikantoj de neŭtronminaco!

Kaj ne forgesu: besto restas besto,
kaj kia estus li „samideano"?
Ni manon fratan nur al man' honesta
etendu trans landlimoj, oceanoj.

Nun nia cel' tutmonda paco estu!
Kun pacobatalantoj ni parolu,
kreskigu la indignon kaj proteston,
el ĉiuj voloj forĝu unu volon.

Kaj tiu volo, tiu forto granda
pli firme la banditojn kontraŭstaru!
Jes, tiel la ideo esperanta
reale faros servon al homaro.

(Bulgara Esperantisto 12/78)

**Robert Marian**

# La filmstelo kaj la prokrasta bombo

De nekonata kulisŝovisto li leviĝis al mondkonata filmstelo en Hollywood, kaj la sovaĝokcidenta filmo estis dum jardekoj lia metio: en sennombraj filmoj John Wayne bategis kaj pafis sin al la feliĉa finiĝo. Kun la pistolo ĉe la zono kaj la ŝerifa stelo sur la brusto de heroo li defendis juston kaj leĝon de la usona burĝaro en la sovaĝa ekranokcidento. Lia vetermarkita vizaĝo ŝajnis deveni el la bildlibro de la patriota legendo de Unuiĝintaj Ŝtatoj, lia balanciĝanta paŝado de vakero estis nemiskomprenebla fabrikmarko, kaj lia nomo garantiis plenajn kasojn al la produktistoj.

En la revofabriko John Wayne ludis ĉe la senfina rolbendo la krudmoran riskemulon kun la mola koro por allogaj virinoj, la majstran pafiston, kies ne forvaganta kuglo trafis meze en la nigran animon de brutŝtelistoj kaj fervojaj rabistoj. Li luktis kontraŭ insidaj ruĝhaŭtuloj en la amerika prerio kaj kontraŭ sinistraj „ruĝuloj" en la vjetnama ĝangalo. En li enkorpiĝis la malnova pionira sagao, de kiu la modernaj propagandistoj de la „american way of life" ankoraŭ nun diligente profitas. Kaj se sur la lastaj celuloidmetroj John Wayne escepte falis laŭ la volo de scenaristo foje ne en la brakojn de svelta vakera fianĉino, sed en tiujn de la baptano Morto, tiam li mortis, kiel decas al sovaĝokcidenta heroo – mallonge kaj preskaŭ sendolore, faligita kvazaŭ tuberplena arbo. La kruda realo aspektis alie: John Wayne mortis post pluraj operacioj, malrapide kaj turmentoplene. Dum dek kvin jaroj li konsumiĝis pro kancero de la pulmo, stomako kaj laringo. En aprilo 1979 li lastfoje montris sin al la publiko – viro ŝvelinta kaj markita de nekuracebla malsano. Du monatojn poste li estis mortinta. Usono funebris pro filmidolo.

Unu kaj duonan jarojn post sia morto la filmstelo denove trafis en la ĉefliniojn. La usona revuo „People" malkaŝis la kaŭzon de la malsano, pro kiu li mortis: Li fariĝis viktimo de la sistemo, kun kiu li identigis sin politike en la revofabriko kaj en la realo. En la kvindekaj jaroj li faris retorajn alpelantajn servojn en la kontraŭkomunista ĉasado de la senatoro McCarthy, li pledis tiam por la malvarma milito kontraŭ Sovetunio kaj poste por la varmega, kota milito en Vjetnamio. Sed la agresa politiko de altarmado, por kiu li pledis per la pezo de sia eminenta nomo, kulpis pri lia morto: John Wayne mortis pro la malfruaj sekvoj de radioaktiva infektado, kiun li havigis al si ĉe filmlaboroj en la proksimo de la usona atomtesta tereno de Nevada en la jaro 1954. Dum dek du jaroj oni provis la atoman militon en Nevada. Pli ol okdek fojojn atomfungoj leviĝis super la dezerta pejzaĝo inter 1951 kaj 1962. La 19-an de majo 1953 teknikistoj eksplodigis en tiu testvico la nuklean ŝargon „Harry". La eksplodo ne povis ne eniĝi en la historion de la usonaj nukleaj testoj kiel fatala „dirty shot" (kota pafo): La vento forpelis radioaktivan polvon al la urbeto Saint George en la najbara ŝtato Utah. Ne pli frue ol post unu horo, post kiam la vivdanĝera nubo malleviĝis sur Saint George, la oficialaj instancoj konsideris publikan averton necesa. Malmultajn semajnojn poste 4 000 ŝafoj renversiĝis mortaj sur la paŝtejoj de la ĉirkaŭaĵo. Sed al la farmistoj, kiuj provis procese postuli de la atomoficejo perdokompenson, oni rifuzis tiun senskrupule: fakuloj neis la kaŭzan interligon inter testo kaj mortado de la brutoj.

Unu jaron post la eksplodo de „Harry" Hollywood-teamo kun John Wayne faris la filmon „La konkeranto" en la dezerto de Nevada en distanco de 250 km disde la testotereno. La aktoroj kaj filmteknikisto sciis nenion pri „dirty shot". Ili devis sperti ĝiajn malfruajn sekvojn laŭ kruela maniero ĉe la propra korpo. Ĉar ne nur Wayne mortis pro kancero. El la eminentularo el Hollywood, kiu tiam ariĝis ĉirkaŭ la kamero en Nevada, la partnerino de Wayne, Susan Haywood, kaj la reĝisoro Dick Powell fariĝis viktimoj de la rampanta morto. 91 el la entute 220 kunlaborantoj de la filmo „La konkeranto" pruveble malsaniĝis pro kancero. 46 el ili ĝis nun mortis: La atombombo fariĝis morta prokrasta bombo.

La ŝoka malkaŝiĝo de la revuo „People", ke tutnacie ŝatataj filmuloj fariĝis viktimoj de nukleaj testoj, estigis multe da bruado en la usona publiko. Pri la nekonatoj kaj sennomuloj, kiuj estis radioaktive infektitaj en la ĉirkaŭo de la testotereno, oni apenaŭ parolas en la grandburĝaj amasmedioj. La komentariistoj de la opinifabrikoj prisilentas, ke laŭ oficiala raporto de kongreskomitato pluraj miloj da usonaj soldatoj estis elmetitaj al beta- kaj gama-radioj en sandanĝeriga mezuro dum nukleaj testoj. Kiun gazeton de la burĝaro afliktus la sorto de sensuspektaj civitanoj en Nevada kaj Utah, kiuj estis kaptitaj de leŭkemio kaj kancero jarojn post la nukleaj testoj? Kaj kiu ĵurnalisto en reakcia soldo memorigus okaze de la kazo John Wayne pri la tragedio de la insulanoj de Rongelap, kiuj suferas pro tiroidaj tumoroj, de post kiam la vento blovis la venenan nubon de kerneksplodo sur Bikini je la 1-a de marto 1954 sur ilian malgrandan insulon en Pacifiko?

La malkaŝiĝoj pri la morto de la eminentulo John Wayne kaŭzis sensacion. Des pli fervore la opinimanipulistoj provas bagateligi aŭ forkaŝi la alarmantan nombron da okazoj de radioaktiva infektado per usonaj atomtestoj. Ili faras tion pro nebona militpolitika motivo: Por Pentagono kaj la konzernoj kritikaj voĉoj kontraŭ antaŭaj kernarmilaj testoj ne estas konformaj al la konceptaĵo de la nuklestrategia altarmado.

950 enloĝantoj de Nevada, Utah kaj Arizona, kiuj perdis sian sanon per atomtestoj, intertempe ekprocesis pro damaĝokompensoj kun entuta sumiĝo de 2 miliardoj da dolaroj. La procesoj ankoraŭ estas farendaj. Sed parolanto de la kernarmila oficejo jam prezentis la cinikan komentarion: „Ni ne entreprenas sanitaran negocon . . ."

(El „Horizont" n-ro 3/81
trad. D-ro Karl Schulze)



*Du jaroj de sukcesa evoluo. Denove hejme festas la 35jara kamparano Som Bunseng kun siaj edzino kaj 6 infanoj.*
Foto: Zentralbild

# Kampuĉio — la helaj tagoj komenciĝis

*Ni ĉerpas el „Informilo de VPEA" (septembro 1980) jenajn du tekstojn:*

## I. Renaskiĝanta popolo

Sub ĉi titolo, reportero de Sunday Time (Britio) 31. 7. 1980 skribis:

„Revizante hodiaŭan Kampuĉion mi havas impreson penetri ĉambron de plurjara malsanulo subite superplenigita de freŝa aero. La kadavra odoro tra tiu ĉefurbo dum pasintjara terura malsato el kiu, laŭ ĝenerala opinio, malfacile transvivus la kampuĉa popolo, nun formalaperis. La nombro de tiuj, kiuj fidas al nacia estonteco pli kaj pli kreskas.

Multe da ŝanĝiĝoj. Lastan januaron mi vidis mizeron stampitan sur ĉies vizaĝo. Maldikaj korpoj vagis kvazaŭ fantomoj serĉante la perditajn parencojn aŭ iom da manĝaĵo. Penetrante la kabanaĉojn de vilaĝanoj, oni vidis malsanajn kaj malsatajn infanojn. Kvin milionoj da loĝantoj transvivinte el Polpot genocida reĝimo perdis ĉion: laboron, loĝejon, familion, teron postlasitajn de prapatroj en la sovaĝaj klopodoj de Polpot por starigi novan societon.

Eĉ la naturo estas detruita. Nur senkulturigitaj kampoj, dezertaj urboj kaj vilaĝoj. Rivero Mekongo kiu alportis vivon al Kampuĉio verŝajne premigas je griza fluo.

Hodiaŭ la kampoj verdiĝas. Abunda Mekongo ruĝiĝas per aluvio. En multaj regionoj de provinco Kom-pong-Ĉam, akvumitaj de Mekongo kaj ĝiaj alfluantoj, la verdaj kampoj novekulturitaj sin etendas ĝis horizonto. La tieaj vilaĝanoj jam rikoltis la fruan majan rizon. Ili kredas ricevi pli abundan rikolton de la decembra rizo al tiu atendota de okcidentaj reprezentantoj de diversaj helporganizaĵoj. Estas notinde ke tio ne dependis al hidrolika sistemo de kanaloj fositaj nur per manoj de altruditaj laboruloj. Miloj kaj miloj da laborsklavoj formortis pro turmentita lacego. Tiuj kanaloj fositaj laŭ neniu tekniko baldaŭ ruiniĝis. Polpot deziris starigi unikan kampuĉan civilizon pli „grandioza" ol Angkoro, sed Polpot fordetruis la landon!

La nacia renaskiĝo estas pli okulfrapa en Pnompena bazaro ol nenie. Pasintjare ĝi mortis sed ĉi-jaran printempon la registaro ĝin malfermis permesante la reviviĝon de komerco kun la recirkulado de rielo (nacia monero) kiun brutale fordetruis Polpot.

Hodiaŭ la bazaro estas plena da homoj kaj varoj.

La ĉefurba loĝantaro tute elpelita de Polpot-kliko en 1975 nun nombras duonmilionon. Ĉiutage malfermiĝas novaj butikoj.

La loĝantoj kun rideto manpremas la fremdlandanojn kaj ne kiel antaŭe rigardis ilin malfide."

## II. Pli bone, sed ankoraŭ malforte

Theodore M. Hesburgh skribis inter alie en „Los Angeles Times" (Usono) 1. 9. 1980:

„Mi venis al Kampuĉio lastmonate, al tiu lando preskaŭ detruita dum 10 pasintaj jaroj pro milito, genocido kaj malsato. Mi venis por propraokule rigardi atingaĵojn de la internaciaj helporganizaĵoj, kiuj strebas dum 10 longaj monatoj por savi 5 milionojn da transvivantoj kaj alprezi ĉu tiuj klopodoj vere helpas al kampuĉoj antaŭeniri sur la vojo de renaskiĝo.

. . . Antaŭ nur 7 monatoj Kampuĉio estas elĉerpigita, ĝiaj loĝantoj mortiĝintaj, la transvivantoj terure vunditaj. Milionoj da homoj mortis pro milito, malsato, malsano kaj pro genocida reĝimo de Polpot.

Hodiaŭ, la farto de Kampuĉio pliboniĝas. La popolo havas sufiĉe da nutraĵo por forigi la malsaton, semojn por esperi al bonaj rikoltoj. Ĉisemajne miliono de kampuĉoj iros al lernejo kun lernolibroj kaj lerniloj donacitaj de helporganizaĵoj. Sed preskaŭ ĉiuj komencas la unuan klason sendepende de sia aĝo ĉar sub la reĝimo de Polpot ne ekzistis lernejoj.

Dum mia restado mi vidis multajn jus naskitojn. Tutcerte estas signo por kampuĉoj pri espero al pli hela estonteco ol dekjara pasinteco."

# Recenzo

*Vu Kan kaj Hoang Nguyen, K a m p u ĉ i o – La nigraj jaroj; Eldon. periodaĵo „Vjetnama Kuriero" kaj Vjetnama Pacdefenda Esperantista Asocio. Hanojo 1979, 153 p., 21 ilustr.*

La vjetnamaj esperantistoj, mirigintaj la mondan esperantistaron per vigla eldon-agado dum la malfacilaj jaroj de la liberigaj bataloj kontraŭ la francaj kaj usonaj imperiistoj, silentis de post la venko, evidente koncentrante siajn fortojn al la rekonstruado de la patrio. Nun denove ili prezentas Esperanto-libron, donante klarigon pri la kialo tuj en la antaŭparolo: Ĉar flanke de Ĉinio la internacia lingvo Esperanto – lingvo de paco kaj interhoma frateco – estas misuzita por disvastigi erarigajn asertojn subtene al la venkita kampuĉa reĝimo de Pol Pot kaj Ieng Sary kaj defende al ties krimoj, la vjetnamaj esperantistoj sentas sia devo uzi Esperanton por diri la veron pri tiu reĝimo, pri la situacio necesiganta ĝian perfortan renversonkaj pri la sekvoj el ĝiaj krimaj agoj.

La libro konsistas el du partoj, nome el la raporto de la ĵurnalisto kaj esperantisto Vu Kan[1]) pri liaj spertoj kaj impresoj dum vojaĝo tra Kampuĉio kun internacia ĵurnalista grupo, kaj el la raporto de la juristo Hoang Nguyen pri la proceso de Pnompeno kontraŭ la kontumacaj krimuloj Pol Pot kaj Ieng Sary.

La unua parto distingiĝas antaŭ ĉio per la fakto, ke Vu Kan ne nur rakontas siajn travivaĵojn kaj observojn per propraj vortoj, sed paroligas atestantojn transvivintajn la „nigrajn jarojn" de la renversita reĝimo. Kelkaj el tiuj atestantoj estas montritaj per fotoj aldonitaj al la libro. Per la rekta prezentado de tiuj depozicioj la raporto akiras grandan viglecon kaj aŭtentikecon. Ankaŭ en la dua parto la propraj opinio kaj vortoj de la raportanta juristo Hoang Nguyen tute cedas laŭ amplekso kaj graveco antaŭ la pruvitaj kaj nerefuteblaj konstatoj, kiuj troviĝas en la komplete aldonita juĝo de la Revolucia Popola Tribunalo, kiu de la 15-a ĝis la 19-a de aŭgusto 1979 esploris en Pnompeno la faktaron laŭ la validaj proceduraj reguloj kaj surbaze de la juraj disponoj de la Ĝeneva Konvencio de 1948 pri genocido kaj de la ĉi-koncernaj dekretoj de la Revolucia Popola Konsilio de Kampuĉio.

La bildo pri la okazintaĵoj rezultanta el ambaŭ partoj estas tiom terura kaj animskua, ke la leganto inklinus pridubi ĝian verecon kaj realecon, se ne estus

[1]) Vu Kan iam estis speciala korespondanto de „Berliner Zeitung".

la menciitaj atestoj de transvivintoj kaj la tribunalaj konstatoj. Kaj jen kelkaj el la prezentitaj faktoj: 3 milionoj da loĝantoj (= 40 % de la tuta loĝantaro) estis mortigitaj rekte aŭ sekve de torturoj aŭ malbonaj vivkondiĉoj; la loĝantaro de Pnompeno kaj de aliaj grandaj urboj, senescepte kaj senpruve rigardita kiel malamika al la reĝimo, estis evakuita al foraj kamparaj regionoj; la loĝantaro de tutaj provincoj suspektitaj pri nelojaleco al la reĝimo estis forpelita al malproksimaj partoj de la lando; la tiamaniere senhejmigitaj kaj intermiksitaj popolamasoj estis organizitaj en tiel nomataj „popolkomunumoj" laŭ ĉina modelo, ĉe kio viroj kaj virinoj estis dise grupigitaj senkonsidere al familiaj interligoj; la nutrado de tiuj amasoj senradikiĝintaj kaj senkompate devigitaj al streĉaj laboroj estis absolute nesufiĉa kaj konsistis pleje nur el maldensa rizosupo; intence ekstermitaj estis la oficiroj, soldatoj kaj oficistoj de la antaŭa registaro de Lon Nol, krome ĉiuj sciencistoj, instruistoj, kuracistoj kaj aliaj intelektuloj, kiuj havis la ŝancon transvivi nur, se ili kaŝis sian identecon; aboliciitaj estis mono, lernejoj, medicinaj servoj; la industrio estis malcentralizita kaj tenita sur la nivelo de kamparaj kaj urbaj popolkomunumoj.
Eksciante tiujn kaj multajn pliajn faktojn kaj pripensante la sekvojn el tiu plurjara sistema malorganizado de la socia vivo, el la detruo de ĉiuj ekonomiaj, familiaj, religiaj ktp. strukturoj, oni bone komprenas la enormajn malfacilaĵojn, kiujn la Revolucia Popola Konsilio de Kampuĉio kaj la subtenantaj ĝin progresemaj fortoj devas venki por forigi el la lando la malsaton kaj por iom post iom rekonstrui novan socion garantiantan por ĉiuj vivindan vivon.
Kaj oni konsciiĝas pri la neceso de internacia helpo kaj solidareco. Sed samtempe oni klare ekkonas, kian abomenindan rolon ludas tiuj imperiismaj fortoj kaj iliaj ĉinaj helpantoj, kiuj ne hontas respondecigi la nunan revolucian registaron de Kampuĉio pri la sekvoj el la krimoj de Pol Pot kaj Ieng Sary.
La politika kaj informa graveco de la libro preskaŭ ŝajnigas lingvajn rimarkojn nekonvenaj. Sed certe la vjetnamaj amikoj ekkonas la helpan intencon de tiaj rimarkoj. Laŭ la opinio de la recenzinto malgrandaj lingvaj mankoj troviĝas antaŭ ĉio en evidenta necerteco ĉe la apliko de la tempoj, precipe de la relativaj tempoj, en la troa uzo de kunmetitaj verboformoj, inter tiuj la troa, kelkfoje nekomprenebla kaj eĉ erariga uzo de la ont kaj ot-formoj kaj en la uzo de nekutimaj vortoj (ekz. mortevitintoj, servigi, hejmilo, feroca, fuzkuglo, enuklei, refektorio, prebendo, pletora, depravacio). Sed cetere la lingvaĵo estas flua kaj bone komprenebla, kaj la menciitaj mankoj tute ne influas la legeblon kaj legindecon de ĉi tiu valora publicaĵo.

D-ro Karl Schulze

*En n-ro 4/80 de la hungarlingva revuo „Világ es Nyelv" ni trovas interesan artikolon pri Kampuĉia esperantisto. Jen la esperantlingva resumo:*

**András Lukács:**

## De la Budapeŝta Universitato al la ĝangala kampadejo

Long Visalo estas kampuĉia diplomato, kiu fariĝis esperantisto en Hungario. Li pasigis multajn jarojn en nia patrio, inter 1968 kaj 1974, lernante en la Teknika Universitato. Dum siaj studjaroj li konatiĝis kun E-o kaj alproprigis al si la Internacian Lingvon. Post lia reveno al Kampuĉio, la Pol Pot reĝimo igis lin labori en ĝangala kampadejo, ĉar ĝi estus volinta neniigi ĉiun kulturitan homon; ĉar „karaktertrajto" de la kleruloj estas, ke ili pensadas, kaj la pensantaj homoj danĝerigas malhumanajn reĝimojn ... Post la liberiĝo de Kampuĉio, Long Visalo eklaboris kiel funkciulo en la Ministerio pri Eksterlandaj Aferoj. Kampuĉio havas la samajn ekonomiajn kaj lingvajn problemojn, kiel la aliaj evoluantaj landoj de la tria mondo. Tial – opinias Long Visalo – E-o havus grandan signifon ankaŭ en lia lando, dum la luktado kontraŭ la novkoloniigo, kaj pri tio li klopodas kaj klopodos konvinki siajn samlandanojn. Iom post iom organiziĝos en Kampuĉio ankaŭ la E-o movado. Nobla tasko de la esperantistoj de la mondo estus konatigi vaste, pere de la E-a gazetaro, la heroan landkonstruan laboron de la Kampuĉia popolo.

(laŭ „Budapeŝta Informilo" 6/80)

## Horizonto de Soveta Litovio n-ro 5

1980 aperis la kvina kajero de tiu interesa periodaĵo, eldonata de la Litova Filio de ASE. Sur 50 paĝoj ni trovas interesajn artikolojn pri 40-jara Soveta Litovio, pri la rilato de Lenin al Litovio, ni trovas litovan beletron en Esperanta traduko kaj ankaŭ esperantologian kontribuon de A. Vaitilavičius pri „Ortografio de propraj nomoj", neelĉerpebla temo.

**Heinz Knobloch**

## Tio, kio valoras

La angla literaturhistoriisto, profesoro Crock, elkalkulis per granda diligenteco kaj kalkulmaŝino, ke la aktoro de Hamlet devas deklami sume 1569 versliniojn. Rilate al aliaj figuroj de Shakespeare la afero estas tiel, ke al Richard IIa apartenas 1169 kaj al Othello 888 verslinioj.
Temas ĉi tie evidente pri fundamenta eltrovaĵo, kiu nur nun kaj entute, ebligas nin kompreni ĝuste la dramverkiston Shakespeare. Ekzemple Goethe aŭ Lessing aŭ Heine, kiuj ne sciis, ke Othello parolas ekzakte 888 versliniojn, ne estis kapablaj peri al ni ampleksan bildon pri Shakespeare.
Baze de la eltrovaĵo de profesoro Crock oni povus imagi, ke ekestas nova literatur-historia movado, en kiu oni faris vetojn rilate al la unuopaj scenejaj herooj por poste kalkuli komune la liniojn. Ekzemple ĉe Macbeth pli ol dudek personoj povus partopreni. Oni ankaŭ devas atentigi pri la tempoŝparaĵo; ĉar nun ne necesas legi la dramon entute por konstati, ke la laboro de Lady Macbeth estas finita post 261 linioj. Sufiĉas jam rigardo al la unua vorto de ĉiu linio.
Multaj esperplenaj gejunuloj en Anglio povos atingi per tio profesoran katedron, se ili konscience kalkulas, kiom ofte la aktoro de Hamlet, parolante 1569 liniojn, devas spiri, kiom da tempo necesas elparoli ĉi tiujn 1569 liniojn, kun aŭ sen akcento, kaj ĉu poste Sir Laurence Olivier fariĝos Eŭropo-ĉampiono kaj tiel ... Estonte oni ja ankaŭ devos kalkuli la gaĝojn por la geaktoroj sur la bazo de linionombro, ĉar estas kompreneble, ke Othello por siaj 888 linioj devas salajri la duoblan kompare al Desdemona, kiu laŭ profesoro Crock estas aŭdebla nur per 389 linioj; sed kontraste kun tio, oni memkompreneble envicigu Kleopatra-n por 600 linioj en la pli altan salajrogrupon.
Efektive la Julia de Romeo, parolanta 97 liniojn, staras tute malsupre, laŭ profesoro Crock. Sed 97 linioj sufiĉas por aktori. Per sume 97 linioj ŝi malkovras al ni siajn feliĉon kaj tragikon tiamaniere, ke ni komprenas ŝin kaj kunsentas kun ŝi trans jarcentojn, kaj ni scias ĉion pri ŝi.
Sen la eltrovaĵo de la angla profesoro ni neniam ekkaptis la ideon, ke oni nepre ne devas multe paroli, por esprimi multe.

(Esperantigis Hans Buth)

Julius Balbin

# Mauthausen

**Ĉepinte**
**kaj**
**laŭdeklive**
**de**
**altgermana**
**gemuto[1])**
**pedikoj kvazaŭ termitoj**
**diligente**
**kaj**
**laboreme**
**fosas**
**en sennombraj korpoj**
**monumenton**
**al**
**la Miljara Regno.**
**Striitaj ĉifonoj**
**pendas loze**
**de kavernaj kadavraj**
**korpoj**
**melbenitaj**
**de**
**nasko**
**aŭ**
**de**
**blinda hazardo**
**dum ili**
**ŝvitkovritaj**
**silente**
**fosas**
**en la senfina**
**ŝtonminejo**
**sufokate**
**de**
**la ridetanta suno.**
**Multegaj pliaj**
**jam estas ekspeditaj**
**al jenseits[2])**
**Iliaj senlumaj okulkavoj**
**jam ekvidis**
**la indiferentan**
**Dion**
**Iliaj sensangaj lipoj**
**jam ekflustris**
**neniu scias kion**
**al la postlasitoj**
**antaŭ ol eksori**
**ĉielen**
**kun kriĉantaj fumoj**
**de**
**la krematorio.**

[1]) Germane: Gemütlichkeit, gemuta = gemütlich, neologismo por „Komforte familia, hejmeca"
[2]) jenseits (germane) – transe, transmonde

La praktika evoluo de Esperanto, en apliko al konkretaj facetoj de la socio en la ĉiutaga vivo, estas la plej grava atingo de la nuna Esperanto-Movado. En ĉi tiuj taskoj de la esperantistaro estas menciinda la laboro de Mondpaca Esperantista Movado. La Esperanto-Movado havas nenian signifon nek valoron, se ĝi ne estas aplikata por plibonigo de la homa vivo. En ĉi tiu tasko, feliĉigi la homon, kiel eble plej multe, la paco, la vera paco havas la plej grandan prioritaton. Sen paco la mondo havas nenian celon kaj Esperanto fariĝus unu el la plej grandaj vanaĵoj. Do, labori por la paco, por digna paco, estas la unua tasko de ĉiu, kiu sin nomas esperantisto.

esperiga. Sed ĝuste ĉi tiu situacio estas, kiu instigas nin al plua laborado. La estonta disvolviĝo de la demokratio en nia lando estos fundamenta bazo por sukcesigi niajn strebojn. Se la hispana popolo kaj la progresema intelektularo ne kapablas establi pli demokratan reĝimon ol la nun ekzistantan, niaj klopodoj por progresigi nian porpacan Asocion estos grave bremsitaj malgraŭ ĉiuj niaj laboroj. Eĉ la ĝenerala progresado de Esperanto ankaŭ ne estos kontentiga.
Do, antaŭ ni troviĝas du gravaj taskoj: *La unua,* disvastigi Esperanton en ĉiuj laboristaj medioj kaj altiri la atenton de la progresema intelektularo. Ni devas

Luis Serrano Pèrez

# Kun pacamika saluto el Hispanujo

Mondpaca Esperantista Movado, iom post iom etendiĝas tra la tuta mondo. Al tiu alvoko la hispanaj progresemaj esperantistoj ne povis resti surdaj nek mutaj. Kiam la enlandaj politikaj kondiĉoj permesis labori – nekaŝite, areto da hispanaj demokrataj esperantistoj entreprenis la taskon starigi Hispanan MEM-Sekcion. Tiu deziro efektiviĝis en 1978. Tamen la pacamikoj hispanaj ne kontentiĝis kun la starigo de Sekcio. Estis necese ĝin oficialigi. Estis necese ke la altaj instancoj hispanaj rekonu la bezonon de pacmovado kaj la taŭgecon de Esperanto en ĉi tiuj taskoj. La 16-an de januaro 1980 la Statuto prezentita al la koncernaj aŭtoritatoj estis aprobita. Ĝi validas por la tuta lando. Intervenis en ĉi tiu decido la Provincestro de Barcelona, la Ministerio pri Kulturo kaj la Ministerio pri Interna Politiko. El tiu Statuto permesu al mi mencii la jenan paragrafon, kiu troviĝas en la dua regulo: „*... diskonigi la bezonon, altrudi kaj enradikigi al ĉiuj personoj la deziron de paco kaj reciproka interkompreno kaj amikeco inter ĉiuj popoloj, por kies celo oni utiligos la Internacian Lingvon Esperanto.*"
Estas evidente, ke ĉi tio nur estas la unua paŝo. Ni metis la fundamenton. Nun oni bezonas konstrui la domon, kaj ĉi tiu tasko bezonas ĉiujn niajn fortojn. La nuna malforta hispana E-Movado konsistas el homoj, kiuj lernis Esperanton por amikeca korespondado, sen alia konkreta celo. Laborista Esperantista Movado ne ekzistas en Hispanujo. La progresema intelektularo ĝis nun absolute ne interesiĝis pri Esperanto. Se al tio ni aldonas, ke en Hispanujo ekzistas neniu progresema organizaĵo pripaca, la panoramo antaŭ ni ne prezentiĝas tre montri al la sindikatoj kaj laboristaj politikaj organizaĵoj, la efikecon de Esperanto en la internaciaj rilatoj kaj la grandan avantaĝon de la Internacia Lingvo en la eduko kaj kulturo de la laboristaro. Neceses forigi por ĉiam la monopolon, kiun ĉiam regis la burĝaro en la lingva tereno. Konkrete, nia hodiaŭa laboro estas pretigi la grundon kaj semadi, por ke estonte oni povu fieri pri bona rikolto. La *dua tasko* estas: Daŭre kaj persiste labori en la vicoj de la nunaj esperantistoj. Konvinki niajn gesamideanojn pri la bezono de paca kunvivado, komprenigi al ili, ke neniu povas resti for de ĉi tiu grava problemo, kiu estas la paco, eĉ se tion ili deziras.
Aparte ĝojigas nin la fakto, ke la hispanaj instancoj akceptis la nomon „Antón Balagué". La nomo de nia samlanda kamarado ekde nun troviĝas en oficialaj dokumentoj, kiel homo batalinta por la paco kaj libero de Hispanujo. Neniu povos utiligi nian Asocion por aliaj celoj, kiuj ne estos tiuj sur kiuj fondiĝis MEM. La nomo „Antón Balagué" difinas klare kaj konkrete pri kia paco ni batalas kaj kio estas la kerno de Hispana Esperantista Asocio „Antón Balagué".
Estas eksterordinara plezuro por ni saluti la kamaradojn de Germana Demokratia Respubliko kaj desur ĉi tiuj paĝoj de „Paco" saluti ankaŭ al ĉiuj MEM-Sekcioj. Ni espere batalas, por ke la suferanta hispana popolo iam atingu sian propran liberon kaj ĉiuj kunkune, ni konstruu mondon feliĉan, justan kaj sen militoj.

Luis Serrano Pèrez estas prezidanto de Hispana Esperantista Asocio „Antón Balagué"

# La tria lingvo de la skolto (esploristo) Nikolao Kuznecov

**Aleksandro Ĥarkovskij**

Inter la eksponatoj de la regiona muzeo en Talica (Uralo) estas du jam flaviĝintaj pro longa tempo libretoj – E-rusa lernolibro kaj E-rusa konversacilibro, apartenintaj al la jam legenda skolto, Heroo de Sovetunio, N. I. Kuznecov. La gardistino (protektantino) de la muzeo, iama samklasanino de la heroo, atestas, ke N. I. studis Esperanton jam de sia 14jariĝo. Kuznecov senriproĉe parolis germane, grandan rolon por tiu ekrego havis E., kiun N. I. Kuznecov ankaŭ regis plene.

Moskva ĵurnalo Sovetskaja Rossija, 14. 6. 1976:

Antaŭnelonge printempe mi ripozis en la kaŭkazia turisma bazo Donbajo. Kune kun ni estis gastoj el FRG. Dum la unuaj tagoj ni preskaŭ ne kontaktis, ĉar ne posedis la lingvojn. Tamen unu vesperon, kiam mi surmetis jakon kun verda stelo, min alparolis alta ankoraŭ fortika oldulo en Esperanto.

– Mi bedaŭras, ke mi nur hodiaŭ eksciis pri via esperantisteco.

Mi ne rapidis respondi al la nekonata homo, kiu laŭaĝe, eble batalis dum la lasta milito kontraŭ nia popolo.

– Ĉu vi la unuan fojon vizitis Kaŭkazion?

– Ne, jam la duan – oni militkaptis min en ĉi tiuj lokoj kaj mi multon ekkonsciis estinte militkaptito. – Post paŭzo li daŭrigis.

– Mi supozas, pri kio vi nun pensas: dum la milito ni ja malamikis ...

– La germanoj ekstermis en Odeso nian tutan familion, ĉar ili estis judoj.

– Jen vi diras – germanoj, – sopirĝemis la oldulo. – Tamen ne ĉiuj ili kondutis kruele. Mi konis unu germanon – leŭtenanto Paŭl – kiu helpadis al vi jam en 1942, dum Hitler ankoraŭ ofensivis, kaj sukcese.

Kaj la oldulo komencis sian rakonton:

– En la jaro 1942 mi militservis en unu malgranda ukrainia urbeto, kies nomon mi nun ne memoras. Mi estis skribisto ĉe la oficejo, kiu organizis baton kontraŭ partizanoj. Mi ne volas mensogi, ke jam en tiuj tempoj mi ne kredis al Hitler, tamen por mi estis abomenaj diversaj naciistoj kaj perfiduloj, kiuj sin kaŝis inter partizanoj por poste transdoni ilin en la manojn de la polico. Rakonti kion la okupantoj faris kun viaj batalantoj estas superflue, ĉar vi ĉion scias mem.

Mi ne scias pro kio, eble pro tio, ke nazioj ne sukcesis mortigi la homecon en mi, mi ne povis observi, kiel oni turmentadas viajn geknabojn, mi volonte perfidus tiujn perfidulojn, kiuj kaŭzis la turmentojn por ke oni punu la fiulojn, tamen al kiu diri? ...

Profunde malĝoja, mi volis forgesi pri ĉio kaj vizitadis vesperan restoracion, kie mi malmemorigis min per alkoholaĵo. Tiel drinkante, mi rimarkis, ke min observadis iu leŭtenanto. Tio estis Paŭl.

Unufoje li eksidis ĉe mi, mendis konjakon kaj tintante per pokaletoj sin esprimis latine:

– In vino veritas (En vino estas vero).

Nesciante la lingvon, mi respondis en simila al ĝi Esperanto:

– Drinku, drinku, tamen menson ne fordrinku.

– Ho, vi regas la noblan latinon! – ĝoje diris la leŭtenanto. Ĉu mi povas praktiki kun vi en tiu lingvo?

Verdire, mi ektimis. Hitler anatemis Esperanton en sia „Mein Kampf" kaj Bormann per speciala cirkulero malpermesis ĝian uzadon por la membroj de la nazia partio, al kiu apartenis ankaŭ mi. Tamen Paŭl ekplaĉis al mi. Krom tio ni parolis ne la malpermesitan Esperanton – ni konversaciis la „noblan latinon" – se iu akuzus min, mi ninpravigos, ke simple misparolis lingvon anstataŭ la alian, similan aŭ, ke la fiuloj esperantistoj lernigis al mi sian lingvaĉon, nominte ĝin latino.

Tiel aŭ aliel, ni renkontiĝadis kaj paroladis kun Paŭl post tio ĉiuvespere. Li konfesigis min al si kaj mi, ŝajnigante min ebria, kvazaŭ nevole disbabiladis al li sekretojn de la polico. Unufoje post simila konversacio enigme malaperis unu provokanto, kiun germanoj kaŝigis inter partizanoj. Baldaŭ li estis mortekzekutita laŭ decido de gerila juĝaro.

Tiamaniere mi multon elbabilis al Paŭl kaj miaj vortoj efikis, ĉar ili trafis la celon.

– Kaj kio okazis poste? – demandis mi.

– Al iu niaj paroloj iĝis suspektindaj: kiamaniere mi, homo, fininta nur tri klasojn en mezlernejo, tiom flue min esprimas „latine"? Tamen baldaŭ niaj renkontiĝoj ĉesis, ĉar Paŭlo ien malaperis kaj min oni forsendis al la batalfronto. Apud Novorosijsko en Kaŭkazio mi kapitulaciis ...

– Kaj kion vi pensas pri Paŭl?

– Sendube li estis germana oficiro, servinta kiel sovetia skolto. Li multe vojaĝis, ofte sidis en restoracio por kolekti informadon de ebriaj oficiroj, tamen kiam mi ekvolis informiĝi, ke li militservas, tion fari mi ne sukcesis ... Tamen ĉefa pruvo: miaj vortoj atingis la partizanojn kaj efikis. Ĉu vi konstatas, ke tiel povis konduti sin nur sovetia agento?

– Jes, vi pravas. Tamen, ĉu vi certas, ke li efektive estis germano?

Mia kunparolinto ekstumblis kaj riproĉige balancinte la kapon diris:

– Juna homo, ĉu vi eĉ por momento povas pensi, ke mi ne distingos ruson disde germano? Kiam mia samnaciano nur malfermas buŝon, mi tuj povas diri el kiu parto de Germanujo li devenas. Kaj Paŭl estis mia samprovincano: same kiel mi li naskiĝis en Orienta Prusio. Mi tion tuj komprenis laŭ lia prusa prononco. Ŝajnas tio proksimigis min al li kaj klinis al konfesoj.

Kaj denove kun riproĉo skuinte la kapon, li aliĝis al sia turisma grupo. Sekvatage la germanoj forveturis. Tamen, akompaninte ilin, mi daŭris pensi pri la oldula rakonto. Mensogis li: multaj iamaj faŝistoj ŝajnigas, kvazaŭ ili ankaŭ batalis kontraŭ Hitler ... Tamen, pro kio mensogi, se ni neniam renkontiĝos plu? ... Tamen, pro kio ne povis ekzisti skolto-kontraŭfaŝisto, kiu uzis la lingvon internacian? Oni devas esplori la aferon. Kaj mi decidis klarigi ĝin, komence por mi mem.

Por komenco oni devis ekscii, kiu inter sovetiaj skoltoj (ĉu germano, ĉu ruso?) parolis kun klara prusa prononco germane. Mi mergiĝis en detektivan literaturon. Unufoje miaj okuloj haltis super rakonto pri fama heroo Nikolao Kuznecov, pli precize – pri lia vizito al gaŭlajtero (Gauleiter) de Ukrainio kaj Oriento Prusujo Eriĥ Koĥ. Estis la 31a de majo 1943. Kun gaŭlajter parolas leŭtenanto de germana armeo. Li havas ordonon mortpafi Eriĥ Koĥ. Tamen kiel fari, se li ne povas preni el la poŝo eĉ naztukon, ne parolante jam pri pistolo: kvin gardistoj senĉese observadas lin, ne nombrante du gardhundegojn ĉepiede de gaŭlajtero. Kion do fari? Eble iel aliel utiligi la viziton al grava persono – akiri informojn por soveta armeo?

– Herr gaŭlajter, mi ege zorgas pri la

proksima sorto de mia kara naskiĝlando Orienta Prusujo. Rusaj porkoj jam staras ĉelime.

– Jes, kara samprovincano Paŭl – mi rekonis laŭ via prononco, ke vi naskiĝis en Prusujo same kiel mi – bedaŭrinde, la rusoj alvenis tro proksimen. Tamen, vi ja ne maltrankviliĝu: Hitler konfesis al mi tute sekrete, ke baldaŭ apud Kursk ni rompos la vertebraron de la rusa Ivano.

– Tamen rusaj tankoj, – daŭrigis la ludon Kuznecov. – Niaj obusoj ne traos ilian ŝtalon.

– Apud Kursk ni la unuan fojon uzos sekretajn armilojn – „Tigrojn" kaj „Panterojn". Kontraŭ ili ne ekzistas defendo. Ni, prusoj, estas nevenkeblaj...

El la kabineto de Kofi Kuznecov aperis ekscitita. Sekreta informo samvespere atingis Moskvon kaj la supera militestraro alte taksis la informon...

Tiu epizodo ekinteresis min pro kelkaj kaŭzoj. Kuznecov parolis kun prusa prononco, agis en Ukrainio kaj sin kaŝis sub la nomo Paŭl, jes, Paŭl Wilhelm Zibert. Multaj koincidoj. Mankis ankoraŭ unu, grava, ke li ankaŭ flue parolis Esperante. En libroj pri la fama skolto mi ne trovis aludon pri lia esperantisteco. Do, ne pri li rakontis mia hazarda renkontinto? Ĉu ĉesi la serĉon ĉi-direkte? Tamen en la historio de Kuznecov min, homo lingvema, jam interesis la fakto: kiel rusa homo, neniam loĝinta en Germanio, tiom ekposedis ĝian lingvon, ke la germanoj opiniis lin samnaciano? Varmigis min ankaŭ penso, ke divenante la enigmon, mi eble malkovras lian esperantistecon – multaj samideanoj penas ankaŭ plene regi almenaŭ unu fremdan lingvon.

Mi enprofundiĝis en la biografion de N. Kuznecov... Unuaj jaroj post Oktobra revolucio. Knabo Niko, ruse – Kolja studis en Talica apud Sverdlovsko (Uralo). La germanan lingvon en Talica lernejo instruis N. A. Aŭtokratova, kiu mem studis ĝin en Svisujo. Kolja tiom ekŝatis la lingvon, ke li praktikadis ĝin ankaŭ post lernohoroj kun aŭstro-apotekisto kaj ankaŭ kun germano, iama militkaptito, instruinta en la lernejo labormetodojn. Jam poste, loĝante en Sverdlovsk kaj laborante en uzino, li perfektigis la lingvon kun fakuloj el Germanio.

– Tiun lingvon ni ankoraŭ bezonos, – diradis Kuznecov, – en Germanio levas sian kapon faŝismo kaj faŝismo estas milito, milito kontraŭ USSR.

Min interesis, ĉu lingvemulo kiel Kuznecov povis preteriri la lingvon internacian tiom disvastigitan en nia lando dum la 20aj–30aj jaroj? Ne, ne povis, respondas en sia nova libro „Skolto Kuznecov" lia frato Viktor Ivanoviĉ. Li mencias, ke kiel junulo Nikolao pasiis pri Esperanto. Tamen, ĉu li parolis, kaj eĉ – flue, pri tio la libro silentas.

Kiel ofte okazas, pri unu enigmo pensas paralele kelkaj homoj. Aktivuloj el Tjumena universitato (Uralo), leginte la saman libron – iliaj nomoj estas V. Opletajev kaj A. Kalaŝnikov – decidis malkovri, kian rolon havis Esperanto por la internacia edukado de Kuznecov, spuris lian vivvojon, despli ke Kuznecov studis en Tjumeno same en tiuj jaroj, kiam li okupiĝis pri Esperanto.

Tamen ili faris ĉion, paŝon post paŝo vizitis Talica, poste Sverdlovsk, serĉante atestantojn de la juneco de Kuznecov. Kaj sukcesis – samklasano de la heroo ekmemoris, ke en ilia lernejo estis E-rondeto, gvidata de Suetin, en kiu la plej diligenta estis same Nikolao. Kaj en dediĉita al la skolto muzeo en Sverdlovsk ili trovis materian pruvon pri tiu aserto: lernolibron de Esperanto, sur kies kovrilo tekstis „Al kamarado Kuznecov – por ellerni kun rondetanoj". Frato de heroo klarigis, ke la libron por la muzeo donacis Georgo Nikolajeviĉ Besednin, ĵurnalisto, instruanta Esperanton en Tjumeno, 1926.

– Okazis tio aŭtune en 1926, – rakontis Besednin al Oplatejev kaj Kalaŝnikov. – Venis al „ruĝa anguleto" en nia uzino nigrookula junulo en uniformo. Li prezentis sin kiel studento de la tjumena agrikultura teknikumo, Nikolao Kuznecov. Tiutempe li jam plene regis Esperanton, mirigante nin per kapablo uzi eĉ la plej komplikajn frazojn. Li bone recitis versaĵojn kaj muzikis harmonikon, allogante tiel homojn.

Esperanto ne estis por li portempa hobio, la ideo obsedis lin por la tuta vivo. Mi memoras, ke en 1927, okaze de la Xa jubileo de ruĝa Oktobro li tenis inter la rondetanoj sloganon en Esperanto „Proletoj el ĉiuj landoj, unuiĝu!" kaj tiel demonstraciis...

Finante la eseon, la aŭtoro supozas, ke same Kuznecov estis tiu „germano", pri kiu mi ekaŭdis en Dombaj. Tamen, ĉu certe? Eble ekzistis aliaj skoltoj, rusoj, germanoj, alinacianoj, kiuj uzis Esperanton en la batalo kontraŭ faŝismo. Pri tio – reeĥu niaj eŭropaj, unuavice la germanaj samideanoj. Serĉu aliajn, jam forgesitajn batalantojn, kiuj uzis nian internacian armilon, la lingvon, kontraŭ reĝimo de Hitler same, kiel faris tion la esperantisto-heroo N. Kuznecov.

# Recenzo

*Mia Kredo. Karl Marks kun Pritrakto de Frederik Engels. Eldonis Esperanto Editions, Hastings, 74 Saxon Road, Anglio, 1980. Paĝoj 15 de postkarta formato. Broŝurita, pogranda prezo 35 ang. pencoj.*

La tekston redaktis Frank Maitland, tradukis Edward Ockey.

La verketo volas doni en ekstreme konciza formo la esencon de marksismo laŭ vortoj de Marks kaj Engels. La aŭtoro Frank Maitland diras en la fina frazo de sia antaŭparolo: „Ni esperas, ke ni fidinde donis veran kaj precizan prezenton de la opinioj de Marks kaj Engels pri la materiisma doktrino de la historio, la kerno kaj radiko de tio, kion oni nun nomas la marksismon."

La unua parto „Karl Marks" citas el la „Enkonduko" al „Kontribuo al la kritiko de la politika ekonomio" el januaro 1859. La dua parto „Frederik Engels" citas el leteroj al Josef Blok el la 21. sept. 1890, al Konrad Schmidt el la 27. okt. 1890, al Franz Mehring el la 14. jul. 1893 kaj al Heinz Starkenburg el la 25. jan. 1894. La verketo donas konforme al sia amplekso koncizan imagon pri la historia materialismo. La lingvaĵo estas senriproĉa kaj ne troveblas preseraroj. Havebla ĉe CLE: 1 marko.

Jiři Kořinek

---

George Topirceanu (1886–1937)

# La balado de l' korvoj

Malgajaj, kun ungegoj akraj,
Kun nigra beko, kvazaŭ spad',
Ĝissate estis ni manĝantaj
El la festen' de la Buĉad'.
Kun patriotoj al parado,
Miksitaj al la venkobal',
Amase iras ni sur strato, –
Sed ni ne iras al batal'!

Kiam plorĝemas batalkampo,
Kiam ĉielen koron turnas
Fianĉiĝintoj de l'ĉiamo
Dum peze kaj malvarme pluvas;
Kiam la mort' dumane falĉas,
Malsata, tra l'herooba1', –
El la postfronto ni gapaĉas,
Ne iras ni al la batal'!

Malfrue, kun plumar' ŝmirita
Per nigra sang', – revenas ni
Al nesto varma kaj ŝirmita
Por idojn kovi, ĉiam pli,
Kiujn, simile, sur la tero,
Vivtenos la heroofal', –
Senditoj gajaj de l'sufero,
Ja ni ne iras al batal'!
Jen, Via Moŝt', la bruo kreskas,
Heroojn voku al la bal'...
Kunuloj de la mort' ni estas,
Sed ni ne iras al batal'!

elrumanigis Nagy Iosif

# Rememoroj pri Ludwig Renn

En la GDR-numero de „Paco" 1980 aperis artikolo pri Ludwig Renn, rememore pro lia forpaso. Ni ricevis interesajn novajn informojn pri la rilato de Renn al Esperanto de Ewald Nier, maljuna laborista esperantisto el Zwickau, kiu dum la 20aj jaroj kaj post la milito ofte havis kune kun aliaj laboristoj kontakton kun Ludwig Renn. Ili komune migradis kaj diskutis. Ofte Ludwig Renn rakontis pri sia verkado kaj legis specimenojn el siaj manuskriptoj. Ewald Nier kaj la aliaj tiam devis komenti la aŭskultitan. En la jaroj 1927–28 ili ofte ĉirkaŭ la lageto ĉe Stangengrün, sunbanis sin kaj naĝis. La grupo konsistis el du geedzaj paroj kaj krome du virinoj kaj 4 viroj. Ofte Ludwig Renn, tiam jam esperantisto, helpis al Ewald Nier ĉe la studado de Esperanto. Kiam Ludwig Renn en la jaro 1928 transloĝiĝis al Berlin la leteraj kontaktoj al Ewald Nier kaj ties frato Rudi restis. Kelkfoje Renn invitis la du al Berlin, montris al ili novajn manuskriptojn kaj legis el ili. En la loĝejo de Renn ili ankaŭ konatiĝis kun la laborista esperantisto Flamo. Tiu prilaboris militistan Esperanto-vortaron, ĉe kiu Renn helpis.

El letero de Renn al Nier montriĝas la interesa fakto, ke Renn planis partopreni la fondkongreson de Internacio de Proleta Esperantistaro, kiu estis malfermita la 21an de aŭgusto 1932 en Berlin.

En letero, datita de 19. 8. 32, Ludwig Renn skribas al Ewald Nier (tradukita el la germana originalo):

„Kara Ewald, mi ne povos esti en Berlin kaj nur venos mardon vespere al la Esperanto-kongreso. La manifestacio en Haverlands Festsäle morgaŭ sabate estas malpermesita. La programon de la kongreso mi enmetas. Ĉu la aranĝoj ĉiuj okazos en Haverlands Festsälen, mi ne scias, sed la oficejo de la Laborista Esperanto-Asocio estas tute proksime, Dircksenstr. 42. Vi veturas per la urba trajno de stacidomo Pichelberg por 20 pfenigoj (en la direkton Grünau) ĝis stacidomo Börse kaj plu iras maldekstre de la relvojo samdirekte. Haverlands Festsäle troviĝas dekstre de la relvojoj. La urbomapo ĉemetita. Diru al Rudi, ke mi ĉeestos marde tagmeze en Nassenheide. Ruĝfronte! Ludwig."

Ewald Nier aldonas al la letero, ke li kaj 3 aliaj esperantistoj biciklis el Zwickau al Berlin kaj loĝis en la ĝardena dometo de Ludwig Renn, en Spandauer Berg. 1933 Renn estis enkarcerigita de la faŝistoj sed 1936 povis elmigri en Svision kaj de tie sendis esperantlingvan leteron (el Caslano/Lugano [Svisio] el la Casa Klopfer) la 1an de aprilo 1936, al Ewald Nier. Jen la teksto:

„Mia amiko Ewald! Mi ricevis vian leteron kaj ĝojegis. Vi do ŝparis por mi, kaj mi prenus la monon volonte de vi, se mi ne estus en tiel bona situacio, ke mi ne bezonas monon. Tial mi petas vin, ne sendi ĝin ĉi-tien, sed uzu ĝin mem. Kiom mi ĝojus, se vi povus esti ĉi tie. Mi estas en Svisujo ĉe la itala limo. Mi kuŝas nuda sur monto, kie alie nur ŝafoj, leporoj kaj kaprioloj ĉirkaŭkuras. Profunde malantaŭe la lago de Lugano kuŝas tute trankvila kaj malhele verda, ĉar pluvas, nur iomete kaj agrabla por mia haŭto. Eble, mia frato, iam future ni kuŝos en tiuj ĉi belaj montoj kune en printempo, ĉar ĉio apartenos al ĉiuj. Mi ĉi-tie estas por labori. En malliberejo mi trapensis ree kaj ree la ideojn, kiujn vi aŭskultis, kiam ni estis lastatempe kune en somero, kiam vi diris al mi, vi lernis de mi vidi: ĉie la ŝirmilojn. Nun mi kleriĝis ege, kaj mi kredas, ke iam miaj ideoj estos ĉie konataj. Mi povas diri al vi, ke mi estis akceptata ĉi tie varmkore ĉie, ke nenio mankas al mi, kaj mi nur dezirus, ke ankaŭ vi ekhavu, kion vi bezonas. Mi kredas la belecon de la futuro. Ĉio malbona foriros kaj iam ni diros pri ĝi kiel pri malbona sonĝo. Salutu Rudi kaj ĉiujn bonajn homojn, via L. Renn."

Kiel ni ankaŭ menciis en GDR-Paco 1980 Renn kiel komandanto de la Thälmann-Bataliono kaj stabestro de la XIa Internacia Brigado en la hispana liberecbatalo, tenis certan kontakton kun esperantistoj, kiuj ankaŭ batalis sur la flanko de la hispanaj patriotoj. Kiel montras la materialo de Ewald Nier ankoraŭ ne estas tute kompleta la scio pri la rilatoj de Renn al Esperanto. Eventuale aliaj laboristaj esperantistoj povas aldoni pliajn faktojn.

## Disertacio preparata

La soveta esperantisto kaj filologo Boris Kolker (450 025 Ufa, abonkesto 1125) preparas kandidatan disertacion (= doktorigan) pri la temo „Kontribuo de la rusa lingvo al la formiĝo kaj evoluo de Esperanto". Interesitoj pri tiu temo bonvolu kontakti sinjoron Kolker.

Manfred Arnold

## Homo kaj sezonoj

(laŭ teksto en „Esperanto lernolibro" de Gyula Baghy)

Kiam dum vespero antaŭ domo
vi rigardas al la firmament',
vidas vi: do eta estas homo,
en majesta kosmo nur atomo!
Kaj la pensoj venas el silent':

Tero nia estas eta stelo;
laŭ eternaj leĝoj kuras ĝi.
Homa vivo estas paralelo
de la universo, kaj modelo
pri sezona vivo estas ni.

La printempon montras la infano,
kiu kreskas kiel bela flor'.
Ambaŭ – plene da pureco, sano –
serĉas varman lumon de l'sunbano
kaj nenion scias pri dolor'.

Homjuneco estas la somero,
kiam homo kiel la natur'
verkas, festas, vivas en espero,
ploras, ridas kiel la vetero,
pensas pri la hodiaŭo nur.

Maturec' de l'homo: la aŭtuno:
Mildaj, dolĉaj pensoj kiel vin'.
Ja tre varme jam ne brilas suno,
sed pli milde kvazaŭ blanka luno
aŭ ridet' bonkora de l'avin'.

Vintro. Neĝo kuŝas sur la mondo,
blankaj haroj sur la homa kap';
suna varmo restas sen respondo,
kaj . . . aperas jam en nia rondo
malindulga mort' per osta frap'.

Tutan vivon homon akompanas
pri printempo nova la esper'.
Je eterna fajro li malsanas,
post degelo novan vivon planas
li, liberan, sen mizer'.

O. Knichal

# Vizito ĉe Hemingway

Sur la tablo sonoras telefono.
– Bonan matenon. Ĉu satdorminta? Mi atendas en la halo, ne rapidu. Mia akompananto el Instituto de amikeco. Fidela ombro de la gasto, silentema, akurata.
Ĉiumatene, ĉiutagmeze kaj ĉiuvespere li venas kaj ni kune descendas al restoracio en subteretaĝo.
Ni matenmanĝas, dume li sciigas la hodiaŭan programon. Estas dimanĉo. Ĉu ripoza tago? Nur parte. Antaŭtagmeze vizito al la vilao de Hemingway, posttagmeze, se konvene, la plaĝo Santa Maria del Mar.
Mi forkumas en akvomelono kaj imagas, kion povus Hemingway nun entreprenadi en sia domo, se li estus ankoraŭ vivanta.
– Diru, ĉu ankoraŭ vivas Santiago, protagonisto de lia novelo? Estus bone renkontiĝi por intervjuo.
Orlando enpensiĝis. – Bedaŭrinde antaŭ du jaroj li forpasis. Jes, Santiago.
Mi aŭdas monologon de la maljuna fiŝkaptisto, al kiu la maro donis grandan ŝancon, sed la ŝarkoj ĝin vanigis: Fiŝo – diras la oldulo al preskaŭ vorita ĉasaĵo, kiun li ŝnurligis ankoraŭ pli strikte al sia barko defendante ĝin kontraŭ rabistoj – duonfiŝo, fiŝo, kiu estis . . .
Do, ankaŭ Santiago ne plu estas. Ankaŭ mi bedaŭras mian perditan ŝancon.
Strange. Kaj kion diris al mi hieraŭ en Tropicana miaj kolegoj el pariza bildgazeto? Aŭ ĉu mi povis misaŭdi en tiu tumulta spektaklo, kiu laborigis ĉirkaŭ cent kvindek rolantoj kaj kelke da leonoj? Scenoj el la antikva Romo.
Tiuj knaboj diris al mi, ke Santiago vivas kaj bonfartas, ili nomis la vilaĝon, kie li ankoraŭ fiŝkaptas, ŝate rememorante la majstron.
Tamen mi ne emas objeti.
– Ne gravas, ni rigardu almenaŭ la muzeon. – Tiu „almenaŭ" estis dusenca aludo.
– Al la plaĝo vi ne emas? interpretis por si Orlando.
– Se restos la tempo . . .
Lia atletika figuro preskaŭ saltleviĝis: ankaŭ la ŝoforo tion sciu. Nia ŝoforo en ruĝkolora Alfa Romeo estas same akurata knabo, ĝentila kaj modera. Instrukciojn de la ĉefo li akceptas sen komento.
Ni ekveturas. Sekundodaŭre mi observas enirpordon de la transa biblioteko, apertan kiel en pluraj aliaj domoj. Sur la benkoj sidas studantoj en kaki-ĉemizoj.
Nur antaŭ kelkaj jaroj la bienposedantoj murdis la homojn, kiuj portis la torĉon de la klerigo al perditaj vilaĝoj de l'insulo. Ĉiuj alfabetigantoj estis junaj.
Ĉe la vojkruciĝo ni flankenlasis la kajon kaj nun preterkuras dikventrajn aŭtobusojn, kiuj mallerte luktas kun la deklivo. Vilaoj, palmaroj, ĝardenoj. La urban bruon poŝtupe anstataŭas birda pepado en arbobranĉoj, asfaltan grundon abundo de tropikaj floroj.
Ni haltas en jubila bunto de l'vegetaĵoj.
Irvojo kondukas supren, al la dometo, kiu apartenis al sincera amiko de Kubo, nun la muzeo pri liaj lastaj jaroj. La mastro estis pasia ĉasisto, tio rekoneblas laŭ surpendigitaj trofeoj, laŭ bildoj pri taŭroludoj. Vivo kaj lukto.
La mastro ŝatis daŭre societiĝi kun amikoj, lia loĝejo neniam estis malplena.
En la manĝejo staras kiel antaŭe tri seĝoj regule rezervitaj por la gastoj. Al la ĉasista pasio unu tuta ĉambro kun fusiloj kaj akcesoraĵoj. Taŭra kapo fare de Picasso. Kaj ĉie ĉirkaŭ libroj, libroj, libroj. Ankaŭ en banĉambro.
Samloke sur pordoframo konfuzo de ciferoj: Hemingway ĉiutage kontrolis sian pezon.
Sed ankoraŭ pli konsekvence li mezuris la kvanton produktitan per sia plumo.
Minimume po kvarcent vortoj tage, kiel li foje proklamis. Por aŭtoroj kiel Simenon aŭ Christie tio estus malmulte, sed por li tiu malgranda kvanto estis vivneceso, la limo, malantaŭ kiu estis la unusola elirejo – preter la ekzistadon.
Simpla postamento en angulo, sur kiu lia mano sin apogis skribante. La verkisto staris sur unu piedo kaj tiel laboris – ne oportune, ne komforte, sed pli insiste, devigata klopodi pro la nenatura pozo.
Ankaŭ tiu ĉi metodo unu fojon misfunkciis. Unu – du – kelkfoje li ekstaris premante la plumon inter la fingroj, sed elpremante eĉ ne unu vorton, aŭ eble tiu vorto jam validis malmulton por li.
Kiel longe daŭris tiu luktado por kelkdeko da frazoj?
La limo estis transpaŝita kaj tiam li rezignis. En la ĉasista ĉambro deprenis de sur la vando fusilon kaj eliris sub la ĉielon . . . Ie malproksime tronis la blankaj neĝoj de Kilimanĝaro, sub kiu monto li ĉasadis, ĉar tie estas unika paradizo por la ĉasistoj. Kaj en la momento, kiam la korpo estas tro peza por elteni kaj kiam la kvarcent vortoj estas neimagebla atingo, la neĝoj logas nerezisteble.
En la jaro ekstreme malfacila por la kubanoj – kiam en la varma Karibo kulminis la batalo[1]) inter piratoj kaj pacamaj fiŝkaptistoj – tiam foriris la sincera amiko de Kubo. Lia plej fama verko naskiĝis tie ĉi.

[1]) Temas pri la invado kaj malvenko de la mercenarioj sur Playa Girón.

## Verko pri la Esperanto-movado

Literatura premio de R. Schwartz al É. Tofalvi kaj O. Kníchal. Antaŭ kvin jaroj UEA proklamis la literaturan premion de Raymond Schwartz por la plej bona fikcia prozverko en la Internacia lingvo. Tiu ĉi premio – unika en la movado kaj aŭspiciata de ĝia supera instanco – estis atribuita al la romano „Kiuj semas plorante . . ." kies kunaŭtoroj estas geedzoj Éva Tófalvi (Hungario) kaj Oldřich Kníchal (Ĉeĥoslovakio), ambaŭ ĵurnalistoj, delonge aktivaj en la Esperanto-movado, lastatempe sur la kampo de la originala literaturo.
La romano, pri kiuj jam amplekse informis iuj gazetoj en Ĉeĥoslovakio konekse kun la aljuĝo de la Premio Schwartz okaze de la 65a UK en Stokholmo, estas verko pri la abnegaciaj klopodoj de la adeptoj de la Internacia Lingvo en la tempo ekstreme malamika al la Zamenhofa lingvo, en la jaroj, kiam la bruna pesto inundas Eŭropon kaj defias per la milito. La esperantista movado estas persekutata, la esperantistoj fariĝas viktimoj de la sekreta polico. „Kiuj semas plorante . . ." prezentas sur la fono de la antaŭmilita Eŭropo sortojn de la minacata movado kaj apoteozas la noblajn aspirojn de la Esperanto-parolantoj. Ĝi montras per aŭtentikaj rimedoj rolon de la movado meze de la ŝtormaj eventoj sociaj, esprimante samtempe neestingeblan kredon pri la estonto de la Internacia Lingvo.

## Poligamio

Laŭ la brita profesoro Donald McLucki en la jaro 2020 en Britio vivos 4.5 milionoj pli da viroj ol virinoj. Monogamio poste ne plu eblos. Laŭ la profesoro multedzeco estos la sola elirvojo.

# JOHANNES R. BECHER – omaĝe al lia 90-a naskiĝtago (22.5.1981)


Foto: Zentralbild

## Kiu skuis dormon de la mondo – Lenin

Li skuis dormon de la mond'
per fulmoflamantaj vortoj;
sur strat' ili kuris, sur reloj, river'
kaj iĝis potencaj fortoj.

Li skuis dormon de la mond'
per vortoj kvazaŭ esper',
per vortoj kvazaŭ armeoj
kontraŭ malsatmizer'.

Li skuis dormon de la mond',
la vortoj fariĝis maŝinoj,
iĝis traktoroj, domoj,
borturoj kaj minoj –

iĝis elektro, kurent',
kaŭzo de paca laboro
kaj – neestingebla simbol' –
staras en ĉiu ajn koro . . .

(trad. Manfred Arnold)

## Taŭro kaj histriko

**Fablo**

Sovaĝa taŭro iam nestis
En ĉefstabej', gvidanto estis.
Fieris li, ĉar sur la nazo
Li havis kornon kun kiraso.
Li ĝin tra multaj muroj ŝovis,
El nazotruoj fajro blovis,
Kaj sangoŝaŭme kun minaco
Muĝadis buŝ' pro vivospaco.
La taŭro pro rabio snufis:
Eŭropon tutan li subhufis.

La taŭro orienten ĉaras,
Ĝis li sur rusa grundo staras,
Por tie, kvazaŭ kruda uro,
Agante laŭ la bestnaturo,
Per ĉi kornego kirasita
Trapuŝi al saniĝ' profita.
Sed en ĉi far' li ne feliĉis,
La kornoj baldaŭ jam perdiĝis,
Kaj bastoneg' sur lin tempestas –
Li diris: „Erinac' – mi estas."

Ne taŭro, sed pikila besto
Nun estis en ĉefstaba nesto,
Kaj „erinaca pozicio"
Nomiĝas pikilstrategio.
Sed kiel ajn ĉi best' malcedas,
La bastoneg' ĝin terenĵetas.
Ho, ke ĝi estus erinaco!
Sed ne, histriko nur kun ŝmaco
Rabias pro la malpermeso
Marodi en Rusi' sen ĉeso.

Al la histriko tomb' fositas.
Ne plu ĝi per pikiloj spitas.
Kaj ruliĝante en folion
Ĝi gruntas: „Mi ne volis tion!
Bastono ĉi atakis min!
La tuta kulpo trafas ĝin!
Pri ĉio kulpas ĉi bastono!"
Eksplodis mond' per rida sono.
Ne tiom en la mondkroniko
Ja stultis iu ajn histriko!
En sia ĉefstabeja nesto
Pereis ĉi pikila besto,
De la sovaĝa taŭro resto.

(trad. D-ro Karl Schulze)

## Popole propra

I

Kiam la popol' la lumcentralon
Prenis, viro diris: „Estas ĝi
Nun popole propra – tuj signalon
Pri ĉi fakt' al ĉiuj donu ni."

El la rub' estiĝis la turbinoj,
Funkciigis ilin ĉies man'
Por la nova mastro de l'uzinoj.
Tuj ekzumis kanto kun elan'.

Kaj la kant' flugile portis lumon,
Kiu foren rompis tra l'obskur',
Kaj vespere aŭdis ni la zumon:
„Vidu, brilas tempo de l'futur'!"

Kaj fabrikoj lume nun ekspiris,
Kie mutis krea melodi'.
La popolo, fortkonscia, diris:
„Lumo jen. Kaj lumo estas – ni!"

II

Kiam tre malhelis tero nia,
Neŝanĝeble ŝajnis, ke l'estont'
Estos nur de malheliĝo plia,
Diris vir': „Ŝanĝiĝas ja la mond'.

Nur esperu! La mallumo cedos,
Kaj rebrilos lum' por vi kaj mi,
Se al manplektado ĉiuj pretos,
Ĉar la mondon, mondon ŝanĝos ni!"

Ĉu ne estis revo, idealo
Kaj nur bela, nekredebla vort' –
Rubon de la tempo en realo
Ja forigas nur giganta fort'.

„Kiu do gigantas?" – jen demando.
Diris vir': „Gigantas nia rond',
Se ni firme diras al la lando
Frazon ĉi: Ŝanĝiĝas ja la mond'!"

En l'obskuro jam videblis pado,
Kvankam neirebla ŝajnis ĝi.
Tra l'obskuro eblis nun irado,
Kiel antaŭdiris la vizi'.

Ĉe ruinoj kun mortintoj plagas
Ilin tim' ankoraŭ pro l'obskur',
Sed jam rub-elire ili agas:
Homoj jam aliaj de l'futur'.

Post ruinsilento homoj sobraj
Vidis vivon nun kun nova senc'.
La fabrikoj, nun popole propraj,
Estis de l'futuro jam komenc'.

Do pri l'aliiĝo kantu kanton!
Liberiĝu frate nia rond'!
Vidu, lum' heligas jam la landon!
Kaj la mond', ŝanĝiĝas ja la mond'!

**III**

Nun daŭros ne plu longe,
Kaj paco estos jam.
Se pluv' verŝiĝis sponge,
Sekvadas suna flam'.

Kvazaŭ kulis' averta
Ĉirkaŭas nin ruin'.
Sed baldaŭ la necerta
Ne plu timigu nin.

Finiĝas viv' mizera,
Se VI mem finas ĝin
Kaj la popol' libera
Decidas pri l'destin'.

Se laborul', kampulo
Konsentas inter si,
La daŭro estas nulo,
Ĝis pacon ĝuos ni.

(trad. D-ro Karl Schulze)

## Becher-Konkurso

La prezentitaj poemoj de Johannes R. Becher, fondinto de Kulturligo de GDR kaj unu el la plej gravaj poetoj de la socialisma Germanio, estas rezultoj de konkurso, kiun iniciatis Distrikta Laborrondo Esperanto en Leipzig. La unuan lokon gajnis D-ro Karl Schulze kaj la duan Manfred Arnold.

# Recenzoj

*Henryk Sienkiewicz, Tra dezerto kaj praarbaro – Eld. Interpress, Varsovio, 1978; 315 p. Tradukis M. Sygnarski. Lingve reviziis K. Schulze kaj Ferenc Jaki.*

De H. Sienkiewicz jam aperis pluraj verkoj en E-to, la plej fama titoliĝis „Quo vadis".
Delonge anoncita estas la esperantigo de „Tra dezerto kaj praarbaro". Tiaj tradukoj de konataj verkoj, eldonitaj de ŝtataj eldonejoj, sufiĉe malmultekostaj kaj destinitaj nelaste por la avida socialismalanda merkato rapide elĉerpiĝas kaj ĝenerale ricevas laŭdojn.
Estas rakontataj la aventuroj de dekkvarjara pola knabo kaj lia okjara angla amikino. Dum la Mahdi-ribelo en Sudano ili estas forrabitaj el Egiptio direkte al la ribelulaj teritorioj. Sufiĉe kruele traktitaj de la forrabintoj, ili finfine sin liberigas de la krimuloj. Nun la aventuroj akriĝas, ĉar la du infanoj kune kun du indiĝenoj devas trovi elvojon el la afrika praarbaro. Minacas rabobestoj, febro, malamikoj ... sed la leganto mem ĝuu, kiel la pola knabo per saĝo kaj bontrafa pafilo eluzas ĉiujn bonŝancojn por saviĝo.
Admirinde ekzakte Sienkiewicz priskribas bestojn kaj plantojn, ravas per detala prezentado de la pejzaĝo. Sed – kie troviĝas lumo, tie ankaŭ estas ombro. En la persono de la pola knabo renkontas nin figuro, kiu en la nuntempa literaturo estas jam preskaŭ mortinta: la absoluta heroo, ĉiam venkanta, glora, brila. Same ne eblas preterpasi klare videblajn ideologiajn trajtojn en la koncepto de la romano, kiuj min tuŝis malagrable. Tio estas unuflanke la tre (tro?) forta patrioteco de la pola knabo (mi jus aludis ties heroecon) kaj due – pli grave – la senestima rilato al la afrikanoj. La negroj en „Tra dezerto kaj praarbaro" estas kruelaj kaj maldiligentaj, parte senintelektaj kaj ŝajne vivas nur por servi kaj konduti dankeme al la blankuloj. Por mi tio estas netolerebla sinteno inklina al rasismo. Jes, Sienkiewicz estis infano de sia tempo, tamen ...
Tre impresis min la traduko fare de prof. M. Sygnarski. Mi trovis tri aŭ kvar gramatikajn erarojn kaj kelkajn nekutimajn parolturnojn, sed entute la traduko estas flua kaj atentokapta, sen konsiderindaj malfacilaĵoj aŭ eksperimentaĵoj. Sygnarski daŭrigas – laŭ mi – la progreseman tradicion de la famaj polaj tradukintoj el la komenca periodo de E-to. Speciale bone solvita estas la problemo pri la esprimo de lokaj vortoj, kiuj do estas fremdaj ankaŭ en la originala lingvo kaj donas al la rakonto lokdifinitan koloron.

Michael Lennartz

# Recenzoj

*Baza Literatura Krestomatio – Redakto: Vilmos Benczik; eldon. Hungara Esperanto-Asocio, 1979; 266 p.*

En sia leginda antaŭparolo la redaktoro de ĉi tiu baza krestomatio difinas ties celon: servi kiel akompana libro de la literaturhistoria parto en la „Gvidlibro por supera ekzameno". Do la celado estas unuavice didaktika: ebligi al la studantoj legi tekstojn de la verkistoj menciitaj en ĉi tiu gvidlibro. Sed en tio la valoro de la krestomatio certe ne elĉerpiĝas. Ankaŭ por ĉiu esperantisto, ja ne plu studanta, sed jes interesiĝanta pri la Esperanto-literaturo kaj ties historia evoluo, la krestomatio prezentas abundan materialon por legado, studado, sed ankaŭ plezuro. Tia plezuro sentiĝas ne tiom pro la enhavo de la prezentitaj literaturaj specimenoj (kvankam enestas multaj vere plezurigaj tekstoj, ekz. tiuj el la verkoj de Raymond Schwartz aŭ la „Foirfesta kanto pri Esperanto-instruisto" de Tomáŝ Pumpr), sed ĝenerale pro ilia alta lingva nivelo. Tio ja ne estas miriga konsidere al la fakto, ke la krestomatio, krom tekstoj de la kreinto L. L. Zamenhof kaj de la konataj granduloj (Kabe, Grabowski, Baghy, Kalocsay, Auld, Boulton) prezentas specimenojn de ĉiu verkisto, kiu en iom signifa grado kontribuis al la evoluo de la Esperanto-literaturo ĝis en la plej nova tempo. Kaj multaj esperantistoj, por kiuj multaj verkoj de la nuntempa Esperanto-literaturo estas ne atingeblaj simple pro valutaj kaŭzoj, certe tre salutos la eblecon finfine trovi almenaŭ fragmentojn el tiaj verkoj, kiaj ekz. „La granda kaldrono" de John Islay Francis, „Ĉu vi kuiras ĉine?" de Johán Valano, „Neologisme" de Lorjak aŭ el verkoj de Rosbach, Baldur Ragnarsson, Jean Ribillard, Rossetti kaj aliaj. Kaj legante ĉi tiujn perlojn de la Esperanto-literaturo, oni forgesas sian ĉagrenon pro la kelkfoje subnivela lingvaĵo en kelkaj nuntempaj Esperanto-publicaĵoj, oni denove konvinkiĝas, ke Esperanto estas bela, klara lingvo kaj ke oni devas ne erarigi sin en tiu konvinko per la okaze arbitra traktado de la lingvo en tekstoj ne celantaj literaturan rangon. Oni nur bedaŭras, ke la prezentitaj fragmentoj ne estas (certe pro redaktaj kaŭzoj ne povas esti) pli longaj.
Resume: Libro valora, leginda kaj ne malhavebla por ĉiu esperantisto interesiĝanta ne nur pri la praktika, sed ankaŭ pri la kultura, literatura flanko de la Internacia Lingvo.

D-ro Karl Schulze, Berlin

# Heinrich Heine

## Omaĝe al lia 125a mortotago (17.2.1981)



Foto: Zentralbild

## En la mirinde bela Maj'

En la mirinde bela Maj',
dum la burĝonoj krevis,
en mia koro ĝerme
la amo sin eklevis.

En la mirinde bela Maj'
dum birda tril' ne ĉesis,
al ŝi sopiron mian
konfide mi konfesis.

(trad. K. Kalocsay el „Lirika Intermezo")

## Ne amas vi

Ne amas vi, ne amas min,
sed min tio ne ĉagrenas,
vizaĝon vian vidas mi,
kaj, kiel reĝo, serenas.

Malamas vi, malamas min,
ruĝbuŝe vi jene parolas.
Sed donu la buŝon nur por kis',
kaj tuj mi min konsolas.

(trad. K. Kalocsay el „Lirika Intermezo")

## Pinarbo

Pinarbo staras norde
sur kalva mont' en sol'.
Ĝi dormas; glacio, neĝo
ĝin kovras per tomba tol'.

Kaj ĝi pri palmo sonĝas,
kiu en suda land'
sola, funebra, mutas
sur arda altroka rand'.

Softe vibras tra l'anim'
melodi' tenera,
flugu for al malproksim',
kanto primavera!

Flugu al florbeda dom',
kaj se tie ĉarme
ridos roz', en mia nom'
ŝin salutu varme!

(trad. K. Kalocsay el „Lirika Intermezo")

## La sklavoŝipo

I

La ŝarĝŝipulo Mynheer van Koek
sidante en sia kajuto,
Kalkulas la kargovaloron kaj
la eblan profiton de l'tuto.

Tre bona la pipro, tre bona la gum',
orpolvo, eburinventaro!
tricent bareloj kaj sakoj – trezor'!
Pli bona la nigra varo.

Da negroj mi, por ridinda prez',
aĉetis ĉe bord' Senegala
tri centojn kun karno dura kaj
tenden' de elasto ŝtala.

Mi donis vitroperlojn por ŝanĝ'
kaj brandon, fersortimentojn.
Se restos viva nur la duon',
mi gajnos okcent procentojn.

Se restos tricent pecoj al mi
ĝis rodo de Rio Janeiro,
elpagos cent dukatojn por pec'
la firmo Gonzales Perreiro.

Subite nun al Mynheer van Koek
forflugis ĉi pensoj disen.
Enpaŝis al li la ŝipkirurg',
Doktoro van den Smissen:

Klakseka figuro, sur kies naz'
verukoj ruĝaj paradas.
Nu, kiel, doktoro – krias von Koek –
la karaj negroj fartadas?

Van Smissen dankas pri la demand'
kaj diras: „Nebona raporto!
Ĉi-nokte konsiderinde ĉe ni
ekkreskis la nombro de morto.

Ĝis nun ja mortis tage po du,
sed sep ĉi-matene ne vivis:
kvar viroj, tri inoj. La perdon tuj
en protokolo mi skribis.

Mi zorge esploris la korpojn, ĉar
ja ofte ĉi vagabondoj
ŝajnigas sin mortaj kun granda ruz'
por esti ĵetataj al ondoj.

De ĉiu mi prenis la ĉenojn for,
kaj, laŭ la kutima faro,
mi la kadavrojn en frua maten'
ĵetigis al la maro.

De tie tuj pafis sin tuta arme'
da ŝarkoj-vojkompanoj,
amantoj grandaj de negroviand'.
Jen miaj pensionanoj

Jam de l'forlaso de l'haven'
laŭ spuro nin sekvas ĉi bando,
kaj flaras pri loga kadavr-odor'
kun ŝmaca avido je frando.

Spektaklo farsa: kun kia manĝem'
buŝkapte plezuras ĉi bestoj,
ĉi tiu pri kapo, dua pri gamb',
aliaj pri la intestoj.

Glutinte ĉiun, kontente la greg'
naĝadas ĉe l'ŝipoflankoj,
algapas, kvazaŭ volante por manĝ'
eldiri al mi dankojn.

Ĝemante interrompas van Koek:
Ho ve, sed kion fari
do kontraŭ ĉi plago? Kiel la
progreson de l'morto bari?

Van Smissen diras: El propra kulp'
la negroj mortas abunde:
venenas per malbona elspir'
l'aeron ŝipofunde.

Kaj pluraj mortas pro melankoli',
pro murda enuo kaj tedo.
Iom da aero, danco, muzik',
jen estus sanig-rimedo.

Van Koek ekkrias: Brila konsil'!
Vi, kara mardoktoro
ja saĝas pli ol Aristotel',
Grand-Aleksandra mentoro!

La ĉef' de l'Tulipa Societ'
en Delft posedas konon
multegan, sed de via saĝ
ne havas eĉ la duonon.

Muzik', muzik'! La nigrular'
ekdancu ferdeke de l'ŝipo.
Kaj kiun ne amuzas la danc'
animu tiun la vipo!

II

De alte, de l'blua firmament',
da steloj rigardas miloj,
saĝegaj, grandaj, kun arda sopir'
kiel belulinaj pupiloj.

Okulas ili malsupren al mar'
sur kiu vaste sin kirlas
fosfore glimanta purpura vapor'.
La ondoj volupte lirlas.

Ne flirtas velaro de l'sklavoŝip',
ĝi kuŝas kiel ferlita,
sed lumas lampoj sur la ferdek'
kaj sonas muzik' ekscita.

Violonon arĉas la direktilist',
kuiristo ludas klarneton,
tamburon bategas ŝipo-bub',
Van Smissen blovas trumpeton.

Kaj centoj da negroj, negrinoj, en gir',
jubilas, saltas kaj dancas
simile frenezajn. Ĉe saltoj laŭ takt'
ektinte la ĉen' sin balancas.

Per pland' ili stamfas delire sur plank',
ebonbelulino kun premo
sin kroĉas volupte al nuda kunul',
kaj dume – sonoj de ĝemo.

Provoso, la ,maître des plaisirs',
stimulas per vipodraŝo
la pigrajn dancantojn por pli da gaj',
pli vigla dancopaŝo.

Kaj hopla hop! kaj trala ĉin bum!
ellogas la bruo tumulta
la monstrojn de la akvomond'
dormintajn en dormo stulta.

Ebrie de dormo, en svarmoj po cent
alnaĝas ĉi bonapetitaj,
algapas la ŝipon, sed estas nun
de mirkonsterno frapitaj.

Rimarkas, ke tardas la manĝohor',
oscedas malkontente,
en egaj faŭkoj montriĝas makzel'
plantita segildente.

Kaj hopla hop! kaj trala ĉin bum!
la danco senfine sin tordas,
la ŝarkoj jam pro malpacienc'
la propran voston ekmordas.

Mi kredas: ilin ne plaĉas muzik';
jen signo de kor' malbona.
„Ne kredu al nemuzikama brut'!" –
sentencis poet' Albiona.

Kaj hopla hop! kaj trala ĉin bum!
la danco frenezas konstante.
Ĉe l'antaŭmasto staras van Koek
Kaj preĝas, la manojn plektante:

Pro Kristo, indulgu, Dio-Sinjor',
la vivon al ĉi sovaĝaj!
Se ili eĉ pekis, vi scias ja,
ili estas bove malsaĝaj.

Indulgu la vivon al ili pro Krist'
mortinta por ĉiuj sur kruco.
Se tricent pecoj ne resto al mi,
fuŝiĝos la tuta negoco.

(trad. K. Kalocsay)

## Valora artikolaro sed ne enkonduko

Mendu ĉe Haus der Ungarischen Kultur [kp. „der esperantist" 5/1979]
*T. Carlevaro/G. Lobin (Eld.): Einführung in die Interlinguistik (Enkonduko en la Interlingvistikon).*
*Eŭropa Serio: Sennaciigita Scienco, vol. 2, Leuchtturm Verlag Alsbach 1979, 263 p. ISBN 3-88064-073-4*

Tiu verko, eldonita de la Eŭropa Klubo kaj FEoLL-esplorcentro por kibernetika pedagogio en Paderborn, estas plua valora antologio de interlingvistikaj studoj, kiaj ili pli kaj pli ofte aperadas lastatempe. Sed tute certe ne temas pri iu enkonduko en la interlingvistikon. Estas nature, ke la konceptoj pri tio, kio estas interlingvistiko ege diferencas, kaj ĝis nun simple mankas iu tuteca scienca sistema enkonduko en interlingvistikon, kiel ajn oni konceptu la objekton de ĝi. (Cetere, same eraraiga estas la titolo de la germana traduko de la libreto de Janton „Enkonduko en la esperantologio"...)

La 13 ĉapitroj plejparte estas prelegoj prezentitaj en julio 1976 kadre de la Internaciaj Someraj Universitataj Semajnoj en Primoŝteno/Jugoslavio, kaj dividiĝas en 1. Lingvistikaj aspektoj, 2. Prezentado de planlingvoj, 3. Pedagogiaj aspektoj, 4. Sciencaj aspektoj (ĉu 1 + 3 ne estas ankaŭ „sciencaj"?) kaj 5. Lingvopolitikaj aspektoj.

Estas substrekinde, ke la kontribuoj aperas esperantlingve kun germana resumo.

I. Szerdahelyi prezentas en studo (Enkonduko en interlingvistikon) sian vidpunkton pri la loko de interlingvistiko en la aplikita lingvistiko. Laŭ li „la interlingvistiko devas trovi la respondon al la demando: kiu lingvo solvu la (interlingvan) problemon" (p. 11). Li revuas (nekomplete) diversajn difinojn kaj montras la rilaton de lingvistoj al la planlingvoj. Fine li donas diversajn tipologiajn kaj citas interlingvistikajn „modelojn". T. Carlevaro en sia kontribuo (Leibniz, Couturat kaj la teorio de Ido) diskutas problemojn de la t.n. „filozofiaj lingvoj" karakterizante aparte la konceptojn de Leibniz, kiuj influis Couturat, la aŭtoron de Ido. Ne estas tute klara la celo de la enketo ĉe la „ĉefoj" de la „movadoj" por Volapük (J. Schmidt, kiu jam mortis), Ido (H. Jacobs), Interlingue (A. Matejka), Interlingua (A. Schild), Intal (E. Weferling) kaj H. Tonkin por la Esperanto-movado pri la demando, ĉu la ideo de planlingvo hodiaŭ ankoraŭ valoras, ĉar la respondoj donas nenion. Sed ja estas utilaj la apudmetitaj gramatikaj skizoj de tiuj (mi preferus) *semiplanlingvoj* (Volapük, Ido, Interlingue, Interlingua), de la *projekto* Intal kaj de la *lingvo* Esperanto. H. Frank en kontribuo prezentas kelkajn rezultojn de la unua kvinlanda eksperimento (pri kies rezultoj oni vere tro malmulte scias) kibernetike-pedagogie prikalkulante la relativan lernfacilecon de Esperanto. Estus tamen dezirinde, ke H. Frank ĝenerale iom pli klare formulu la rezultojn de siaj interesaj studoj en iom malpli matematika lingvajo, despli ke ne por ĉiuj lingvistoj kaj pedagogoj la prikalkulado havas la saman valoron.

Pri la problemoj de la dua ILEI-eksperimento informas H. Sonnabend sekvata de Frank, kiu priskribas la ĉeftrajtojn de la „Paderborna Modelo". Ĉe laika leganto (ĉu patologia jam?) necertecon kaj dubemon vekas T. Carlevaro per sia studo „Psikologio kaj planlingvo", kvankam nepre necesas esplori la tre malsamajn motivojn por planlingvaniĝo (aŭ esperantistiĝo) ankaŭ el psikologia vidpunkto. La unuflanke tro freŭdisma psikoanaliza aliro de Carlevaro kondukas al tia, ŝajne, absurda tezo (p. 190) „... la historio de la disvastiĝo de la planlingvoj (kaj nature ankaŭ ties malapero) ne dependas esence de *lingvaj* faktoroj, sed de psikologiaj faktoroj (perataj tra sociologiaj mekanismoj)". Ĉe tio „psikologia" ne povas reduktiĝi al „psikoanaliza"! Certe, ne la lingvaj faktoroj decidis sed nepre la sociaj, inter kiuj la psikologiaj eble tamen ne ĉefrolas. H. Frank prezentas la valorojn de planlingvo por dokumentadaj celoj kaj proponas kelkajn variantojn por adapti la Esperantan alfabeton al la komputila klavaro. A. Münnich enkondukas en sian programlingvon PROGRESO 1. Interesan enrigardon en siajn konceptojn pri strategio „enkonduki la Internacian Lingvon en la socion" donas H. Frank en plua kontribuo. Li proponas samtempajn klopodojn ĉe politikistoj, sciencistoj kaj pedagogoj aplikante la malgrandajn paŝojn. Prof. Frank tute pravas atentigante pri la granda (daŭre kaj forte subtaksata de la movadaj gvidantoj) sekteca aspekto de la Esperanto-movado (plifortigata per tiaj diletantaj libroj kiaj „Mia amata Esperanto" de R. Schulz), kiu tamen estas pli malunueca ol ĝin Frank vidas. Ankaŭ ŝajne estas nereale vidi en UEA, SAT kaj NEM iun „disfalon de la organizita Esperanto-movado". Kio frapas en la tuta libro, ĉe *ĉiuj* artikoloj estas la kompleta manko de klopodo ĉe la aŭtoroj vidi la problemon de la internacia lingvo en sia rilato al la tutmondaj historiaj procesoj kun siaj lingvopolitikaj aspektoj. Ignorante tiujn procesojn oni certe troviĝas en la danĝero ellabori strategiojn, kiuj ne funkcios.

Do sufiĉe heterogena sed valora kaj pensinstiga studaro, kiu ankaŭ tre klare montras, kiom forte la scienca pritrakto de la interlingvistikaj problemoj ankoraŭ staras ĉe la komenco.

Detlev Blanke

(Aperis unue en „Dialogo" 28/1980)



André Müller kaj Gerd Semmer

# Rakontoj pri Sinjoro B. Kolektitaj Brecht-anekdotoj

**En la postparolo, kiu ankaŭ povus esti antaŭparolo, la eldonintoj skribas en la Reclam-Kajero 677, 1980.**

*„La amikoj, malamikoj, amatinoj, veraj kaj laŭdiraj kunlaborintoj de sinjoro B., de kiuj ni havas ĉi tiujn rakontojn, ĵuris per profanaj kaj klerikalaj metodoj, ke ili okazis ekzakte tiel. Tiamaniere ni ricevis plurajn aŭtentikajn versiojn pri la plejmulto da rakontoj. Pri la definitiva elekto ni lotumis. Tamen niaj legantoj ne finu informi nin, kiel ili vere okazis. Por novaj rakontoj la eldonintoj estas principe dankemaj."*

## Dialektiko

Kiam sinjoro B. estis knabo, la transigo en superan klason dependis de ekstemporalo en la franca lingvo. La ekstemporalo malsukcesis.
La sama trafis kunlernanton rilate la latinan fakon. Tiu forskrapis kelkajn erarojn, iris al la profesoro kaj postulis pli bonan juĝnoton. Li ricevis pli malbonan, ĉar la skrapitaj lokoj estis maldikaj. Sinjoro B. ekkonis la malavantaĝojn de tiu metodo. Li prenis ruĝan inkon, substrekis kelkajn lokojn en sia ekstemporalo, kiuj en vero ne estis eraroj, kaj iris ankaŭ al la profesoro.
– „Ĉu eraroj ĉi tie?"
La instruisto estis konsternita. La lokoj estis korektaj. Se la sinjoro profesoro eraris tiel multe rilate la nombrojn de la malkorektaĵoj, opiniis sinjoro B., li ja devis juĝnoti pli bone. La instruisto submetis sin al ĉi-tiu logiko kaj sinjoro B. atingis la superan klason.

## Interŝanĝa ekvivalento

La patro de sinjoro B. estis direktoro de malgranda paperfabriko en la urbo A. Sinjoro B. do frekventis gimnazion. La vojon al lernejo li faris kune kun laboristaj knaboj el la najbareco, kun kiuj survoje li interŝanĝis la sandviĉojn por matenmanĝo.
Pli poste sinjoro B. rakontis, ke ambaŭ partioj havis profiton el tio:
- la laboristaj knaboj, ĉar ili sentis kontentiĝon formanĝi la matenmanĝajn sandviĉojn de direktorfilo,
- li mem, ĉar li trovis pli bone surmetitaj la sandviĉojn de la laboristaj knaboj.

## Germana edukiteco

Sinjoro B. estis bona lernanto. Li ŝatis fundamenti siajn stilekzercaĵojn per citaĵoj de Goethe, por ke li pli bone akcentu siajn opiniojn. La citaĵojn li elpensis mem. Tamen la instruistoj neniam eltrovis tion, ĉar neniu el ili volis konfesi, ke iu ajn Goethe-citaĵo estis nekonata al li.

## Teruro de milito

Ofte oni demandis sinjoron B., kio ekkolerigas lin tiel forte kontraŭ milito. Tiam sinjoro B. kutime respondis, ke li koniĝis kun militteruroj kiel sanitaristo – helpanto en lazareto de sia patra urbo A. je la fino de la unua mondmilito. Tiam la aŭskultintoj imagis, ke sinjoro B., kiel junulo, forsegis brakojn kaj krurojn, malfermis per ĉizilo kraniojn, malgluis sangajn bandaĝojn kaj lavis pusajn vundojn. Sinjoro B. neniam kontraŭdiris. Nur malmultaj amikoj sciis, kie li estis laborinta: – en la sekcio por seksmalsanuloj.

## Fiksado

Kunlaboranto demandis sinjoron B., kinn koloron havu iu certa kuliso.
Sinjoro B. respondis grandanime: – „Ĉiu koloro konvenas. La ĉefa afero estas, ke ĝi estas griza." –

## Pezo de sciencoj

Adepto demandis sinjoron B., ĉu li studu germanistikon. Sinjoro B., kiu malvolonte perdis kunlaborantojn, malkonsilis kaj klarigis, ke oni povas studi nur ekzaktajn sciencojn, ekzemple medicinon aŭ fizikon.
– „Se vi aĉetas unu funton da najloj" – li diris – „tiam vi scias, kion vi havas. Sed kion vi profitas de unu funto da opinio?" –

## Egoismo

En diskuto, kiun havis sinjoro B. kun la registaro pri sia nova opero, plaĉis al li la argumentoj de la ministro-prezidanto Otto G. Li trovis ilin celtaŭgaj, trafaj kaj prudentaj. Antaŭ kunlaborantoj pli poste li plurfoje laŭdegis la artkomprenemon de tiu homo kaj bedaŭrante li diris: „– Estas domaĝe, ke li estas politikisto. Mi tuj dungus lin kiel ĉefdramaturgon por mia teatro." –

## Laŭ la vero

En la unuaj jaroj la novan ŝtaton inundis torento de demandiloj, kiu indulgis neniun. Ankaŭ sinjoro B. estis devigita doni konsciencajn informojn pri deveno, nomo, sekso, religio, profesia evoluo, laborlokoj, fremdlingvoj, eksterlanda restado kaj multaj aliaj demandoj. Sinjoro B. faris tion pacience. Pri la demando, al kiu popolamasa organizaĵo li apartenis, li ne sciis respondon. Li pripensis longtempe. Fine en la koncernan rubrikon li skribis: „Nacia premiito".

Esperantigis Hans Buth

# Legenda heroo - VASIL LEVSKI

**Apostolo de libereco. Portreto de Vasil Levski sur la fono de Bulgario de la 19a jarcento. Mercia MacDermott. Tradukis Nikola Aleksiev, Sofio (Sofia Pres) 1980, 359 p., 4 bildpaĝoj.**

En la jaro 1981 la amikoj de la bulgara popolo omaĝos la 13-jarcentan jubileon de la bulgara ŝtato (681–1981), unu el la plej malnovaj ŝtatoj en Eŭropo.

Pro tio estis tre bona ideo, prezenti al la esperantista legantaro biografion pri unu el la plej gravaj herooj de la bulgara historio, pri „la plej originala organizanto de la naciliberiga movado de Bulgario en la 19a jarcento", pri Vasil Levski (1837–1873). Pri Levski, kiun la bulgara popolo nomis „apostolo de libereco" ekzistas multaj bibliografioj (en germana lingvo, tamen en romana formo, tiu de A. O. Schwede „Sendbote der Freiheit", Berlin 1973).

La recenzata biografio elstaras pro almenaŭ tri kaŭzoj:

1. Verkis ĝin nebulgara aŭtorino, la angla sciencistino-bulgarologino Mercia MacDermott (1967), kio supozigas originalan aliron al la materialo, eventuale pli neinfluitan de patriotismaj emocioj, tute kompreneblaj ĉe bulgara aŭtoro.
2. La biografio de Levski prilumas gravan etapon de la bulgara historio en la 19a jarcento, la batalo kontraŭ la otomana jugo kaj tiel bonege korelacias al la bulgara nacia romano „Sub la jugo" de Ivan Vasov, same aperigita en la Esperanta traduko (1959). Tre gravas, ke Levski aperas antaŭ ni kiel homo kun tre aktualaj ideoj pri la revolucia batalo kontraŭ diktatora reĝimo, ideoj, kiuj multfoje pruviĝis pravaj en la praktiko.
3. Ligite al tio estas de graveco, ke la verkon esperantigis ĝuste Nikola Aleksiev, ne nur unu el la plej rimarkindaj gvidantoj de la antaŭmilita (laborista) kaj postmilita bulgara Esperanto-movado, sed ankaŭ revoluciulo kaj socia aganto, kiu certagrade aplikis multajn el la principoj de Levski pri la naciliberiga revolucio, ĉar tiuj „validis ankaŭ dum la periodo de la kontraŭfaŝista rezistado en Bulgario (1923–1944)" (p. 5) kaj post la milito en gravaj sindikataj kaj aliaj sociaj funkcioj kunhelpis realigadi la vizion de Levski por libera Bulgario.

La leganto de la libro estas tuj kaptita, ĉar tute ne temas pri seka priskribo de la vivo de Levski. Oni trovas vivecan bildon pri Bulgario „sub la jugo" kun ĝiaj suferoj kaj esperoj, kiujn ankaŭ donis, krom Levski, i.a. demokratoj, poetoj kaj revoluciuloj kiel Georgi S. Rakovski (1821–1867), Panajo Hitov, Haĝi Dimitr, Ljuben Karavelov (1834 ĝis 1879) kaj Ĥristo Botev (1848–1876).

La aŭtorino ne nur utiligis la riĉan dokumentan materialon kaj publikigitan pri Levski literaturon, el kiu ŝi abunde citas, ŝi ankaŭ kapablis peri bildon pri la socia atmosfero de tiu tempo, pri la pitoreskaj pejzaĝoj de la agadlokoj (konantoj de Karlovo, naskiĝloko de Levski, de la priskribitaj balkanaj regionoj volonte sekvas ĝin). Tre hela fariĝas la figuro de Levski. Homo, kiu, „jam dumviva estiĝis legendo" (188).

Oni volonte kredas al la aŭtorino, kiu, post skrupula esplorado venas al la surpriza konkludo: „Levski estas unu el la plej maloftaj naciaj herooj, pri kiuj oni povos diri, ke ne ekzistas diferenco inter la legendo kaj la homo – unu heroo, kiu restas heroo eĉ tiam, kiam la historiistoj provas uzi siajn orklampojn kaj skalpelon" (p. 14). La historia signifo de nuntempa aktualeco konsistas en tio, ke Levski estis samtempe elstara teoriisto kaj revolucia organizanto, kiu aplikis principojn por formi revolucian sekretan organizaĵon, kiuj eĉ hodiaŭ ankoraŭ havas signifon por popoloj luktantaj por sia libereco. „La libereco, por kiu Levski luktis kaj pereis, estis io pli ol simpla liberiĝo de la bulgara popolo el sub la otomana tiraneco. La libereco, laŭ Levski, prezentas tute novan socian ordon – puran kaj sanktan respublikon – en kiu ĉiuj nacioj vivos pace kiel fratoj havantaj samajn rajtojn" (p. 359).

La tuta verko dividiĝas en 4 partoj (kun po 6 ĉapitroj). La unua parto priskribas la junaĝon, viziton de la monaĥeja lernejo, lia monaĥiĝo kaj forlaso de tiu eklezia ligiteco. En la dua parto ni konatiĝas kun la juna arda revoluciulo, kiu kiel membro de „hajduta ĉeto" (taĉmento de venĝantoj kontraŭ la turkaj perfortantoj kaj subpremantoj) partoprenas batalojn izolitajn, baldaŭ komprenante tamen, „ke la plej grava afero estas ne la organizado de revolucie pensanta malplimulto – sed la organizado de la ŝanceliĝanta plimulto, restanta hejme" (p. 117). Tiu lia konvinko fariĝos lia agadprincipo, pri kio ni legas en la tria parto. Ĝi traktas la agadon de Levski lige al la fondo kaj agado de la Centra Bulgara Revolucia Komitato (CBK), ties sukcesoj kaj malfaciloj.

En la lasta parto oni legas pri la pligrandiĝantaj malfaciloj kaj danĝeroj, grandparte kaŭzitaj de la senrespondecaj agadoj de Obŝti kaj aliaj pseŭdorevoluciuloj, sub kiuj laboris CBK. Danĝero kiu fariĝis vivminaca kaj fine katastrofa por Levski. La lingvaĵo de la Esperanta traduko legiĝas tre flue. Preskaŭ mankas preseraroj. Multaj turkaj kaj bulgaraj esprimoj (glositaj en anekso) certagrade kunhelpas redoni la historian koloron (Baj, Ĉorbaĝija, ĉeta, hajduto, konak).

Por enprofundiĝemuloj en la sciencan literaturon pri Levski bonvenus ordigita listo de la uzita literaturo, kiun la aŭtoro citis tra la libro. La preso estas bona, la bindo tola. La „Apostolo de la Libereco" estas grava pliriĉiĝo de la esperantlingva bibliografia literaturo. Oni legos ĝin kun profito komprenante el la historio pli bone la nunon kaj – pri tio ne povas esti dubo-helan estontecon de la tradicikaj heroo-riĉa bulgara popolo.

Detlev Blanke

---

## B. Prus, La Faraono

**Kiel bildrakonto verkita de Tibor Cs. Horváth, desegnita de Attila Fazekas. Esperanto-Teksto de Vilmos Benczik, Hungara Esperanto-Asocio, Budapest 1980, ISBN 963 571 0690, 135 p.**

La modo bildstriigi verkojn de la mondliteraturo nun ankaŭ enkondukis en la Esperanto-literaturon Hungara Esperanto-Asocio. Jam aperis de Géza Gárdonyi „Steloj de Eger" (1979) kaj de Mór Jókaj „La filoj de l'ŝtonkora homo" (1978).

Estas disputinde, ĉu tiu kondensigo de verkoj de la mondliteraturo estas defendebla. „La Faraono" finfine ekzistas en klasika traduko de Kabe. Verŝajne oni celas kiel gelegantojn la junajn legantojn. Sed la abunda teksto kaj tro nigraj ilustroj eble malfaciligas la orientiĝon. Kiel ajn, bildstriaj rakontoj do ankaŭ ekaperis en Esperanto kaj aldonas al ĝia literaturo plian ĝenron.

Mendebla por GDR ĉe Haus der Ungarischen Kultur, 1020 Berlin, Karl-Liebknecht-Str. 9.

D. B.

## Andriĉ denove en Esperanto

Kiel eldonaĵo de E-ligo de Bosnio kaj Hercegovino en Esperanto baldaŭ aperos plia novelkolekto de Ivo Andriĉ, konata jugoslavia verkisto kaj nobelpremiito, forpasinta en 1975. Jam pli frue, en 1973, aperis en la Internacia Lingvo la novelaro de Andriĉ sub titolo „Sonĝo kaj maldormo sub la karpeneto".

Detlev Blanke

# Pri la problemo de laŭplana influado je la lingvoevoluo fare de la homo[1)]

*La respondo pri la demando, ĉu kaj kiomgrade homo kapablas laŭplane influi lingvon en ĝia evoluo tiamaniere, ke ĝi ĉiam pli bone respondu al sia socia funkcio, t.e. funkcii kiel instrumento de ekkonado, komunikado kaj ankaŭ de konservejo de homaj spertoj, grandparte dependas de tio, kiel oni entute komprenas la esencon de la lingvo. En la disputo pri la darvinismo en la lingvoscienco ankaŭ la planlingvoj estis kaj estas objekto de tiu ĉi problemaro. Ni volas pritrakti tion kaj kelkajn rezultojn de la konscia influado je la lingvoevoluo, ne celante doni kompletan prezenton.*

## 1. La lingvo – ĉu netuŝebla vivanta organismo?

La influo de la darvinismo en la lingvoscienco, aparte videbla en la lingvoteoria koncepto de la hindoĝermanisto August SCHLEICHER, sekvigis, ke oni komparis lingvojn kun naturorganismoj. La lingvoj, tiel skribis SCHLEICHER, „estiĝis sendepende de la homa volo, kreskis kaj evoluadis laŭ certaj leĝoj kaj aliflanke maljuniĝas kaj mortas" (SCHLEICHER 1873, 6; 1876, 2). DESNICKAJA kaj SPITZBARDT, kiuj konvinke pruvis, ke la lingvokoncepto de SCHLEICHER ne originas nur en vulgara biologismo, konsideras la komparojn de lingvo kun organismo far SCHLEICHER „riskaj metaforaj frazaĵoj" (DESNICKAJA, 1972, 18) aŭ „biologie kolorita metaforeco" (SPITZBARDT, 1972, 37). Kvankam post la prijuĝo de la tuta verkaro de SCHLEICHER oni eble povus veni al tiu ĉi opinio, tamen ne kontesteblas, ke tiu ĉi koncepto longtempe havis fortan influon en la lingvoscienco, malfaciligis la komprenon de la lingvo kiel socia fenomeno kaj malhelpis sobran aliron al la planlingva problemaro.

Tio aparte evidentiĝis en la disputo inter H. SCHUCHARDT kaj G. MEYER.

SCHUCHARDT okaze de Volapuko kritike analizis la lingvodarvinisman koncepton de Gustav MEYER (1893) kaj emfazis: „Lingvo ne estas organismo, sed funkcio" (SCHUCHARDT (1904, 285). Laŭ SCHUCHARDT oni do rajtas apliki nociojn kiel „vivo" kaj „kreskado" por lingvo nur en kazo de strikta ĝeneraligo (SCHUCHARDT, 1894, 11).

La jungramatikistoj K. BRUGMANN kaj A. LESKIEN same estis forte influitaj de la organismo-metaforeco kaj esprimis fortajn dubojn kontraŭ „artefarita", do ne kiel organismo „kreskinta" lingvo ĝenerale, kaj precipe kontraŭ Esperanto (BRUGMANN/LESKIEN 1907; 1907/1908, BRUGMANN 1913/14). Ĉar, tiel asertis BRUGMANN, „inter la diversaj lingvoj kunpuŝiĝantaj estiĝas batalo ĝis la morto" (BRUGMANN/LESKIEN 1907, 5–6). Pri tiu batalo artefarita lingvo ne disponus, kaj pro tio ĝi ne povus esti vivkapabla. En akra disputo kontraŭ tiuj ĉi opinioj de la du jungramatikistoj J. BAUDOUIN DE COURTENAY, kiu simile kiel SCHUCHARDT konsideris konscie kreitan lingvon ebla kaj dezirinda, refutis la biologiajn nociojn, kiujn oni inkluzive „de la ‚lingvoorganismoj' ĵetu en la rubejon pro jam delonge venkita pseŭdoinstruiteco" (BdC 1908a, 8). Ĉar, tiel emfazas BAUDOUIN DE COURTENAY, lingvo estas „nek io dia nek organismo sendependa de la homo, sed tutsimple socipsika ilo" (BdC 1908b, 9).

La koncepto de lingvo kiel organismo pluefikis ankaŭ inter marksismaj teoriistoj, tiel ekz. ĉe P. LAFARGUE, ĉe kiu la vortoj de lingvo vivas „sian propran vivon kiel la ĉeloj de planto aŭ besto" (LAFARGUE, 1912/13, 1). Eĉ en pli nova tempo oni ankoraŭ trovas komparojn kun vivanta organismo, tiel ekz. ĉe E. ERKES (1956, 25) aŭ eĉ en 1970 ĉe N. D. ARUTJUNOVA (1973, 142), laŭ kiu lingvo estas „... sin mem produktanta organismo", kiu „kiel ĉiu organismo ... en sia evoluo identas al si mem" (1973, 141). Eĉ se la uzo de tiu ĉi metaforo ne nepre indikas la influon de la SCHLEICHER-a ideario, tamen evidentiĝas, kiel forte pluefikadas tiuj ĉi esence romantikaj kaj nesciencaj nomoj kaj komparoj ĝis en la modernan lingvosciencon kaj eventuale inter kelkaj lingvistoj, kiel skribas A. MARTINET, „spite al Ferdinand de SAUSSURE kaj ties posteuloj estas konservita pli aŭ malpli senkaŝe konfesita prefero al tiu romantika koncepto" (MARTINET 1946, 38).

La rilato al planlingvoj ĝis la nuntempo estas influata de la postefikoj de tiu organismoideo. Nocioj kiel „morta lingvo", „vivanta lingvo", „artlingvo" (artefarita lingvo), „natura lingvo", nuntempe ankoraŭ ĝenerale uzataj, originas en tiu ĉi influo kaj vualigas la esencon de la lingvo.

Se oni hodiaŭ parolas pri Latino aŭ Esperanto kiel „mortaj" lingvoj kaj pri la naciaj lingvoj kiel „vivantaj" lingvoj, oni uzas nociojn el la organismoteorio. Ĉe tio „vivanta" ofte estas sinonimo por „forta, evolukapabla, abunda" kaj „morta" sinonimas, kontraŭe, al „ekster uzado, ne plu evolukapabla, senforta".

Estis do necese, ke jam BAUDOUIN DE COURTENAY en sia kritiko de la koncepto de Gustav MEYER kaj BRUGMANN refutis la distingon inter „mortaj" (t.e. internaciaj helplingvoj) kaj „vivantaj" lingvoj (t.e. naciaj lingvoj).

„Ĉiu lingvo estas por ni „morta" tiel longe kiel ni ne regas ĝin kaj ĉiu lingvo fariĝas „vivanta", kiam ni enkapigas ĝin. Sed plej bone estus, se oni unufoje por ĉiam elpelus el la scienco tiujn erarigajn kaj neadekvatajn al la realeco nociojn „vivanta lingvo", „morta lingvo" (BdC 1908a).

Kontraŭ la principa konfrontado de naciaj lingvoj kiel „vivantaj" lingvoj kaj „artefaritaj" internaciaj helplingvoj kiel „mortaj" lingvoj sin turnas ankaŭ V. P. GRIGOR'EV (1966, 43).

Ankaŭ la kontrastado de „artefaritaj lingvoj" („artlingvoj") kaj „naturaj lingvoj" estas disvastigita en la lingvoscienco. Se oni uzas la terminojn „artefarita lingvo" kaj „artlingvoj" por signi abstraktajn maŝinlingvojn aŭ interlingvojn por la provoj de aŭtomata tradukado aŭ se oni pensas kiel G. KLAUS pri abstraktaj signosistemoj, per kiuj laboras la modernaj sciencoj (lingvo de kemio, formula lingvo de matematiko), tio ŝajnas esti ĝusta (KLAUS, 1972, 20). Sed en la lingvoscienco same kiel en la ĝenerala lingvouzo „artlingvoj" ankaŭ estas interkompreniloj kiel Volapuko, Ido, Esperanto kaj aliaj. „Naturaj" kontraŭe estas en tiu konfrontado la historie kreskintaj naciaj lingvoj. Laŭ R. M. MEYER, kiu verŝajne skribis la unuan ampleksan eseon pri tiu problemo, artefarita lingvo ne nepre devas esti nur elpensita. Krom la internaciaj helplingvoj laŭ li al tio apartenas ankaŭ granda nombro da aliaj „artefaritaj lingvoj", kiel ekz. profesiaj lingvoj, friponlingvoj

[1)] Parto el la doktoriga disertacio „Planlingvo kaj nacia lingvo", Berlin 1975, p. 9–36, iom pliampleksigita kaj prilaborita. Tradukis, laŭ germana originalo, Klaus-Dieter Dungert)

(Rotwelsch), glosolalioj, sekretaj lingvoj (R. M. MEYER 1901).
Ankaŭ por A. BAUSANI, kiu per sia verko volas doni „historion kaj ĝeneralan tipologion de la nespontanea lingvokreado" (BAUSANI 1970, 7), lingvoinventado estas „treege disvastigita fenomeno" (43). La artan lingvokreadon de la ludeme elpensitaj infanlingvoj, de la sekretlingvoj por relegiaj aŭ profanaj celoj, de la medicine klarigebla lingvoinventado de mensmalsanuloj ĝis la kreado de internaciaj planlingvoj BAUSANI konsideras „fenomenologia unueco" kaj liveras per tio novan vidmanieron por la fenomeno de „arta" lingvokreado. Sed ĉio tio faras la terminon „artlingvo" ne pli klara aŭ pli uzebla por la scienca diskuto, kion substrekas i.a. ankaŭ V. P. GRIGOR'EV (1966, 38), E. A. BOKAREV (1967, 8) kaj E. SVADOST (1968, 215).
La homo formas sian medion, en kio multo „arta" estas konscie kreata. SVADOST postulas, ke oni aŭ tute rezignu pri la nocio „arta" rilate al lingvo aŭ konsentu, ke ekzistas artefaritaj lingvoj kaj ke eĉ naciaj lingvoj entenas multon artefaritan (1968, 219/220).
Jam BAUDOUIN DE COURTENAY klare vidis la neceson distingi inter konscia kaj spontanea lingvoevoluo kaj postulis la ĝustan komprenon por tio (GRIGOR'EV, 1960, 56). Por li „artefarita" estis sinonimo por „konscia".
La antagonismo de la kontrastado de „artefaritaj" kaj „naturaj" lingvoj aparte evidentiĝas, se oni pruvas, ke ĉiuj t.n. „naturaj" lingvoj en sia evoluo konsiderinde estis kaj estas pli kaj pli influataj „arte" aŭ konscie. Pri tio pli sube. Krom tio ĉiuj aposterioraj planlingvaj projektoj kaj Esperanto en leksiko kaj strukturo apogas sin je naciaj, do la t.n. „naturaj" lingvoj. Multaj vortoj en naciaj lingvoj estiĝis dank' al konscia lingvokreado de la homo, kiel montris i.a. JESPERSEN (1962), COLLINDER (1938, 32) kaj MIGLIORINI (1932). SCHUCHARDT (1888, 10) kaj BRÉAL (1901, 242) eĉ opinias, ke la nocio „artefarita lingvo" estas taŭtologio, ĉar ĉiu homo uzas sian lingvon konscie kaj laŭ la validaj normoj. Pro tio kelkaj lingvistoj emfazas la „artan karakteron" de regulitaj kaj normitaj literaturaj lingvoj (PAUL 1937, 412–419; R. M. MEYER 1901, 560; BdC 1908a, 40; AMMER 1961, 85; TAULI 1968, 22). Se oni komprenus „natura" en la senco de „konata, kutima", tiam ĉiu fremda lingvo por la lernanta eksterlandano je la komenco estus „nenatura" aŭ „arta" lingvo.
Estus pli trafe paroli ne pri „artefaritaj" lingvoj, sed pri „konscie kreitaj lingvoj", *planitaj* lingvoj aŭ *plan*lingvoj (WÜSTER) por eviti miskomprenojn.
Per tio ni sekvas E. SVADOST (1972, 38), kiu komprenas sub artefariteco rilate al lingvo „la konscian partoprenon de la homo en la lingvoevoluo".
Sekve Volapuko, Ido, Interlingue kaj Interlingua (kiel semiplanlingvoj) kaj la lingvo Esperanto eliras el la grupo de „artlingvoj". Lingvo do ne estas biologia estaĵo, sed socia fenomeno, „produkto de la homa specio" (MARX/ENGELS 1973, 412), kiu, kiel pruvis ENGELS (1973a, 446), en sia estiĝo kaj evoluo estas ligita al la homa laboro.
Estiĝinta el la bezono pri komunikado inter la homoj, lingvo estas ne nur instrumento de komunikado, nome „la plej grava komunikilo de homo al homo" (LENIN (1973, 398), sed samtempe rimedo de la intelekta alproprigo de la mondo fare la homo, rimedo de reflektado, de pensado kaj de ĝeneraligo kaj fiksado de homaj spertoj.
Lingvo do estas ligita al la ekzisto de la socio, kiu influas ĝian evoluon kaj siaflanke reefikas sur la socion.
Lingvo do samtempe estas kaj produkto kaj instrumento de komunikado kaj reflektado, ĉe kio komunikado „geneze kaj funkcie estas entenata en la homa agado" (HARTUNG 1974, 40).
Grava por la problemo de konscia kaj planita lingvoevoluigo estas la agnosko de la „il-karaktero" de lingvo. La koncepto de lingvo kiel instrumento aŭ rimedo de la homo.
„Por la materia produktado la plimultigo de iloj estas unu el la karakterizaj rimarkiloj", skribas HARTUNG (61) kaj daŭrigas: „Sed en la intelekta produktado, firme interplektita kun la materia, estiĝanta kaj elkreskanta el ĝi, kvankam daŭre konservanta sian determinantan bazon en la materia produktado, alia speco de ,iloj' estas uzata, nome signoj kaj ĉefe lingvaj signoj."
En la signokaraktero de la lingvo do esprimiĝas ankaŭ ĝia karaktero kiel ilo, kiel instrumento. Por la funkciado de komunikado ne gravas, de kie venas tiuj signoj, ĉu ili estas „artefaritaj" (planitaj, konscie kreitaj) aŭ ĉu ili evoluis historie, do estas „naturaj". Decidas la eksterlingva realo, kiun la signoj indikas, decidas ilia signifo.
Ĝenerale en la lingvoscienco nun venkis la koncepto pri lingvo kiel instrumento.
Du grupoj da faktoroj efikas je la lingvoevoluo. Tio estas unuflanke la socie determinitaj influoj, ĉefe la pretendoj de la socio je la komunikado. Tiuj daŭre altiĝas. Ili ĉefe dependas de la progreso en la evoluo de la homa socio kaj forte influas la ŝanĝiĝon de la lingvo. Sed ekzistas ankaŭ internaj kaŭzoj por lingvaj ŝanĝiĝoj. Ili baziĝas en la lingva sistemo mem. Al tio apartenas ekz. la akomodiĝo de la lingvomekanismo al la parolorganoj de la homo aŭ fenomenoj de reciproka influado de lingvaj elementoj inter si (KUBRJAKOVA 1973, 165 kp.). Ekestas nun la demando, ĉu tiu evoluo okazas spontane aŭ ĉu la homo laŭplane, do konscie, povas stiri ĝin. Tiu ĉi demando ne estas nova, sed ĝia signifo daŭre kreskas. Ĝi havas centran signifon tiel por la stirado de la evoluo de naciaj lingvoj, kiel ankaŭ por la konscia akcelado de la elformiĝado de novaj naciaj lingvoj. Decidan signifon ĉi tiu demando havas por la diskuto de la „por" kaj „kontraŭ" pri internacia planlingvo kaj ties pritaksado. La koncepto de lingvo kiel organismo, evoluanta laŭ biologiaj leĝoj, ne lasas lokon por konscia, reguliga interveno de la homo en la evoluon de lingvo kaj jam tute ne por la kreado de planlingvo.
Ĉu laŭplana influado je la instrumento lingvo dezirindas? Pro tio, ke la sociaj cirkonstancoj ofte ŝanĝiĝas pli rapide ol la lingvo, estiĝas kontraŭdiro inter la kapableco de la lingvo kaj la sociaj postuloj. Tio ekz. evidentiĝas, se necesas krei novajn terminojn dum relative mallonga tempo, kiel tio devis okazi en la 20a jarcento en multaj aziaj kaj afrikaj lingvoj aŭ se oni devis mallongtempe provizi lingvojn je alfabetoj, ĉar ili pro politikaj kaŭzoj devas ludi novan, pli gravan rolon kiel nacia lingvo.
Nuntempe la evoluo de scienco kaj tekniko kreas multajn novajn nociojn signendajn. Ĉe tio ekzistas ne malgravaj malfacilaĵoj, kiel pruvas terminologoj. Lingvo do pli kaj pli bone kaj komplete devas respondi al la postuloj de la socio al ĝi kiel plej grava instrumento de la komunikado. Laŭ MARTINET „ĉiu lingvo ŝanĝiĝas iom post iom ĉefe por kontentigi plej ekonomie la komunikbezonojn de la ĝin parolanta socio" (1963, 17).
Ankaŭ AMMER emfazas, ke necesas „plitaŭgigi kaj plibonigi la lingvon kiel ilon laŭ ĝia tasko" (1961, 21). Konscia lingvoevoluado do sendube dezirindas.
La sinteno de la lingvistoj pri konscia lingvoevoluado estas diferenca.
La antaŭ ĉio historie orientiĝinta tradicia lingvistiko komence de la 20a jarcento ĝenerale ne vidis bezonon okupiĝi pri la demando, ĉu oni partojn de lingvo povas krei konscie aŭ almenaŭ direkti en ĝia evoluo, aŭ ĉu oni povas krei tutajn lingvojn. Konsideri lingvon kiel reguleblan instrumenton estis nekutime, eĉ malŝatate. Lingvoinventadon oni konsideris „speco de nenatura imitado de certaj aspektoj en la naturhistorio de lingvoj", konkludante, ke „lingvoscienco rajtas okupiĝi pri tio nur kiel ,nenormalaĵo' de la fenomeno ,lingvo' ", skribas BAUSANI (1970, 10). Ja pozitive ŝanĝiĝis la sinteno de la lingvistoj, ĉefe pro la nenegeblaj atingoj de la lingvoreguligo kaj lingvoplanado en multaj landoj kaj pro la jam kelkjardeka ekzistado de konscie kreita internacia lingvo, kiel Esperanto. Sed ankoraŭ en 1954 U. HEYD (1954, 4) konstatas: „Multaj lingvistoj estas inklinaj al sufiĉe kritika rilato al drastaj intervenoj en la evoluon de iu ajn lingvo." Kaj V. P. GRIGOR'EV (1963, 20) en pli nova kontribuaĵo demandas, kiel longe la lingvistoj ankoraŭ volas deturni sin de la problemo de konscia influado je la lingva evoluo. Estas interese, ke denove ĉefe tiuj lingvistoj sin esprimas por konscia influado de la lingvo fare de la homo, kiuj okupiĝis pri

la problemaro de internaciaj planlingvoj. Tiel SCHUCHARDT jam en 1888 pledis por konscia lingvoperfektigo (1888). Ekde SCHUCHARDT kaj BAUDOUIN DE COURTENAY kreskis la nombro de tiuj ĉi lingvistoj, kiuj agnoskas la konscian kaj laŭplanan influon de la homo je la lingvoevoluo. Sciencistoj kiel O. JESPERSEN aŭ A. MARTINET aktive partoprenis en la planlingva movado aŭ pritraktis tiun temon en sciencaj studoj, kiel E. SAPIR (1931) aŭ O. S. AĤMANOVA (1956), por nomi nur kelkajn.
Nur dum la lastaj du jardekoj evoluas lingvistika disciplino kadre de sociolingvistiko, kiu komencas sisteme okupiĝi pri la problemo de „lingvoplanado" (ankaŭ lingvodirektado, lingvopolitiko). La evoluado de tiuj disciplinoj konsideras la fakton, ke necesas pli kaj pli konscia rilato de la homo al la lingvo, kaj aliflanke tiu evoluo konsideras la ekziston de multnombraj pruvoj por la konscia influado de la lingvo fare de la homo kaj analizas tion.

## 2. Pri kelkaj rezultoj de la konscia kaj laŭplana influado fare de la homo je la lingvoevoluo

Al la konstateblaj rezultoj de laŭplana lingvoŝanĝado apartenas:
1) la elekto de regiona dialekto aŭ de lingvo kiel nacia lingvo, akcelita de politikaj movadoj, ŝtataj institucioj kaj elstaraj personoj, kaj ties normigo kaj kodigo al literatura lingvo;
2) la provizado de senskribaj lingvoj per skriboj, ortografiaj reformoj kaj la konscia anstataŭigo de ekzistantaj skribosistemoj per novaj;
3) la laŭplana kreado de ankoraŭ ne ekzistantaj terminoj por nocioj, i.a. el la sfero de scienco kaj tekniko, aŭ la anstataŭigo de ekzistantaj fremdlingvaj terminoj per nacilingvaj;
4) lingvoreguligoj cele al ideologia manipulado.
En la sekvantaj linioj sekvas resumo de kelkaj rezultoj, sen intenci kompletecon.

### 2.1. Pri konscia elekto kaj akceptigo de nacia lingvo

La epoko de fina venko de la kapitalisma varproduktado super la feŭdismo en Eŭropo estis ligita kun la evoluo de nacioj kaj naciaj lingvoj, ĉe kio ni sub ‚nacia lingvo' komprenas kun GUCHMAN „universalan sistemon, kiu garantias la komunikadon de nacio en ĉiuj sferoj de la socia vivo" (1923, 440) kaj kiu estas influata per socie determinitaj procesoj.
La ekesto kaj venkigo de naciaj lingvoj kaj ties literaturlingva formo kiel plej alta ekzistoformo de nacia lingvo, distingiĝanta de aliaj ekzistoformoj de lingvoj (ekz. dialektoj) per konscia reguligo kaj formiteco (GUCHMAN 1973, 416), en multaj eŭropaj landoj estis konsiderinde konscie influataj de unuopaj elstaraj personoj, politikaj-naciaj movadoj kaj ŝtataj institucioj. Tio ankaŭ koncernas multajn lingvojn, kiujn oni nur en la 20a jarcento altigis en la rangon de naciaj lingvoj aŭ evoluigis al tiaj, kiel tio validas por kelkaj aziaj kaj afrikaj landoj. Ĉe tio la grado de konscia influado povas esti diferenca. Pri tio kelkajn ekzemplojn:
La traduko de la biblio fare de Martin LUTHER tre akcelis la estiĝon de unueca germana nacia lingvo kaj ĝian disvastigon. LUTHER konscie elektis la lingvomaterialon, ĉefe el la saksa kancelario en Meissen (Majsen) kaj konsideris la lingvaĵon de la simpla popolo (ARNDT, 1962, 14).
DANTE, kiu nomis sin mem „padro della nostra lingua", kreis per la „Divina Commedia" en la lingvo de la popolo, la vulgara Latino, verkon de granda populareco kaj esence kontribuis al la estiĝo kaj disvastiĝo de la itala nacia lingvo. La itala interregiona lingvo de DANTE grandparte estis konscia selektado el ekzistantaj dialektoj (CONTERNO-GUGLIELMINETTI 1973).
En Norvegio pro la kelkjarcenta dana okupado (1380–1814), la malnovnorvega literatura lingvo estis flankenpuŝita kaj anstataŭita per dana-norvega literatura lingvo „bokmål" aŭ „riksmål". Post la akiro de la nacia sendependeco aktualiĝis la demando pri norvega nacia lingvo. La dialektesploristo Ivar AASEN, fine de la 19a jarcento surbaze de malnovnorvegaj dialektoj, kreis novan literaturan lingvon „nynorsk" aŭ „landsmål" (HAUGEN 1966, 32; TAULI 1968, 22, 162). „Riksmål" kaj „landsmål" ĝis hodiaŭ estas samrajtaj ŝtataj lingvoj. La provoj alproksimigi kaj evoluigi ambaŭ lingvojn, per lingvoreformoj (ekz. en 1907, 1917, 1938 kaj 1959) kaj vico da normigaj decidoj, al unueca norvega nacia lingvo „samnorsk", ankoraŭ ne estas finitaj (TAULI, 1968, 162).
Apartan signifon por la formiĝo de sendependa indonezia ŝtato estis politika kaj lingva unuigo de la indonezia insularo, kie oni parolis ĉ. 400 lingvojn kaj dialektojn. La malaja lingvo, ekde la 16a jarcento disvastigita kiel iu „lingua franca", precipe en la okcidenta arkipelago, estis propagandita de la progresema nacia movado por sendependeco, ĉefe ĉirkaŭ Sukarno, kiel unueca indonezia lingvo „Bahasa Indonesia" kaj ankaŭ oficiale enkondukiĝis post akiro de la sendependeco en la jaro 1945 (ALISJABANA 1953, 96 kp., 114; BODENSTEDT 1967, 1 kp.; SPITZBARDT, 1973, 542 kp.).
Depost tiu tempo oni faris grandegajn laborojn sur la kampo de konscia perfektigo de Bahasa Indonesia sur la bazo de la malaja lingvo, precipe en la leksiko.
En multaj afrikaj ŝtatoj, kies formigo kiel kolonioj ofte okazis sen observo de etnologiaj donitaĵoj fare de la koloniaj potencoj, oni enkondukis post la akiro de la sendependeco afrikajn lingvojn kiel naciajn lingvojn, kiuj devis anstataŭi la lingvojn de la iamaj koloniaj potencoj. Tiel ekz. en 1967 en Tanzanio (DIAGNE, 1967, 28) kaj ekde 1970 paŝon post paŝo en Kenjo (GORMAN 1973, 76 kp.) oni enkondukis la svahilon kiel oficialan administracian kaj nacian lingvon.
En Somalio, la 1an de oktobro 1973, oni proklamis la somalan lingvon deviga ŝtata lingvo (BRAUNER 1975, 266). Same per registara decido afrikaj lingvoj estas enkondukitaj i.a. en Rvando (Kirvana), Burundo (Kirundi), Centra Afrika Respubliko (Sango), Bocvano (Secvana), Lesoto (Sesoto) kaj Malagasio (Malagasa). Per tio la iamaj koloniaj lingvoj paŝon post paŝo estas anstataŭataj per afrikaj naciaj lingvoj, la angla en Tanzanio, Kenjo, Bocvano, Lesoto; la franca en Rvando, Burundo, Centra Afrika Respubliko, Malagasio; kaj la itala en Somalio (KNAPPERT, 1970, 31). Sen la laŭcela kaj la laŭplana agado de lingvistikaj kaj ŝtataj institucioj tia evoluo ne eblus.

### 2.2. Laŭplana influado sur la kampo de skribo

Esenca kaj celdirektita influado de la lingvoevoluo fare de la homo estas la alfabetigo de ĝis tiam senskribaj lingvoj, ĉar ortografio estas rezulto de konvencio. La skriba fiksado de lingvo estas grava antaŭkondiĉo por la kreado de ĝia normita literaturlingva formo. Plua paŝo estus la reformigo de unuopaj partoj de la skribo. La plej grava interveno sur la kampo de skribo tamen estas, se oni anstataŭas tradician skribsistemon per tute alia. En Sovetunio oni post la venko de la Oktobra revolucio en ĝis tiam nekonata amplekso konscie evoluigis multajn lingvojn al literaturaj lingvoj kaj per tio adaptis ilin al la bezonoj de la evoluanta socialisma sociordo. Per tio oni realigis esencan postulon de la Lenin-a nacieca politiko. La plej grava antaŭkondiĉo por tio estis la kreado de skriboj por ĝis tiam senskribaj lingvoj. Do oni ellaboris sur scienca bazo skribojn por pli ol 40 senskribaj lingvoj, ĉefe surbaze de la latina kaj cirila alfabetoj, kaj enkondukis ilin en la praktikon (BAZIEV/ISAEV, 1973, 110). Tiun ĉi evoluon akcelis lingvistikaj kaj lingvopolitikaj institucioj, tiel ekz. la centra komitato „Nova alfabeto" kaj la komitato „Nova alfabeto de la popoloj de la nordo". La kirgiza kaj turkmena skribaj lingvoj ekz. estas kreitaj nur dum la soveta tempo. En 1913 ekzistis en la taĝika lingvo eĉ ne unu libro. Ĝis 1950 la eldonkvanto de ĉiuj libroj presitaj en taĝika lingvo atingis 2,313 kaj en 1970 4,1 milionojn (LÖTZSCH, 1979, 38). Ankaŭ en Afriko la politikaj, ekonomiaj kaj sociaj ŝanĝoj, ligitaj al la evoluo de

la junaj sendependaj naciaj ŝtatoj, postulas la kreadon de skriboj por ĝis tiam senskribaj lingvoj, por ke tiuj povu transpreni siajn rajtojn kiel naciaj lingvoj. Tiel la somala lingvo, la ŝtata lingvo de Somalio, en 1972 ricevis skribon sur la bazo de la latina alfabeto (MEWIS, 1975, 324). Por diversaj afrikaj lingvoj, kiuj ĝis tiam ne disponis pri skribo, oni kreis skribojn sur la bazo de la latina alfabeto, tiel i.a. por la okcidentafrikaj lingvoj Fulani (Fuldulde), Bambara, Malinké, Songhay, Tamashek, Haussa, Kanuri kaj Pleul (UNESCO-Kuriero 5/1966, p. 35).

Reformoj en kelkaj partoj de skribo (ortografiaj reformoj) ne estas maloftaĵo. Ili havas sian originon en certaj diverĝoj inter grafemo kaj fonemo, estiĝantaj surbaze de lingvaj alkutimiĝoj. Tiel post la Oktobra revolucio jam en 1918 oni plisimpligis la rusan ortografion (ekz. unuecigo de la genitiva finaĵo de maskulinaj kaj neŭtraj adjektivoj ‚aro' kaj ‚яго' fariĝis kaj ‚oro' kaj ‚ero', forigo de malmoleca signo, anstataŭo de „i" (мipa) per „u" (мupa) k.t.p. En la nederlanda lingvo okazis dum 150 jaroj ses reformoj, kiuj celis ĉefe la preskaŭ perfektan asimiligon de fremdaj vortoj. La rezulto estas preskaŭ tute ortofonetika skribmaniero, tipa ankaŭ por Esperanto (ekz. Phase ⟶ ned. fase ⟶ Esperanto fazo; Asthma ⟶ ned. astma ⟶ Esperanto astmo; Bataillon ⟶ ned. bataljon ⟶ Esperanto bataliono). La dana ortografia reformo ĉefe koncernis la forigon de la majuskligo kaj la adapton de la skribmaniero de kelkaj vortoj al ilia prononco (skulde ⟶ skulle [devi]; vilde ⟶ ville [voli]) kaj estis konsiderata bona sukceso.

Ŝanĝoj de la franca ortografio en la 12a jarcento celis la forigon de la homonimio. Tiel juristoj surbaze de la etimologio ŝanĝis la ortografion, ekz. ‚rat' (ŝtelo) en ‚rapt' (nuntempe ‚forkonduko', ‚forrabo') de la latina ‚raptus' por diferencigi ĝin de la franca ‚rat' (rato).

Kompleta ŝanĝo en la skribkutimo de popolo okazas, se oni anstataŭas uzatan skribsistemon per alia. Tio ja estas malofta, sed klara simptomo de reguliga interveno de la homo en la lingvan sferon.

Subtenita de la politika movado de la „novturka revolucio", gvidita de ATATÜRK, la turka lingvoreformo komenciĝis en 1928. Esenca parto de tiu ĉi reformo estis la anstataŭo de la araba skribo per la latina alfabeto pere de registara dekreto. Tiu ŝanĝo okazis dum unu jaro. La skribreformo celis faciligi la aligon de Turkio al la relative altevoluintaj okcidenteŭropaj ŝtatoj, repuŝi la influon de islamo kaj subteni la batalon kontraŭ analfabeteco (HEYD 1954, 22–25).

La skribojn de kelkaj sovetaj lingvoj oni eĉ dufoje anstataŭis per alia. Tiel ekz. por la uzbeka lingvo estis uzata la araba alfabeto, kiu estis anstataŭita en 1928 per alfabeto sur la bazo de la latina. La enkonduko de la latina alfabeto akcelis la alfabetigon de la popolo. La objektivaj procesoj de la proksimiĝo inter la sovetaj popoloj tamen pravigis en 1940 la denovan anstataŭon de la skribo per alia. La uzbeka alfabeto ricevis kiel bazon la cirilajn literojn.

Tiu ĉi reformo estis multe pli malfacila ol la unua, ĉar intertempe (ĝis 1940) la plej granda parto de la uzbeka popolo jam estis lerninta la legadon kaj skribadon. Ankaŭ la skribsistemon de la kirgiza lingvo oni dufoje ŝanĝis (1928 enkonduko de la latina kaj 1938 de la cirila skribo) kaj kelkfoje reformis (1944, 1947, 1951, 1958) (MEIER, 1975, 295). La tuvina lingvo, kiu post la revolucio unuafoje ricevis skribon surbaze de la latina alfabeto, en 1941 estis ekipita per cirila alfabeto.

### 2.3. Rezultoj de konscia lingvodirektado sur la kampo de leksiko

Sur la kampo de ortografio celdirektitaj ŝanĝoj ĝenerale estas pli facile kaj pli efike fareblaj ol sur la leksika kampo. Al la celitaj ŝanĝoj en la leksiko de lingvo oni i.a. povas kalkuli:

1. – Kreado de terminoj por novaj nocioj en lingvoj, kiuj dum mallonga tempo ricevis novan socian funkcion (ekz. en Azio kaj Afriko)
2. – Kreado de novaj terminoj por jam konataj nocioj (i.a. pro naciismaj aŭ purismaj celadoj)
3. – Unuecigo (normigo) de teknikaj kaj sciencaj terminoj por ebligi pli efektivan nacian kaj internacian scienceteknikan laboron
4. – Reguligoj sur la semantika kampo de kelkaj pleje ideologie signifaj vortoj.

La konsciaj modifoj en la leksiko povas esti farataj de unuopaj personecoj aŭ privataj aŭ ŝtataj institucioj. Plej ofte tiuj faktoroj kune efikadas. Apartan signifon por la estiĝo de nacia skriba lingvo (literatura lingvo) havis la lingvokrea agado ĉefe de verkistoj, kiel PUŜKIN, LERMONTOV kaj GOGOL por la rusa, LUSIN por la ĉina, ŜIMAZAKI TOSON por la japana, la verkoj de LESSING, GOETHE, SCHILLER kaj HEINE por la germana lingvo, la verkoj de CORNEILLE, RACINE kaj MOLIÈRE por la franca same kiel la dramoj de SHAKESPEARE por la angla lingvo.

Por la germana lingvo jam en la 10a/11a jarcentoj konstateblas influo de NOTKER VON ST. GALLEN je la germanan vortfaradon (sin ‚Sinn' = senco, Lera ‚Lehre' = instruo, friheit ‚Freiheit' = libero k.s.).

Pro ilia malvasta kaj purisma rilato al fremdaj vortoj la germanigaj provoj de kelkaj lingvopurigantoj estis nur tre limigitaj. Tamen aro da germanigoj eniris en la germanan lingvon, kiel pruvas E. ENGEL (1919). Devenas ekz. de PHILIPP von ZESEN (1619–1688) i.a. Abstand (por Distantia = distanco) kaj Anschrift (por Adresse = adreso). J. H. CAMPE (1746–1818) kreis i.a. Abhilfe (por Remedur = helpo, forigo, korekto), Amtskleid (por Ornat = ornato), auffällig (por ostentativ = frapanta, demonstrativa). De la 3 404 novkreitaj kaj novuzitaj vortoj de CAMPE nur ĉirkaŭ 5 % (apenaŭ 200 vortoj) enradikiĝis en la germana lingvo (BETZ 1960, 92).

Ankaŭ poetoj kiel GOETHE (‚abgetrennt' por ‚isoliert' = izolita; Abschattung por ‚Nuance' = nuanco) kaj LESSING (‚anspielen' de lat. ‚alludere' = aludi; ‚aufarbeiten' por ‚modernisieren' = modernigi) havis vortkrean influon. Ankaŭ por aliaj lingvoj influo de novigoj estas konstatebla. Tiel laŭ H. BECKER (1948, 93) 6 000–7 000 novaj vortoj ekde la mezo de la 19a jarcento originas en la vortkrea agado de hungaraj verkistoj kaj aliaj eminentuloj, el kiuj nomindas ĉefe F. KAZINCZY, F. FALUDI kaj BARCALALVIS.

Por SCHUCHARDT, bona koninto de la hungara lingvo, la hungara lingvonovigo estis pruvo por la „signifo de individua agado" (SPITZER, 1922, 194) je la lingvo. Ankaŭ aliaj lingvistoj, tiel O. JESPERSEN (1962, 709), B. MIGLIORINI (1958, 318 kp.), B. COLLINDER (1938, 36 kp.) kaj P. KRETSCHMER (1925) atestas multnombrajn pruvojn pri la krea lingvoagado de unuopaj elstaruloj. Rimarkindas la fakto, ke la estona lingvoreformisto J. AAVIK kreis aron da vortoj tute arbitre, sed atentante tipajn estonajn silabostrukturojn (ekz. ‚laip' por kadavro, mortinto; kaj ‚relv' por armilo) (TAULI, 1968, 23), kiujn la registaro enkondukis per dekreto kaj kiuj ekzistas ĝis hodiaŭ.

La kreado de nova literaturo en plej granda amplekso estis plenumita fare de sovetaj lingvistoj, terminologoj kaj verkistoj. En multaj naciaj lingvoj, kiuj post la venko de la Oktobra revolucio ricevis skribon, mankis tiaj terminoj kiel ‚litero', ‚alfabeto', ‚profesio', ‚libro', ‚instruisto', ‚lernanto' k.t.p., ĉar en tiuj ĉi lingvoj ĝis tiam mankis instruado. Necesis do laŭplane evoluigi la vorttrezoron dum plej mallonga tempo tiom, ke oni povis aperigi gazetojn, peri mezgradan klerecon kaj traduki en tiujn lingvojn. Ĉe tio oni povis unuflanke baziĝi sur rusaj kaj internaciaj terminoj (tio estas ekz. 70–80 % de la juna baŝkira literatura lingvo) kaj aliflanke maksimume uzi la eblecojn de vortfarado, enestantaj en la lingvo, kiel tio okazis ĉe la armena kaj gruzina lingvoj (DEŜERIEV 1971, 201). Ankaŭ sovetaj verkistoj grave partoprenis en la evoluigo de esprimiva literatura lingvo. Tiel ekz. SADRIDDIN AINÎ (1878–1954) en 1924 skribis la unuan literaturaĵon en tiu ĉi lingvo, la novelon „Odina" (LORENZ, 1975, 271).

Dum malmultaj jardekoj de soveta regado oni laŭplane evoluigis multajn lingvojn en USSR al riĉaj kaj esprimivaj

komunikiloj, kiuj disponas pri propra beletra kaj fakscienca literaturo. ATATÜRK kaj lia aŭtoritateco laŭplane akcelis la reformon de la turka leksiko. La turka lingvosocieto, fondita en 1932, unuflanke havis la taskon purigi la turkan lingvon de persaj kaj arabaj vortoj kaj krei turkajn ekvivalentojn, havis do purismajn celojn kaj devis krom tio krei multajn sciencteknikajn terminojn. Laŭ SERÉBRENNIKOV la leksiko de la turka lingvo ekde la 30aj jaroj ĝis la nuntempo estis novigita je 30–35 % per anstataŭo de arabaj kaj persaj vortoj per turkaj (SERÉBRENNIKOV 1973, 369). Krom tio turkaj terminologoj nur de 1938 ĝis 1949 kreis pli ol 125 000 teknikajn terminojn (HEYD 1954, 40). Similaj tendencoj ekzistas, kiel SPITZBARDT (1973, 540) pruvas, ankaŭ en la indonezia kaj hindia lingvoj.

Rimarkinda ekzemplo por la historie mallongtempa konscia kaj laŭplana evoluigo de nacia lingvo, precipe sur leksika kampo, ankaŭ estas Bahasa Indonesia, la ŝtata lingvo de Indonezio. La jam en 1942 fondita Komisi Bahasa Indonesia (Indonezia Lingvokomisiono) havis la taskon provizi la lingvon per moderna kaj adekvata gramatiko kaj laŭplane kompletigi ĝin per vorttrezoro kaj el la ĉiutaga vivo kaj el scienco kaj tekniko (HILGERS-HESSE, 1965, 90 kp.). Pluaj similaj institucioj sekvis post la fondo de la indonezia respubliko. Gravan parton de tiu ĉi laboro faris ankaŭ la en 1950 fondita Komisi Istilan Direktorat Bahasa dan Kesusastraan (Terminologia Komisiono ĉe Direktorio por Lingvo kaj Literaturo). De 1952 ĝis 1965 oni kreis pli ol 320 000 novajn terminojn (KÄBEL 1969, 83). La indonezia gazetaro subtenis la disvastigon de novaj vortoj kaj terminoj, dum kelka tempo indikis nederlandajn aŭ regionlingvajn tradukojn enkrampe, por poste forlasi ilin kaj supozi la vorton konata (HOLMSTROM 1958, 178). Bahasa Indonesia do same montras trajtojn de laŭplana, konscia lingvoevoluigo kaj eĉ tiomgrade, ke oni parolis pri „reformado kaj parta novkreado de la malaja al la indonezia lingvo" (BODENSTEDT 1967, 3). Similaj problemoj de konscia evoluigo de la leksiko ankaŭ staras antaŭ multaj novaj naciaj ŝtatoj en Afriko. En la eŭropaj lingvoj la reguliga influado de partoj de la leksiko ĉefe koncernas la morfologian kaj semantikan flankon de fakterminoj. Terminoj el scienco kaj tekniko estiĝas pli kaj pli grandnombre kaj devas esti formataj en ĉiam pli granda grado laŭ sciencaj principoj. La teknika lingvonormigo, aŭ kun ISCHREYT (1965, 117) pli bone nomita ‚terminologi-normigo', ricevas pli kaj pli grandan signifon por la evoluo de scienco kaj tekniko kaj estas realigata en la unuopaj landoj per normunuiĝoj, tiel ekz. en Danlando (Terminologiecentralen), Francio (Comité d'Étude des Termes Techniques), Japanio (Terminologia Komitato ĉe Council of Advancement of Science), k.t.p. (HOLMSTROM 1958, 223–227).

Ankaŭ en USSR oni praktikas la „normigon de terminologio" (standartizacija terminologii) sur ŝtata nivelo.

La rapidega evoluo de la scienca-teknika revolucio en la kadro de la socialisma ŝtataro, ĉefe la socialisma integriĝo, pli kaj pli postulas internacian terminologinormigon, kies ĉefajn problemojn WÜSTER (1913; [1968]) detale traktis. Kompreneble oni povus kalkuli, al la rezultoj de konscia lingvokreado sur leksika kampo ankaŭ „artefaritajn vortojn" (Radar) aŭ kontrahojn kiel la rusan „kolĥoz". Ankaŭ sur la semantika kampo de ideologie signifa vorttrezoro provoj de konscia influigo ne maloftas. Aparte masiva provo influi la pensadon kaj sentadon de la homoj per reguligoj sur la semantika kampo de la ideologie signifa leksiko kaj misformi ilian kapablon ekkoni politikajn kaj sociajn problemojn, estis la penadoj de faŝisma lingvoreguligo en la jaroj 1933 ĝis 1945 en Germanio (KLEMPERER, 1957; SEIDEL/SEIDEL-SLOTTY 1961).

Ĉe tio temis unuflanke pri dekretigo de novaj vortsignifoj kaj aliflanke pri anstataŭigo de kutimaj signadoj per aliaj cele al konscia nebuligo de faktoj (GLUNK 1966–1969).

### 2.4. Kodigo de lingvaj normoj

Por ke nacia lingvo povu tute plenumi sian socian funkcion, ĝi devas disponi pri multspecaj aplikeblecoj en ĉiuj sferoj de la nacia vivo kaj pri universale deviga normo. Ĝi do devas disponi pri regulita, skribe fiksita kaj konservita formo (= la literatura lingvo). Ĝi devas posedi en regularoj kodigitan ‚normon'. Sub normo ni komprenas kun SEMENJUK (1973, 459) ĝenerale „la tutecon de la plej stabilaj, plej tradiciaj realigoj de la elementoj de la lingvostrukturo, elektitaj kaj fiksitaj per la socia lingvopraktiko". La konscia kodigo de la fonetika normo (prononcovortaroj), de la ortografia (ortografiaj vortaroj), de la gramatikaj (gramatikoj), stilistikaj (stilvortaroj) kaj semantikaj normoj k.t.p. estas ago de konscia reguliga interveno de la homo en la evoluon de la lingvo. Pro tio oni ĉiam denove atentigas pri tio, ke literatura lingvo en certa senco nepre estas „artefarita", tiel jam ĉe H. PAUL (1937, 412–419), BAUDOUIN DE COURTENAY (1908a, 40) aŭ en pli nova tempo ĉe K. AMMER (1961, 85), V. TAULI (1968, 22) k.a.

## 3. Kelkaj premisoj por la sukceso de konscia lingvoŝanĝado

La nomitaj ekzemploj atestas, ke la homo per pligrandiĝanta metodeco povas konscie kaj laŭplane influi la evoluon de la lingvo. La ekzemploj same evidentigas, ke lingvodirektaj celadoj povas sukcesi nur tiam, se kelkaj kondiĉoj estas plenumataj.

Al tiuj ni kalkulas:

1. Interveno en sferojn de la lingvo sukcesas nur tiam, se ĝi respondas al objektiva bezono de la socio. Ĉe tio necesas orientiĝi ĉe la lingvaj bezonoj de la plej grava historiformanta potenco, la popolamasoj.

La lingvokrea agado de LUTHER kaj DANTE koincidis kun la objektiva neceso pri ekesto de nacia literatura lingvo kaj orientiĝis laŭ la bezonoj de la popolamasoj.

La troigita orientiĝo de Academie Française je la kortega lingvo estis la ĉefa kaŭzo por tio, ke ĝia influo sur la francan lingvon restis relative malgranda.

En Indonezio la evoluo de Bahasa Indonesia koincidis kun la naciaj interesoj de la popolo. La reformo de la turka lingvo same respondis al la bezono de la turka burĝaro pri aliĝo al la evoluo de la okcidenteŭropaj lingvoj kaj al la celadoj pri repuŝo de la analfabeteco.

2. De granda signifo por la sukceso de konscia lingvoŝanĝado estas la sociaj kondiĉoj sub kiuj tiu evoluo okazas. La leninisma instruo pri la samrajteco de la nacioj respeguliĝas en lingvopolitiko de la soveta registaro. La provizo de multaj lingvoj je skriboj, ja eĉ la ŝanĝo de jam enkondukitaj skribsistemoj, la laŭplana evoluigo de la leksiko kaj aliaj faroj nur eblis, ĉar oni ĝuste prognozis la socian funkcion de la naciaj lingvoj en USSR, ĉar la naciecoj, liberigitaj de la carismo, per granda energio strebis al kleriĝo kaj nacia evoluo kaj bezonas evoluintan nacian lingvon por sia socialisma evoluado. Tia gigante ampleksa konscia lingvoevoluado realigeblas nur sub socialismaj kondiĉoj.

3. Intervenoj en la lingvan evoluon povas sukcesi nur tiam, se oni atentas la konkretan internan strukturon de la lingvo kaj la evolutendencojn, kuŝantajn en la lingva sistemo. Pro tio oni devas atenti, ke ŝanĝo de la socia funkcio de lingvo ankaŭ povas influi la internan strukturon (ekz. okaze de proklamo de regiona lingvo al nacia lingvo kaj ĉe ties normigo).

Germanaj puristoj malĝuste prijuĝis la tendencon de la lingvo pri transpreno de fremdaj vortoj kaj do parte havis nur malgrandan sukceson per siaj germanigoj.

4. Krom la objektiva bezono pri laŭplana konscia lingvoevoluado kaj atentado de la sistemecoj de la lingvoj por la sukceso de lingvoplanado same gravas, ke ŝtataj kaj sociaj institucioj, amasmedioj kaj elstaraj personecoj subtenas ĝin.

Se la verkoj de verkistoj havas signifon por la intelekta evoluo de popolo, tiam ilia lingvouzo ne malofte fariĝas modelo. La lingvoreformojn en Turkio kaj Indonezio ŝtata aŭtoritato esence akcelis. La evoluigo de naciaj lingvoj al literaturaj

lingvoj en USSR estis tasko, kies realigon portis la tuta soveta ŝtato.
5. Oni plue devas atentigi pri la fakto, ke daŭre kreskadas la signifo de la subjektiva faktoro, aparte sub socialismaj socikondiĉoj. Lingvokomunumo partoprenanta pli kaj pli konscie la gvidadon de sociaj procezoj, ankaŭ rilatos akcepteme al la konscie stiritaj ŝanĝoj en la lingvo, se tiuj ŝanĝoj respondas al objektiva intereso de tiu lingvokomunumo.
6. En la epoko de la scienc-teknika revolucio daŭre kreskadas la signifo de la scienco. Pro tio science bazita analizo de lingvoj kaj de la lingvaj cirkonstancoj, la science bazita taksado de la komunikaj kapabloj de lingvoj kaj ties science motivita kaj gvidata evoluigado estas de granda signifo. La koncentrita lingvo-ŝanĝa agado en USSR, kiu ankoraŭ daŭras, baziĝas sur ampleksa scienca analizo de la senskribaj naciaj lingvoj, ties dialektoj kaj evoluo.
La sociaj cirkonstancoj kaj la sciencaj potencoj, permesantaj la lingvo-ŝanĝon, tiomgrade ĝis nun ekzistis nur en USSR.

## 4. Lingvoplanado kaj planlingvoj

### 4.1. Lingvoplanado

Kiel montrite, ekzistas multspecaj rezultoj de laŭplana influado de la homo je ĝia komunikilo lingvo. Precipe la praktiko de la soveta lingvoscienco grandamplekse „montris la principan eblecon krei kaj disvastigi novajn normojn kaj ankaŭ krei novajn formojn de la lingvo (la literaturajn lingvojn", kiel emfazas NIKOLSKIJ 1971, 230).
Se dum la unua kvarono de la 20a jarcento ampleksaj laŭplanaj lingvotransformadoj en USSR estis kondiĉitaj de la postuloj de la socialisma sociordo aŭ en Turkio de dumtempaj progresaj sociaj procesoj, tiam post la Dua mondmilito la disfalo de la koloniaj regnoj estis la ĉefa kondiĉo por la estiĝo de granda bezono pri konscia lingvotransformado, precipe en multaj aziaj kaj afrikaj ŝtatoj, tiel ke nuntempe „la problemo de lingva planado havas neordinaran aktualecon", kiel substrekas NIKOLSKIJ (1971, 229).
Sed ankaŭ por la tradiciriĉaj eŭropaj literaturaj lingvoj laŭplana influado havas grandan signifon, ĉar staras la tasko optimumigi ilin por la komunikbezonoj de la socio.
Por tio la socialisma socio kreis aparte favorajn eblojn. Kvankam jam dum la 20aj kaj 30aj jaroj la soveta lingvoscienco okupiĝis pri problemoj, koncernantaj la planadon de lingvo kaj kvankam fine de la 20aj jaroj la Praga Lingvistika Skolo intense okupiĝis pri demandoj de lingva kulturo, ampleksa teorio pri la problemaro de la planado de lingvaj procesoj („lingvoplanado", Sprachplanung, language planning, language engineering, jazikovaja politika, jazikovoje stroitelstvo) kiel parto de socilingvistiko evoluis nur ekde la fino de la 50aj jaroj, ĉe kio en la okcidentaj publikigoj la grandega faktomaterialo de la soveta scienco kaj ties teoriaj ĝeneraligoj nur nekontentige estis konsiderataj. En la kadro de tiu ĉi ellaboraĵo ne povas esti traktataj la multflankaj problemoj, kiuj staras antaŭ la lingvoplanado kaj estas esplorataj de ĝi.
La nomo de ĉi tiu nova lingvistika disciplino, la limigo de ĝia esplorkampo kaj de ĝiaj taskoj ankoraŭ ne estas unueca. Tiel oni trovas la terminojn ‚lingvoplanado', ‚lingvodirektado', ‚lingvokulturo' kaj ‚lingvopolitiko' ofte sinonime aŭ kun reciproke transiranta taskaro. ‚Lingvokultivado', ‚lingvonormigo', ‚lingvoreguligo' estas pliaj terminoj, kiuj ĉiuj estas interligitaj kaj pli aŭ malpli celas la konscian kaj laŭplanan influadon je la lingvo fare de la homo. Lingvoplanadon kaj lingvodirektadon oni povas konsideri sinonimoj, ĉe kio la termino ‚lingvoplanado' ŝajnas sukcesi kaj proksimume estas konforma al la termino ‚language engineering' aŭ ‚jazikovoje stroitelstvo'. Sub lingvoplanado (language planning) ni komprenas kun TAULI „La metodika aktivado, reguliganta kaj pliboniganta ekzistantajn lingvojn aŭ kreante novajn komunajn regionajn, naciajn aŭ internaciajn lingvojn. Lingva planado entenas ĉiujn sferojn de la parola kaj skribita formo de lingvo: fonologio, morfologio, sintakso, leksikologio (vortaro) kaj ortografio". (TAULI 1968, 27)
Laŭ tio oni do povas kalkuli ‚lingvonormigon', ‚lingvoflegadon' aŭ ‚lingvokulturon' (jazikovaja kultura, kultura reči) same al lingvoplanado.
Apogante nin je WÜSTER (1913, 2) kaj BEIER (1960, 2) ni komprenas sub lingvonormigo (aŭ pli bone terminologionormigo) tiujn celadojn kaj farojn, kiuj servas al la morfologia kaj semantika unuecigo de la scienca kaj teknika terminologio, precipe ankaŭ al la kreado de terminoj.
Anstataŭ la nocio lingvokultivado, kiu ofte esprimas nur konservantan sintenon al la lingvo, la pli ampleksa nocio ‚lingvokulturo' ŝajnas esti pli rekomendinda. Lingvokulturo estas komprenata kiel „celkonscia flegado de la skriblingvo (= literatura lingvo – D. B.), ties pliperfektigo kaj kultivado" (KACALA, 1974, 61). Laŭ BAZIEV/ISAEV (1973, 136) certe estas ĝuste, precipe rilate al multnaciaj lingvoj, distingi inter ‚lingvopolitiko' kaj ‚lingvoplanado'. Lingvopolitiko (jazikovaja politika, ankaŭ language policy) laŭ tio estus la lingva aspekto de la tuteco de politikaj faroj de ŝtato rilate al la nacia demando, pri kiuj decidas la respektiva politiko de tiu ŝtato, la reganta klasa situacio.
Lingvoplanado (jazikovoje stroitelstvo) do estus la praktika realigo de la faroj, fiksitaj de la lingvopolitiko. Sekve lingvopolitiko kaj lingvoplanado formas dialektikan unuon. La terminon ‚lingvoreguligo' oni ĝenerale rilatigas al la konscia ideologia manipulado pere de la lingvo.
La teoriuloj de lingvoplanado ĝenerale interkonsentas pri tio, ke lingvoplanado inkludas lingvoprijuĝon (language evaluation) kaj lingvoplibonigon (language improvement), ĉar aliokaze decidoj pri lingvaj statoj kaj ties pozitivaj ŝanĝoj ne eblus.

### 4.2. Rilatoj inter lingvoplanado kaj planlingvoj

Inter lingvoplanado kaj planlingvoj ekzistas intimaj interrilatoj:
1) Inter la konscia reguligo interne de naciaj lingvoj (lingvoplanado) kaj ekz. la uzado de romania lingvomaterialo por la kreado de planlingvo, kiel Esperanto, kvalite ne ekzistas esenca diferenco. Dum la lingvoplanada influo de la homo ĉe la traktitaj ekzemploj restis limigita je *unuopaj partoj de la lingvo*, tiel lingvoplanado en la kazo de internacia lingvo kiel Esperanto koncernas la *tutan sistemon*. Ĉi tie la lingvoplanado ne havis nur parte ŝanĝan, sed universale krean karakteron, ĉe kio oni sekvis la modelon de „naturaj" lingvoj. Jam BAUDOUIN DE COURTENAY skribis pri tio: „Inter la transformado de nur certaj detaloj kaj la transformado de tuta lingvo ekzistas nur kvanta, sed ne kvalita diferenco" (BdC, 1908b, 10).
Ni do revenas al la interrilato de la spontanea kaj konscia, de la „natura" kaj „artefarita" en la lingvo.
BAUDOUIN DE COURTENAY analizis je la ekzemplo de Esperanto la diferencojn kaj komunaĵojn inter planlingvo kaj „naturaj" lingvoj kaj konstatis, ke „nek en Esperanto nek en aliaj „artefaritaj" lingvoj, konstruitaj laŭ la sama aposteriora metodo, ekzistas io, kio ne same ekzistas en la „naturaj", tradicie, spontanee hereditaj lingvoj.
Kaj en la „naturaj" kaj ankaŭ en la „artefaritaj" lingvoj enestas la samaj elementoj kaj la samaj direktoj, *nur en alia* ordo, en aliaj kunigoj kaj en alia kvalita interrilato" (BdC, 1908b, 10). (substrekita de mi – D. B.)
JESPERSEN (1962, 705) same emfazas, ke la diferenco inter t.n. „artefaritaj" lingvoj „estas pli grada ol de esenca karaktero". Li daŭrigas: „Tre multo en la tiel nomataj naturaj lingvoj estas „artefarita" kaj tre multo en la tiel nomataj artefaritaj lingvoj estas tre natura."
D. GERHARDT (1951, 196) atentigas pri la grada diferenco en la lingvoinfluado, ekzistanta inter la reguloj de Duden kaj la agado de la lingvopurigistoj unuflanke kaj iu „Weltdeutsch" aliflanke, same pruveble inter la penadoj de Academie Française kaj la naturalismaj provoj de A. LIPTAY kaj J. LOTT krei idealan romanian lingvon. Tiu opinio same espri-

miĝas en la verkoj de R. H. MEYER kaj A. BAUSANI, kiuj ordigis la pruvojn de konscia lingvokreado de la invento aŭ kreado de unuopaj lingvoelementoj ĝis la konstruado de tutaj lingvoj. Ne mirige do, ke, kiel jam menciite, lingvistoj kiel i.a. A. SCHUCHARDT, J. BAUDOUIN DE COURTENAY, O. JESPERSEN, E. WÜSTER, A. MARTINET, K. AMMER aŭ la sovetaj lingvistoj kiel E. A. BOKAREV, G. SEVAK, V. P. GRIGOR'EV kaj M. I. ISAEV, starantaj en pozitiva rilato al lingvoplanado, same jesas la funkcieblon de planlingvo aŭ kunagis respektive ankoraŭ agadas en la planlingva movado. Estas do kompreneble, ke kelkaj lingvistoj, tiel ekz. i.a. MAYRHOFER (1974), SPITZBARDT (1973), GRIGOR'EV, ISAEV plenintence kreis interligon inter lingvoplanado kaj interlingvistiko. Por TAULI interlingvistiko eĉ estas parto de la lingvoplanado: „Interlingvistiko povas esti difinita kiel la scienco de internacia lingvo-planado, aŭ pli precize, tiu branĉo de la teorio pri lingvo-planado, kiu esploras la principojn, metodojn kaj taktikojn de planado de internaciaj lingvoj" (1968, 167).

2. Aliflanke oni komprenas lingvoplanadon ne nur nacia, sed ankaŭ internacia tasko.

Jam E. WÜSTER, kiu kreis gravajn fundamentojn por la teknika lingvonormigo, komprenis tiun taskon internacikadre, kion indikas jam la titolo de lia verko „Internacia lingvonormigo". La intensigo de la internacia kunlaboro sur ĉiuj kampoj de homaj aktivecoj pligrandiĝas. Tiu objektiva fenomeno etendiĝas ankaŭ al la lingvoj kaj la internacia lingva komunikado. Pro tio oni devas konsenti kun J. D. DEŜERIEV, se li postulas kiel gravan taskon de lingvoplanado ankaŭ „la planadon de la etendiĝo de la *lingvistika tutmonda proceso*" (substrekita en la originalo – D. B.), kiu devas esti esplorata sub diversaj aspektoj, sub tutmonde ĝenerala, scienca-teknika, kultura k.t.p. (1971, 197).

Ĉi tie fermiĝas la cirklo de la interlingvistika aspekto de la planlingva problemo ĝis la lingvoplanado.

Se ĝuste en USSR interlingvistikaj demandoj havas longan kaj bonan tradicion kaj se la tiukampa esplorado lastatempe estas intensigita, tio certe i.a. okazas ankaŭ pro tio, ke Sovetunio disponas pri la plej grandaj spertoj sur la kampo de lingvoplanado.

La rolo de la subjektiva faktoro en la evoluo de la produktivaj fortoj daŭre kreskas. La homo lernas pli kaj pli bone ekkoni la leĝojn ne nur de la naturo, sed ankaŭ de la socio kaj utiligi ilin konscie kaj laŭplane. Plenamplekse tio eblas en la socialisma kaj komunisma sociordo: „La homoj tiam plenkompetente aplikos kaj do regos la leĝojn de sia propra socia agado" (ENGELS, 1973b, 264).

Sekve la homo pli kaj pli perfekte regos ankaŭ la lingvon kiel socian fenomenon en ĝia funkciado kaj evoluado, kiel Karl MARX kaj Friedrich ENGELS antaŭdiris: „Ke la individuoj siaflanke ankaŭ tiun produkton de sia specio (la lingvon – D. B.) plene prenos sub sian kontrolon, estas memkompreneble." (MARX/ENGELS 1973, 448)

## 5. Uzita literaturo


ACHMANOVA, O. S. / BOKAREV, E. A. (1956): Meždunarodnyi vspomogatel'nyj jazyk kak lingvističeskaja problema, en: Voprosy jazykoznanija, Moskva, Vol. V, 6/1956, p. 65–78

ALISJAHBANA, S. T. (1953): Developing a national language in Indonesia, en: The use of vernacular languages in education, UNESCO, Paris 1953 (Monographs on fundamental education, Nr. VIII)

AMMER, K. (1961): Sprache, Mensch und Gesellschaft, Halle 1961

ARNDT, E. (1962): Luthers deutsches Sprachschaffen, Berlin 1962

ARUTJUNOVA, N. D. (1973): Das Besondere des sprachlichen Zeichens (in Verbindung mit den Entwicklungsgesetzmäßigkeiten der Sprache), en: Serébrennikow, B. A. 1973a, p. 141–165

BAUDOUIN DE COURTENAY, J. (1908a): Zur Kritik der künstlichen Weltsprachen (veranlaßt durch die gleichnamige Broschüre von Karl Brugmann und August Leskien), Leipzig 1908 [= BdC a]

BAUDOUIN DE COURTENAY, J. (1908b): O języku pomocniczym międzynarodowym, Odczyt publiczny, wygloszony w Warszawie 5 maja 1908 r., Osobne odbicie z „Krytyki", Krakow 1908 [= BdC b]

BAUSANI, A. (1970): Geheim- und Universalsprachen, Entwicklung und Typologie, Stuttgart 1970

BAZIEV/ISAEV, M. I. (1973): Jazyk i nacija, Moskva 1973

BECKER, H. (1948): Zwei Sprachanschlüsse, Leipzig 1948

BEIER, E. (1960): Wege und Grenzen der Sprachnormung in der Technik, Beobachtungen aus dem Bereich der deutschen technischen Sprachnormung, Diss., Bonn 1960

BETZ, W. (1960): Sprachlenkung und Sprachentwicklung, en: Sprache und Wissenschaft, Hamburg 1960, S. 85–100

BODENSTEDT, A. (1967): Sprache und Politik in Indonesien, Heidelberg 1967

BOKAREV, E. A. (1967): La internacia lingvosituacio kaj eblecoj de raciigo, en: der esperantist, Berlin 1967, Nr. 15 (Oktober 1967), p. 7–10

BRAUNER, S. (1974): Soziolinguistische Probleme bei der Herausbildung von Nationalsprachen in Afrika, en: Beiträge zur Soziolinguistik (Hrsg. R. Große, A. Neubert), Halle 1974, p. 47–67

BRAUNER, S. (1975): Ist der Begriff ‚Nationalsprache' auch für Sprachen des subsaharischen Afrikas anwendbar? en: ZPSK 4/5, 1975, p. 263 ff.

BRÉAL, M. (1901): La choix d'une langue internationale, en: La Revue de Paris,Paris, 9. Jahrgang, 4/1901 (Juli-August), p. 229–246

BRUGMANN, K./LESKIEN, A. (1907): Zur Kritik der künstlichen Weltsprachen, Strasburg 1907

BRUGMANN, K. / LESKIEN, A. (1907/08): Zur Frage der Einführung einer künstlichen internationalen Hilfssprache, en: Indogermanische Forschungen, Strasburg, Band 22, 1907/1908, p. 365 ĝis 396

BRUGMANN, K. (1913/14): Die künstlichen Weltsprachen und ihre Aussichten, en: Akademische Rundschau, Leipzig 1913/14, p. 290–309

COLLINDER, B. (1938): La problemo de lingvo internacia, Muusses Esperanto-Biblioteko, Nr. 14 ĝis 15, Purmerend 1938

CONTERNO-GUGLIELMINETTI, Cl. (1973): Dante, il latino e la lingua internazionale, En: La Monda Lingvo-Problemo, Den Haag, Vol. 3, 7/1973, p. 1–10

DESNITZKAJA, A. V. (1972): August Schleicher als Sprachtheoretiker, en: Synchronischer und Diachronischer Sprachvergleich, hrsg. v. H. Spitzbardt, Wiss. Beiträge der Friedrich-Schiller-Universität, Jena 1973 (sic!), Jena 1972, p. 18–36

DEŜERIEV, J. (1971): Die sowjetische Methodologie, Theorie und Praxis der Planung und Prognostizierung der sprachlichen Entwicklung, en: Kjelseth 1971, p. 192–205

DIAGNE, P. (1967): Die afrikanischen Sprachen in der modernen Welt, en: UNESCO-Kurier, Paris 6/1967, p. 27–30

ENGEL, E. (1919): Deutsche Sprachschöpfer, Leipzig 1919

ENGELS, F. (1973a): Anteil der Arbeit an der Menschwerdung des Affen, en: Marx-Engels-Werke, vol. 20, Berlin 1973

ENGELS, F. (1973b): Anti-Dühring, en: Marx-Engels-Werke, vol. 20, Berlin 1973

ERKES, E. (1956): Zur Reform der chinesischen Schrift, en: Sprachpflege, Leipzig, 3/1956, p. 25

FISHMAN, J. (1968, Red.): Language problems of developing nations, Ed. J. A. Fishman, Ch. A. Ferguson, J. Das Gupta, New York 1968

FISHMAN, J. (1974): Advances in language planning, ed by J. A. Fishman, The Hague 1974

GERHARDT, D. (1951): Zur Problematik künstlicher Weltsprachen, en: Studium Generale, Berlin 4/1951, p. 192–203

GLUNK, R. (1966–69): Erfolg und Mißerfolg der nationalsozialistischen Sprachlenkung, en: Zeitschrift für deutsche Sprache, Berlin 1966–1969, Vol. 22–25

GORMAN, T. P. (1973): Language allocation and language planning in a developing nation, en: RUBIN 1973, p. 72–82

GRIGOR'EV, V. P. / ISAEV, M. I. (1962): O nekotorych problemach issledovanija zakonomernostej razvitija nacionalnych jazykov v svjazi s razvitiem socialističeskich nacii, en: Izvestija Akademii nauk SSSR, otdelenie literatury i jazyka, Bd. XXI, 6, Moskva 1962, p. 562–566

GRIGOR'EV, V. P. (1960): J. A. Baudouin de Courtenay i interlingvistika, en: J. A. Baudouin de Courtenay (k 30-letiju so dnja smerti), Moskva 1960, p. 53–66

GRIGOR'EV, V. P. (1963): Kultura jazyka i jazykovaja politika, en: Voprosy kultury reči, IV, Moskva 1963, p. 5–20

GRIGOR'EV, V. P. (1966): O nekotorych voprosach interlingvistiki, en: Voprosy jazykoznanije, Moskva, Vol. XV, 1/1966, p. 37–46

GUCHMAN, M. M. (1973): Die Literatursprache, en: SERÉBRENNIKOW 1973a, p. 412–454

HARTUNG, W. (1974, Red.): Sprachliche Kommunikation und Gesellschaft, Berlin 1974

HAUGEN, E. (1966a): Linguistics and language planning, en: Sociolinguistics, Proceedings of the UCLA Sociolinguistics Conference 1964, The Hague 1966, p. 50–71

HAUGEN, E. (1966b): Language conflict and language planning, Cambridge 1966

HEYD, U. (1954): Language Reform in modern Turkey, Jerusalem 1954

HILGERS-HESSE, J. (1965): Beiträge zur Entwicklungsgeschichte der Bahasa Indonesia unter besonderer Berücksichtigung einiger syntaktischer Fragen, Heidelberg 1965

HOLMSTROM, J. E. (1958, Eld.): Scientific and technical translating and other aspects of the language problem, Paris 1958

ISCHREYT, H. (1965): Studien zum Verhältnis von Sprache und Technik, Institutionelle Sprachlenkung in der Terminologie der Technik, Düsseldorf 1965

JESPERSEN, O. (1962): Nature and Art in Languages, en: Selected Writings of Otto Jespersen, London 1962, p. 605–724

KÄBEL, I. (1969): Einige Gedanken zu aktuellen Problemen der Entwicklung der Bahasa Indonesia, en: ZPSK, Vol. 22, 1969, p. 602 ff.

KACALA, J. (1974): Kommunikation, Norm und Sprachkultur, en: Linguistische Studien (A), Berlin 1974, Nr. 9, p. 59–65

KJOLSETH, R. / SACK, F. (1969, Hrsg.): Zur Soziologie der Sprache. Ztschrft. f. Soziologie, Sonderheft 15, Opladen 1971

KLAUS, G. (1972): Semiotik und Erkenntnistheorie, Berlin 1972

KLEMPERER, V. (1957): LTI, Notizen eines Philologen, 3. Auflage, Halle 1957

KLIMOW, G. A. (1973): Das Problem des Fortschritts in der Entwicklung der Sprachen, en: SERÉBRENNIKOW 1973a, p. 249–254

KNAPPERT, J. (1970): The problem of national

languages and education in Africa, en: La Monda Lingvo-Problemo, Den Haag, Vol. 2, 4/1970, p. 21–37
KRETSCHMER, P. (1925): Die Wortschöpfer, en: Germanistische Forschungen, II/2, Wien 1925, p. 227–249
KUBRJAKOWA, J. S. (1973): Die Sprache als eine sich historisch entwickelnde Erscheinung, en: SERÉBRENNIKOW 1973a, p. 165–220
LAFARGUE, P. (1912/1913): Die französische Sprache vor und nach der Revolution, en: Ergänzungshefte zur Neuen Zeit, Stuttgart 1912/1913, Nr. 15
LENIN, W. I. (1973): Über das Selbstbestimmungsrecht der Nationen, en: Lenin, Werke, Band 20, Berlin 1973
LORENZ, M. (1975): Sadriddin Aini. Zur Entwicklung der modernen tadshikischen Nationalsprache, en: ZPSK 4–5/1975, p. 271 ff.
LÖTZSCH, R. (1973): Einige Aspekte der Sprachsituation und der Sprachpolitik in der Sowjetunion (Am Beispiel der Sprachen der nichtrussischen Nationalitäten), en: Linguistische Studien, Reihe A, Arbeitsberichte, Berlin 1973, Nr. 5, p. 17–60
MARTINET, A. (1946): La linguistique et les langues artificielles, en: Word, New York, Vol. 2, No. 1, April 1946, p. 37–47
MARTINET, A. (1963): Grundzüge der allgemeinen Sprachwissenschaft, Stuttgart 1963
MARX, K. / ENGELS, F. (1973): Die deutsche Ideologie, en: Marx-Engels-Werke, Vol. 3, Berlin 1973
MAYRHOFER, M. (1974): Plansprachen und Sprachplanung. Geschichte, Kritik, Perspektiven, en: Festschrift zur Feier des 125-jährigen Bestehens der Sächsischen Akademie der Wissenschaften zu Leipzig, Berlin 1974, p. 77–86
MEIER, G. F. (1972): Sprachpolitik und Sprachentwicklung in der Union der Sozialistischen Sowjetrepubliken seit ihrer Gründung, en: ZPSK, Vol. 25, 6/1972, p. 483–491
MEIER, G. F. (1975): Zur kirgisischen, altaischen und tuvinischen nationalen Literatursprache, en: ZPSK, 4–5/1975, p. 288 ff.
MEIER, G. F. (1973): Zur Wortschatzentwicklung der Nationalsprachen der Sowjetunion, en: Linguistische Studien, Reihe A, Arbeitsberichte, Berlin 1973, Nr. 5, p. 61–75
MEWIS, C. (1975): Bemerkungen zur Sprachpolitik in der Republik Somalia, en: ZPSK 4–5/1975, p. 324 ff.
MEYER, Gustav (1893): Weltsprache und Weltsprachen, en: Essays und Studien zur Sprachgeschichte und Volkskunde, II, Strasburg, 1893, p. 23–46
MEYER, R. M. (1901): Künstliche Sprachen, en: Indogermanische Forschungen, Strasburg 1901, p. 33–92, 243–318
MIGLIORINI, B. (1958): The contribution of the individual to vocabulary, en: B. Migliorini, Saggi linguistici, Firenze 1958, p. 318–330
MIGLIORINI, B. (1932): La artefaritaj elementoj en la naciaj lingvoj, en: Lingva Kritiko, Vol. I, Nr. 8 (Sept. 1932), monata aldono al Heroldo de Esperanto, Horrem/Köln
NIKOLSKIJ, L. B. (1971): Prognose und Planung sprachlicher Entwicklung, en: KJOLSETH 1971, p. 229–237
PAUL, H. (1937): Prinzipien der Sprachgeschichte, 5. eldono, Halle 1937
RUBIN, J. (1973, Red.): Language Planning Current Issues and Research, Washington 1973
RUBIN, J. / JERNUDD, B. (1973): Language planning as practiced today, en: RUBIN 1973, p. XIII–XXIV
SAPIR, E. (1931): The function of an international auxiliary Language, en: Psyche, London 1931, 11/4, p. 4–15
SCHLEICHER, A. (1873): Der Darwinismus und die Sprachwissenschaft, Weimar 1873
SCHLEICHER, A. (1876): Compendium der Vergleichenden Grammatik der Indogermanischen Sprachen, Weimar 1876
SCHUCHARDT, H. (1888): Auf Anlaß des Volapük, Berlin 1888
SCHUCHARDT, H. (1894): Weltsprache und Weltsprachen, an Gustav Meyer, Strasburg 1894
SCHUCHARDT, H. (1904): Bericht über die auf Schaffung einer künstlichen internationalen Hilfssprache gerichtete Bewegung, en: Almanach der Akademie der Wissenschaften, Wien 1904, p. 281 ĝis 296
SEIDEL, E. / SEIDEL-SLOTTY, I. (1961): Sprachwandel im Dritten Reich, 3. eldono, Halle 1961
SEMENJUK, N. N. (1973): Die sprachliche Norm, en: SERÉBRENNIKOW 1973a, p. 454–494
SERÉBRENNIKOW, B. A. (1973a, Red.): Allgemeine Sprachwissenschaft, Vol. I, Existenzformen, Funktionen und Geschichte der Sprache, von einem Autorenkollektiv u. d. Leitung von B. A. Serebrennikow, Berlin 1973 (trad. el la rusa)
SERÉBRENNIKOW, B. A. (1973): Die Sprache als gesellschaftliche Erscheinung, en: SERÉBRENNIKOW 1973a, p. 343–370
SPITZBARDT, H. (1972): August Schleichers materialistische Sprachauffassung im Licht der marxistisch-leninistischen Sprachtheorie, en: Synchronischer und Diachronischer Sprachvergleich, hrsg. von H. Spitzbardt, Wissenschaftliche Beiträge der Friedrich-Schiller-Universität Jena 1973, Jena 1972, (sic!) p. 37–50
SPITZBARDT, H. (1973a): Zur Frage der Sprachplanung in den jungen Nationalsprachen, en: ZPSK, Vol. 26, 5/1973, p. 533–554
SPITZBARDT, H. (1973b): Weltsprachen und Welthilfssprachen, en: ZPSK, Berlin, Vol. 26, 6/1973, p. 630–651
SPITZER, L. (1922): Hugo-Schuchardt-Brevier, Halle 1922
SVADOST, E. (1968): Kak vozniknet vseobščij jazyk? Moskva 1968
SVADOST, E. (1972): Filosofija i sociologija jazyka, en: La Monda Lingvo-Problemo, Den Haag 1972, vol. 4, Nr. 10, p. 34–38
TAULI, V. (1968): Introduction to a theory of language planning, Acta Universitatis Upsaliensis, Studia Philologiae 6, Uppsala 1968
WÜSTER, E. (1968): Internationale Sprachnormung in der Technik, 2. eldono, Bonn 1968, Sprachforum Beiheft Nr. 2
ZPSK = Zeitschrift für Phonetik, Sprachwissenschaft und Kommunikationsforschung, Berlin (GDR)

# Monumenta verko: La „Enciklopedio de Esperanto"

Dum la dudekaj jaroj la Esperanto-movado konsiderinde stabiliĝis kaj akiris relative grandan internacian disvastiĝon. La lingvo altiris la laboristan klason kaj fariĝis socia instrumento. Ĝi uziĝis pli kaj pli por fakaj celoj. Aperis bonegaj literaturaj verkoj. La universalaj kongresoj arigis 2 000, eĉ pli ol 4 000 (1924 en Nürnberg) homojn kaj oni interesiĝis pri Esperanto ĉe la antaŭulo de UN, la „Ligo de Nacioj". Jam en tiu tempo tre forte sentiĝis la bezono pri superrigardaj fakto-kolektoj kaj ordigaj verkoj pri tiu multflanka fenomeno Esperanto, pri kies vivoforto oni jam ne plu povis dubi.

Estis la ruso Ivan Ŝirjaev, kiu lanĉis la ideon verki iun superrigardan verkon pri Esperanto. La hungaro Vilmos Bleier, eldonisto de la fama „Literatura Mondo", kune kun sia samnaciano Ludoviko Kökeny (ankoraŭ vivanta, honora membro de UEA), subtenata de K. Kalocsay kaj tuta aro de diversnaciaj kunlaborantoj, redaktis tian verkon, kiu famiĝis sub la titolo „Enciklopedio de Esperanto". Ĝi aperis en du volumoj: I. A–J 1933, II. K–Z 1934, entute 599 paĝoj kaj 290 fotopaĝoj.

La iniciatinto Ivan Genadieviĉ Ŝirarjev (1877–1933), kiu ne ĝisvivis la aperon de la verko, mem pretigis 2 092 alfabete ordigitajn artikoletojn. Ili formis la kernon de la verko. Pri sia motivo lanĉi la kompilon de tiu enciklopedio li skribis 1930: „Manko en nia literaturo de informlibro, kie esperantistoj precipe kursgvidantoj kaj kursanoj, povos senpene kaj rapide trovi koncizajn kaj ĝustajn sciigojn, necesajn al ili pri kio ajn rilatanta al la Esperanto-movado, kie estus koncentrigitaj kaj eternigitaj biografiaj notoj pri kiel eble plej multaj memorindaj agantoj de la movado kaj cet., igis min entrepreni tiun ĉi malfacilan taskon, al kies plenumo mi dediĉis tutajn jarojn da laborado."

Kion do entenas la verko?

En la „Enciklopedio de Esperanto" oni trovas sennombrajn artikolojn kaj indikojn pri ĉiuj aspektoj de la lingvo Esperanto, pri ĝia lingva strukturo, la movado, literaturo k.t.p.

Ekzemple oni trovas biografiajn indikojn pri ĉirkaŭ 1 500 esperantistoj, informojn pri pli ol 450 libroj, pri la internaciaj kaj landaj Esperanto-organizaĵoj kaj aktivaĵoj. La lingvistika parto, kiun redaktis K. Kalocsay, entenas konsiderindan esperantologian materialon. La artikolvortoj, alfabete ordigitaj kaj du indeksoj (a) laŭ personoj kaj (b) laŭ temoj ebligas facilan orientiĝon.

Do bone, kial skribi pri ja evidente monumenta sed hodiaŭ ne plu akirebla verko?

Nu – ĝi fariĝis reakirebla! Dank al Hungara Esperanto-Asocio, kiu ĝin 1979 reeldonis (sed fakte elliveris nur 1980). En la dua pure fotoofsetpresita eldono estas kunigitaj ambaŭ volumoj en unu. Krome mankas la fotopaĝoj.

Vilmos Benczik verkis „postparolon" al la represo atentigante pri la meritoj kaj mankoj de la verko, mankoj ja nepre relativigendaj pro la paso de pli ol 40 jaroj.

Jam pli ol 10 jarojn UEA planas la eldonon de plene reverkota enciklopedio, sub la ĉefredaktoreco de d-ro Ulrich Lins. Sed montriĝis ne rapide realigebla tiu plano. Intertempe (1974) aperis la moderna manlibro „Esperanto en Perspektivo" de I. Lapenna/U. Lins/T. Carlevaro (kp. miajn recenzojn en GDR-„Paco" 1975, „Esperanto" 2/1975 kaj en „der esperantist" n-ro 70 [2/1975]). Ĝi kaj la represita Enciklopedio formas neelĉerpeblajn informujojn. La Enciklopedio estas bele bindita (artledo, orlitera titolpreso) kaj kostas ĉirkaŭ 60 M. Ĝi estas mendebla ĉe Haus der Ungarischen Kultur, 1020 Berlin, Karl-Liebknecht-Str. 9. (L. Kökeny/V. Bleier/K. Kalocsay/I. Ŝirjaev: Enciklopedio de Esperanto, vol. I + II, 2-a eldono, Hungara Esperanto-Asocio, Budapest 1979, 600 S. + IV, ISNB 963 571 0518)

D. B.

# Pri planlingvoj en kelkaj sciencaj verkoj de GDR

Ne en multaj sciencaj manlibroj de GDR, lingvistikaj kaj aliaj, oni ĝis nun skribis pri Esperanto aŭ la internacia lingva problemo (precipe planlingva). Tamen, pli kaj pli ofte oni tuŝas la problemon kaj mencias ankaŭ Esperanton, ĉu negative aŭ pozitive. Jen kelkaj ekzemploj:

1. En la jaro 1974 aperis germana traduko de la rumana verko „Introducere în lingvisticâ", verkita de kolektivo sub gvido de Aleksander Graur („Einführung in die Sprachwissenschaft", Berlin, Akademie-Verlag, 1974). En tiu verko troviĝas ĉapitro „Internaciaj lingvoj" de Elena Slave (p. 484–494). En tiu ĉapitro la aŭtorino brile demonstras sian kompletan nescion pri la temo kaj ni trovas la konatajn eksmodiĝintajn antaŭjuĝojn, misinformojn kaj erarojn.

2. En „Kleines Wörterbuch sprachwissenschaftlicher Termini" de Rudi Conrad (Leipzig, Bibliographisches Institut 1975) oni trovas sur paĝo 296 korektan artikolon pri „Welthilfssprachen" (mondhelplingvoj), kie ankaŭ aperas la nocio „planlingvo".

3. En „Kulturpolitisches Wörterbuch" (Dietz-Verlag, Berlin 1978) eĉ aperas 2-paĝa artikolo pri Esperanto (180/181), verkita de membro de CLE.

4. 1980 aperis ĉe VEB Bibliographisches Institut Leipzig la germana traduko de la fama rusa verko „Naučnye kommunikacii i informatika" (Moskva 1976) kun la germana titolo „Wissenschaftliche Kommunikation und Informatik", verkita de A. I. Michajlov, A. I. Černyj, R. S. Giljarevskij. La verko enhavas tre interesan ĉapitron „Informado-krizo en la moderna scienco", kiu ankaŭ traktas sufiĉe detale pri la lingva problemo (p. 11–44). En tiu ĉapitro oni i.a. ankaŭ diskutas pri la ŝancoj de„artefarita lingvo". Kiel citendan verkon la aŭtoroj, bedaŭrinde, nur uzis la iom kaosan verkon de E. Svadost (Kak vozniknjet vseobŝij jazyk?, Moskva 1968) kaj venis al negativa rezulto.

5. Ankaŭ 1980 aperis „Einführung in die Grundfragen der Sprachwissenschaft" (Enkonduko en la fundamentojn de lingvoscienco), verkita de aŭtora kolektivo, sub gvido de Wilhelm Bondzio (VEB Bibliographisches Institut, Leipzig). Tiu verko, destinita por la mano de studentoj de lingvoscienco en GDR (kiuj fariĝos, i.a. la estontaj instruistoj aŭ sciencistoj) enhavas ĉapitron „Internaciaj planlingvoj aŭ mondaj helplingvoj" (p. 71–72). Estas rimarkinde, ke en la libro oni klare distingas inter „artefaritaj lingvoj" (simbollingvoj, programlingvoj) kaj „planlingvoj". Konsiderinda progreso! Krome la tuta ĉapitro pri la planlingvoj estas tute korekta, ĝuste reliefigas Esperanton kiel funkciantan lingvon. Tiu libro unuan fojon en GDR prezentas akcepteblan resumon pri tiu temo. El la 16 aŭtoroj de la libro, cetere, 6 okupiĝis pri la problemo de planlingvoj aŭskultinte prelegojn de d-ro Detlev Blanke aŭ okupiĝinte detale pri lia disertacio. Jen praktika rezulto de teoria interlingvistika agado.

6. Oni krome povas mencii la 18-voluman enciklopedion de GDR „Meyers Neues Lexikon", kiu entenas korektajn difinojn pri interlingvistiko, mondaj helplingvoj, Esperanto k.t.p.

7. Ankaŭ aperonta 6-voluma leksikono (Meyers Universal-Lexikon) entenos difinojn verkitajn de interlingvistoj de CLE.

8. Oni krome devas mencii, ke la grava lingvistika revuo „Zeitschrift für Phonetik, Sprachwissenschaft und Kommunikationsforschung" aperigis jam entute 8 artikolojn en la jaroj 1973–1980. 1981 aperos pluaj 3 studoj.

9. En la centra gazetara katalogo de artikoloj, kiun por GDR oni kompiladas en Berlin, ĉiu-jare oni trovas sub „Esperanto" 4–6 artikolojn ĉerpitajn el la tutrespublika gazetaro. Tiuj artikoloj estas verkitaj de konataj esperantistoj kaj donas al ĉiu interesiĝanto utilajn nunajn informojn.

Do, malgraŭ unuopaj negativaj prezentoj, en la scienca literaturo aperintaj lastatempe en GDR, oni trovas ĝenerale korektajn priskribojn pri Esperanto. Tio estus tute alia, se oni ne estus laborinta sur interlingvistika kampo. Ĉar el tiaj manlibroj, sciencaj artikoloj kaj leksikonoj sciencistoj, universitataj profesoroj, studentoj kaj aliaj interesitoj ofte ĉerpas siajn unuajn informojn, kiuj influas iliajn konceptojn kaj sintenojn pri Esperanto, oni devas rigardi la teorian interlingvistikan agadon, faritan de kelkaj kompetentuloj, kiel gravan kontribuon al la praktiko.

Kompreneble en si mem la apero de la bonkvalitaj vortaroj de E. D. Krause kaj de la moderna lernolibro de T. Dahlenburg kaj. P. Liebig (en ŝtataj eldonejoj!) estas ne subtaksinde gravaj kontribuoj al la elformado de sobra kaj pozitiva ĝenerala sinteno al Esperanto. Se jen kaj jen iuj esperantistoj, bedaŭrinde ankaŭ en GDR, mokas pri la interlingvistika agado de CLE – iu bonvolu paroli pri donkiĥoterio – ili nur brile pruvas, ke ili komprenis absolute nenion.

P. Levsen

Prof. J. Bociort

# Ĉu la Esperanto-literaturo estis neglektita aŭ nekonata?

La Bibliografia Instituto en Leipzig (GDR) eldonis la unuan volumon (A–G) de la verko *Lexikon fremdsprachiger Schriftsteller von den Anfängen bis zur Gegenwart* (Leksikono de fremdlingvaj verkistoj ekde komencoj ĝis la nuntempo) (VEB Bibliographisches Institut Leipzig, 1977, 652 p.). Kune kun la *Lexikon deutschsprachiger Schriftsteller* (Leksikono de germanlingvaj verkistoj), nelonge antaŭe aperinta (jam la tria eldono), ĝi formas la plej riĉan literaturan enciklopedion, aperigitan ĝis nun en la germana lingvo. La redakcio emfazas, ke la nova verko entenas ĉirkaŭ 7 000 artikolojn pri la 3 000-jara literaturhistorio de la homaro. Pli ol 100 literatursciencistoj de GDR kunlaboras je tiu ĉi ampleksa verko. Estas videble, ke la eldonistoj intencis pritrakti ĉiujn literaturojn. Oni renkontas, vere, en la Leksikono la literaturojn de ĉiuj kontinentoj. Estas bone, ke oni povas legi pri la literaturoj burmana, thaja, armena, babilona, khmera, burjata, manichaja, kvankam malmultaj legantoj de la Leksikono trovos en la eldonejoj, en la librovendejoj (eble eĉ en la bibliotekoj) librojn el tiuj literaturoj kaj ja nepre bezonos sciigojn pri la aŭtoroj kaj tio estas ja la celo de tia verko. Sed la Esperanto-literaturo tute mankas, kvankam ties libroj estas haveblaj, reprezentitaj per grandaj verkistoj – modernaj, aktualaj, altinteresaj – en ĉiuj modernaj bibliotekoj kaj en ĉiam pli multaj librovendejoj de la mondo. Ĉu tiu forlaso estis intenco, neglekto aŭ malkono? Ni opinias, ke estas malkono, ĉar nekredeblas, ke aŭtoroj kiel Kalocsay, W. Auld, J. Bagy ktp. ne interesintus la eldonistojn, se oni estus sciinta pri le ĉefverkoj ekzistantaj en la Lingvo Internacia. Ĉu oni povas esperi, ke en la venontaj eldonoj oni forigos tiun forlason?

Prof. d-ro I. F. Bociort estas
estro de la fako literaturteorio
en la Universitato
de Timişoara, Rumanio

# Pri IPE kaj PEK-laboro

## El letero de sveda laborista esperantisto Jim Hornö

Jam 1933 mi aliĝis al Esperanto-kurso pro la konscia intenco interŝanĝi pensojn kun revoluciemaj laboristoj en la tuta mondo. Tuj post la kurso mi aniĝis al Sveda Laborista Esperanto Asocio (SLEA) sed nur iom aktivis en ĝi. Mi ne ekzakte memoras *kiam* mi aniĝis al IPE[1]), sed mi supozas ke tio okazis jam 1935. Ĉar la ideologio de IPE tute respondis al mia socialisma konvinko, mi tuj komencis PEK-labori[2]) kaj estis baldaŭ konsiderata kiel unu el la plej aktivaj en tiu branĉo.
Dum ĉirkaŭ dek jaroj mi redaktis grandan Esperantokolonon en Arbetar-Tidningen, tiama organo en Gotenburgo de la Sveda Komunista Partio. Sur tiu kolono mi ankaŭ popularigis IPE kaj ĝian laboron kaj publikigis leterojn de laboristoj el diversaj landoj, kaj leterojn de ĝenerala intereso mi tradukis svedlingven. Ne nur la svedaj esperantistoj sed ankaŭ la ceteraj legantoj de la gazeto ŝatis tiun ĉi kolonon. Kiam faŝisto Francisko Franco atakis en la jaro 1936 la ĵus leĝan registaron demokratan, mi faris ampleksan traduklaboron por la batalo de la hispana popolo el la Esperantogazeto „Popola Fronto"[3]) kaj aliaj.
Ankoraŭ pli ampleksan traduklaboron mi faris komisie de la ĉinaj esperantistoj dum la kruela milito de Usono kaj Ĉan Kaj Ĉek kontraŭ la ĉina popolo. Mi tradukis amason da materialo el la multaj ĉinaj Esperantopublikaĵoj, kiel ekz. „Voĉoj el Oriento", „Ĉinio Hurlas", „Orienta Kuriero" k.a. Estis multaj pli sed mi nur memoras la menciitajn tri. La tradukaĵojn mi liveris al multaj grandaj taggazetoj kaj bildĵurnaloj en Svedio.
Progresemaj esperantistoj en la tuta mondo faris tian traduklaboron por la ĉinaj esperantistoj. Mi ankaŭ tradukis pro publikigo en svedaj gazetoj leterojn, senditaj de ĉinaj esperantistoj rekte de la frontlinioj.
Kiam „Voĉoj el Oriento" vokis la mondajn esperantistojn al internacia tradukkonkurso mi gajnis la duan premion. Mi ne memoras kiam tiu tradukkonkurso okazis, sed verŝajne 1946.
Bedaŭrinde la materialo kaj la dokumentoj pri mia traduklaboro kaj PEK-laboro perdiĝis kaj tiam mi nur devas fidi al mia memoro.
Rilate al via demando pri la evoluo de IPE mi ne multon memoras kaj ankaŭ ne, kiam ĝi fondiĝis[4]), sed mi scias, ke mia PEK-labora aktiveco daŭris post la internacia kongreso de IPE aŭguste 1937 en Parizo[5]). Malfondo de nia internacio verŝajne okazis iam en 1939[6]), sed la unuaj signoj de malkonkordo komenciĝis – se mi ne mismemoras – printempe 1938. Mi klare memoras ke la skismon kaŭzis diversaj opinioj pri la taktiko de IPE. Mi bone memoras, ke dum 1938 kaj Gösta Holmkvist kaj Karl Kvist (ambaŭ jam delonge mortintaj kaj tre aktivaj, dum ili vivis) letere turnis sin al multaj membroj por „sondi" la terenon.
Ili du samkiel mi estis *por* daŭra ekzistado de IPE. Ni interŝanĝis kelkajn leterojn pri tiu afero kaj mi memoras ke Gösta Holmkvist (el Malmö) skribis al mi, ke Gladys Keable kaj grupo ĉirkaŭ ŝi vigle pledis por malfondo de IPE. Ili opiniis, ke nia agado estus multe pli fruktodona, se la membroj post ĉesigo de nia socio aniĝos al laboristaj kaj neŭtralaj Esperanto-organizoj por ene en tiuj organizoj labori por nia afero.
Ni, kiuj batalis por la daŭra ekzistado de IPE kontraŭbatalis la absurdan sintenon de la likvidgrupo i.a. en nia organo „Internaciisto". Sed baldaŭ montriĝis, ke la grupo kiu pledis por likvido de IPE, estis la pli granda. Do, IPE mortis, sed la „frunktodona" agado de la „likvidantoj" en aliaj esperanto-organizoj tute fiaskis tuj post la komenco . . .


Jim Hornö Foto: privat

[1]) IPE: Internacio de Proleta Esperantistaro
[2]) PEK: Proleta Esperanta Korespondado
[3]) Unika esperantlingva organo, kiu raportis pri la batalo kontraŭ Franko
[4]) Ĝi fondiĝis dum la fondkongreso 1932 (21. 8. ĝis 25. 8.)
[5]) + [6]) La datoj estas ĝustaj

# Denove pri la „Perdita honoro..."

## Skribas nia leganto Arturs Kubulnieks el Latvio/USSR

Legante la libron, mi ekdubis pri pluraj frazoj. Mi ne havis la germanan originalon por kontroli la tradukon, tial mi petis amikinon en GDR elskribi por mi plurajn alineojn el la originalo. Ricevinte la elskribojn, mi konvinkiĝis, ke la traduko havas multajn erarojn. Sed por mi estis tre interese trovi tiujn erarojn kaj lerni de ili. Sed tiam por mi okazis vera feliĉo. La tre populara en Latvio ilustrita soci-politika kaj literature-arta revuo „Zvaigzne" („Stelo"), kiu aperas en la latva lingvo 2-foje en monato, publikigis en n-roj 9–13 en 1979 la tradukon de la rakonto „Die verlorene Ehre der Katarina Blum". Antaŭ tio mi estis leginta la Esperanto-tradukon 2-foje. La unuan fojon mi legis ĝin kiel novricevitan libron, la duan fojon mi komparis la tradukon kun la ricevitaj kopioj el la originalo, nun mi legis unue en la latva lingvo la tutan verkon kaj komparis la impresojn, kiujn mi ricevis, legante en Esperanto kaj en la latva. Kun bedaŭro mi devis konstati, ke en la latva lingvo mi tamen ricevis pli fortan elvokivecon. En la latva mi povis legi Böll kun retenita spiro, sed en la traduko de R. Schulz la verko ŝajnis al mi iom enuiga. Tamen la enhavon de la verko oni perceptas ankaŭ legante la Esperanto-tradukon, nur en Esperanto oni devas legi detalojn, kiuj ŝajnas ridindaj. Kiam mi legis la Esperanto-tradukon la unuan fojon, tuj la paĝo 8 avertis min, ke la tradukinto ne scipovis Esperanton (kiam post kelkaj monatoj mi ricevis „Pacon" kaj legis vian artikolon „Instrulibro pri la arto kompromiti Esperanton", mi trovis, ke vi samopinias, ĉar mi legis en via artikolo: „kiam li finlernis, mi ne scias"). Mi multe cerbumadis pri tio, kial s-ro Schulz faris tiom multe da eraroj en la traduko. Ŝajnas, ke jam la vorto „marĉetoj" helpas al ni diveni. S-ro Schulz tiam, kiam li tradukis la verkon, ankoraŭ ne estis finlerninta Esperanton, sed li mem estis certa, ke li uzas Esperanton perfekte. Tial li, tradukante, ne kontrolis laŭ germana-Esperanto vortaro ĉiun vorton. Kaj jen okazis, ke en lia kapo restis la vorto „marĉo", li sciis, ke tiu vorto rilatas al akvujo, al li ŝajnis, ke kun la sufikso -et- la vorto havos la signifon de flako kaj senkontrole uzis ĝin. Kiam mi finlegis la tradukon en la latva lingvo, mi legis „La perditan honoron . . ." en Esperanto la trian fojon, sed nun mi kontrolis ĉiun frazon laŭ la latva traduko. Rezulte de tio mia interesiĝo pri la verko tre kreskis, nun mi volus legi ĝin en la germana lingvo.

Canko Murgin

# L.-L. Zamenhof dum la revoluci-prepara periodo (1910–1914)

## 1. 1910: Laboristaro – la plej forta apogo por Esperanto

En la aŭtuno de 1910 fondiĝis la unua laborista E-gazeto. L. Zamenhof tralegis kun granda spirit-frandemo la n-ron 1 de „Laborista Esperantisto" kaj tuj en oktobro 1910 li sendis al sia malnova konatulo L. Schlaf, redaktoro de tiu gazeto, entuziasmoplenan dankleteron kun bondeziro pri plej bona sukceso. Kontinue L. Zamenhof emfazas la gravecon de la evento, sentas ĝin kvazaŭ revelacio kaj prognozas pri la ekskluziva rolo de la laborista klaso ankaŭ *por* la E-afero: „La kampo, kiun Vi elektis por Via laborado estas tre grava; eble por neniu en la mondo *nia* demokrata *lingvo havas tian gravecon, kiel por la laboristoj,* kaj mi esperas, ke pli aŭ malpli frue *la laboristaro* estos la plej forta apogo en nia afero"[1]) (elstarigoj miaj: C. M.).

Al L. Zamenhof jam ŝajnis, ke li finfine trovis tiun grupon da homoj – la laboristoj – kiu savos Esperanton el forgeso kaj pereo, kaj transdonos ĝin al la estonta homaro. En la fino de la letero L. Zamenhof plue malkaŝas la dialektikon de la komenciĝinta proceso de disvolvo: „La laboristoj ne sole spertos la utilon de Esperanto, sed ili ankaŭ pli ol aliaj sentos la esencon kaj la ideon de la esperantismo"[2]).

Konklude la aŭtoro de la Lingvo Internacia forte esperas, ke li ricevos de la laborista klaso ne nur subtenon por la lingvo Esperanto, sed ankaŭ komprenemon, konsenton kaj simpation por la pac-ideo, por la ideo pri frateco kaj justeco inter la nacioj kaj ŝtatoj. Tiu espero kaj pozitiva rilato de L. Zamenhof al la organizita laborista E-movado estas des pli grava por lia propra ideologia kresko, ĉar tiutempe la organizita laborista movado de ĉiuj branĉoj kaj niveloj estis neglekte traktata, subtaksata, misgvidata, bremsata kaj/aŭ persekutata en ĉiuj ŝtatoj de la mondo.

## 2. 1911: Ekkonscio pri la klasbatalaj problemoj

Ke L. Zamenhof estis favore influita de la fakto pri organizita laborista E-movado kun propra presorgano atestas lia ekinteresiĝo ĝenerala kaj ekkonscio konkreta pri la sorto de la laborista klaso. En sia memuaro „Gentoj kaj Lingvo Internacia", adresita al la „Kongreso de la rasoj", en Londono (1911), por unua fojo kaj tute konkrete L. Zamenhof mencias publike la nesolvitan klasdemandon de kapitalisma socio. En sia pripenso kaj logika rezonado li supozas por momento, ke la lingva (kaj religia) unueco de la homaro estas atingita, kaj li konstatas, ke eĉ tiam la socio ne estos perfekta, ne estos ideala: „Daŭros tiam en la homaro tiuj diversaj malpacoj, kiuj regas interne de ĉiu lando kaj gento, kiel malpacoj politikaj, partiaj, ekonomiaj, *klasaj* ktp., sed la plej terura el ĉiuj, la malamo intergenta tute malaperos"[3]) (elstarigo mia: C. M.).

Por L. Zamenhof tio ankaŭ estas plua ŝtupo de progresado, kvankam li ne evidentigas, ke la socia klasdemando ne estas unu inter la ceteraj, sed la ĉefa, la fundamenta, ĉar nur post ĝia solvo estos kreitaj tiuj absolute necesaj cirkonstancoj, kiuj favoras la solvon de la internaciaj kaj interŝtataj problemoj kaj – de la nacia demando en la sino de la plurnacia ŝtato.

## 3. 1912: Laboristoj, per Esperanto por socialismo!

El ideologia vidpunkto L. Zamenhof konkeris en 1912 novan kulminon de sia progresema disvolvo. Tiujare la 15-an de februaro li skribis salutleteron al la „Bohema Laboristaro Esperantista en Aŭstrio", kun sidejo en Prago: „Kun plezuro kaj danko mi ricevis la unuan numeron de Via gazeto „La Kulturo". Mi deziras al Via organo plej bonan sukceson, kaj mi esperas, *ke ĝi* certe ĝin havos. La apero de laborista gazeto en Esperanto ĉiam min tre ĝojigas, ĉar *laŭ mia opinio por neniu la Lingvo Internacia* kaj la esperantismo *havas tiel grandan gravecon kiel por la laboristoj kaj por tiu ideo por kiu ili batalas*"[4]) (elstarigoj miaj: C. M.).

En tiu sia dua letero al organizitaj laboristaj esperantistoj L. Zamenhof oficiale sankcias la laboradon per Esperanto *por* socialismo. Tamen pro kaŭzoj facile diveneblaj li ne uzas la vorton „socialismo", sed substituas ĝin per sinonima ĉirkaŭfrazo „tiu ideo por kiu . . . batalas" la laboristoj.

## 4. 1913: For la premado kontraŭ la laborista klaso!

Sed L. Zamenhof ne haltas ĉe la lasta kulmino. Li plue markas novajn rekordojn laŭ la vojo de sia ideologia metamorfozo. Reeldonante la tekston de sia „oficiala" doktrino de homaranismo en 1913 li kondamnas rekte kaj severe la subpremadon kontraŭ la laborista klaso far de la kapitalistoj: „Ĉian ofendadon kaj premadon de la homo pro tio, ke li apartenas al alia gento, al alia lingvo aŭ *alia socia klaso* ol mi, mi rigardas kiel barbarecon"[5]) (elstarigo mia: C. M.).

## 5. 1914: For la naciismo! Vivu la harmonia homaro!

El propra sperto L. Zamenhof komprenis sufiĉe frue la esencan negativecon kaj la senduban malutilecon de ŝovinismo (1983), konsekvence kaj senkompromise li bataladis kontraŭ ĝi en 1906 kaj precipe en 1914: „Mi estas profunde konvinkita, ke ĉiu naciismo prezentas por la homaro la plej grandan malfeliĉon, kaj ke *la celado de ĉiuj homoj devus esti: krei harmonian homaron.* Estas vero, ke la naciismo de la gentoj premataj – kiel natura sindefenda reago – estas multe pli pardoninda ol naciismo de gentoj premantaj, sed se la naciismo de la fortuloj estas *nenobla,* la naciismo de la malfortuloj estas *neprudenta . . .*"[6]) (elstarigoj miaj: C. M.).

Kuraĝe kaj memfide L. Zamenhof kondamnas je morto ĉies naciismon, kaj la „nenoblan" de la subpremantaj fortuloj kaj la „neprudentan" de la subpremataj ekspluatatoj. La vojo de naciismo eternigas la ekspluatadon kaj subpremadon: „. . . ambaŭ (naciismoj – klarigo de C. M.) naskas kaj subtenas unu la alian kaj prezentas *eraran rondon de malfeliĉoj,* el kiuj la homaro neniam eliros, *se ĉiu el ni ne oferos sian grupan memamon . . .*"[7]) (elstarigoj miaj: C. M.). Do L. Zamenhof mem laŭ propra vojo atingas al revoluciiga konkludo, ke oni devas entrepreni ion gravan, esencan por rompi kaj forigi la „eraran rondon de malfeliĉoj" per interna rekonstruo de ĉiu nacio.

## 6. Per struktura rekonstruo de la nacioj al efektive nova homaro!

Estante elstara adepto pri enkonduko de planlingvo en la internacia vivo L. Zamenhof tre ofte traktas ties problemojn. Per sia rilato al ili li konturas sian propran internaciismon. En 1907 L. Zamenhof faras tion sufiĉe klare, tamen esprimas ĝin laŭ eŭfemisma maniero substituante la internaciismon per enkondukita de li sinonimo „granda tutmonda amo": „Dum la pseŭdo-patriotismo t.e. *la genta ŝovinismo,* estas parto *de tiu komuna malamo, kiu ĉion en la*

*mondo detruas*, la vera patriotismo estas parto *de tiu granda tutmonda amo, kiu ĉion konstruas, konservas kaj feliĉigas*"[8]) (elstarigoj miaj: C. M.).

Parolante preskaŭ pri la sama temo en 1914 L. Zamenhof plue densigas kaj evidentigas sian internaciismon: „... mi malgraŭ la korŝirantaj suferoj de mia gento ne volas ligi min kun hebrea naciismo, sed mi volas labori nur por interhoma justeco *absoluta*. Mi estas profunde konvinkita, ke per tio mi alportos al mia malfeliĉa popolo pli da bono, ol per celado naciisma"[9]).

L. Zamenhof rekte frontas la naciismon, sed ĉirkaŭfraze pledas por „interhoma justeco *absoluta*". Kio estas tiu „interhoma justeco *absoluta*"? Evidente L. Zamenhof ne kuraĝas paroli pri ĝi tute malkaŝe, sed preferas ezopi. Por diveni la ekvivalentan signifon de tiu „interhoma justeco *absoluta*" mi kompilis silogismon el la supre citita teksto:

1. (Hebrea) naciismo estas antipodo al „interhoma justeco *absoluta*".
2. (Ĉies) naciismo estas antipodo al internaciismo.

*konkludo*

3. „Interhoma justeco *absoluta* estas internaciismo.

Alispeca konkludo ne estas ebla, ĉar L. Zamenhof konfesas en letero (24. IX. 1905)[10]) al d-ro Javal, ke li kontraŭas al kosmopolitismo. Krom tio L. Zamenhof ne estas adepto al sennaciismo (anarkismo). Li ne pledas por substituo de la naciaj lingvoj per Esperanto, sed klopodas konstrui, perfektigi kaj prizorgi planlingvan ponton inter la nacioj por plifaciligi la internacian vivon de la homaro.

Tamen L. Zamenhof estis ne nur planlingvisto. Li estis ankaŭ arda socia aganto, homo alte altruista. L. Zamenhof trairis kelkajn etapojn de disvolvo en serĉado de iu granda socia ideo por ligi Esperanton al ĝi. Li intencis tion fari per cionismo, provis per pacifismo, tolstoismo, hilelismo, homaranismo, sed pro diversaj kaŭzoj ĉiam la serĉado finis malsukcese. Kaj en la lastaj dekkelkaj jaroj de sia vivo (ekde 1905) paralele kun la perfektigado de homaranismo ĉe li ĉiam pli kaj pli aperas la silueto „de tiu ideo por kiu ... batalas" laboristoj – la socialismo. La internaciismo estas unu el la fundamentaj principoj de la efektiva socialismo. Por ke ĝi aperu daŭre je ŝtata nivelo estas nepre necesa transformiĝo de la ekonomia soci-strukturo el kapitalisma al socialisma.

Ĉu L. Zamenhof tiom komplete, tiom senmanke konceptis la internaciismon? Ĉu li allasas strukturan rekonstruon de la nacio laŭ la normoj de la fundamenta („absoluta") sociala justeco aŭ li nur platone bondeziras aferon neplenumeblan?

Al tiuj demandoj L. Zamenhof neniom rajtis respondi detale kaj konkrete. Tamen li trovis manieron aludi sian tezon: „... ĉiu lando apartenas ne al tiu aŭ alia gento, sed *plene egalrajte al ĉiuj siaj loĝantoj*, kian ajn supozatan devenon, lingvon, religion aŭ *socialan* rolon ili havas ..."[11]) (elstarigoj miaj: C. M.).

Evidente L. Zamenhof pledas ne nur pri egalrajteco inter la nacioj, sed ankaŭ por sociala justeco, kiu fakte estas garantio pri la egalrajteco inter la nacioj.

La internaciismo de L. Zamenhof ĝermis el lia simpatio al la laborista klaso kaj al la malriĉuloj ĝenerale ne nur en Rusio, sed ankaŭ en Nederlando (kiam tiuj frontadis kontraŭ la pagado de ŝtatimpostoj en 1895) kaj aliloke, sed fakte aperis dum la kontraŭimperiisma revolucio en Rusio (1905–1907)[12]) kaj rapide kreskis en la periodo 1911–1914, atingante sian apogeon[13]) en 1914, iom antaŭ la eksplodo de la unua mondmilito. El la objektiva analizo de ĉiuj teksto-spuroj kaj el la konkreta rilato de L. Zamenhof al la historiaj eventoj mi konkludas, ke tiu estis agordita al socialisma rekonstruo en sino de ĉiu nacio.

Tiaj pozitivaj kaj progresemaj metamorfozoj en la ideologia sfero aperis pli malpli ankaŭ ĉe aliaj esperantistoj kaj en Rusio kaj en eksterlando. Kortuŝa estas la konfeso de d-ro Asnes: „En la komenco de 1904 jaro mi, loĝanta en la centro de la spirita vivo de Rusio, en Peterburgo, iel eksciis pri Esperanto kaj pri ĝia celo. Ekflamiĝinte por la noblaj ideoj de nia majstro D-ro Zamenhof, mi fariĝis adepto de la esperantismo kaj post unu monato – sekretario de S-to „Espero". De tiu ĉi momento mi ne scias, kion devas signifi la vortoj ‚libera tempo'! Sed kio estas laborado ĉe ni en Rusio? ... ni, mizeraj ruslandaj sklavoj, oficiale nomataj regatoj, devas bataladi kaj bataladi ĝis morto kontraŭ nia malestiminda registaro, kies devizo estas nur sufokadi kaj mortigadi eĉ ĉian viveman penson ... Kiel patrujano mi ne povis foriri flanken de la politika vivo ... mi partoprenas kaj partoprenos ĝis ĝi, nia registaro, tiu ĉi putriĝinta absceso ne krevos kaj per sia morto fine ne liberigos la malsatan, malriĉan popolon! Nur tiam, kiam eklumiĝos ĉe ni la libereco, kiam ni nin sentos liberaj, tiam ankaŭ mi povos partopreni en Via estiminda Komitato"[14]).

La ekzemplo de L. Zamenhof revoluciigis ne nur esperantistojn en Rusio, sed ankaŭ tiujn en eksterlando. Je la 29-a de julio 1907 L. Zamenhof sendis ardan saluton al la japanaj esperantistoj pri sukcesoj en la homfratiga afero: „Ĉar mi konas kaj tre alte estimas la energion kaj la noblan spiriton de via popolo, tial mi estas konvinkita, ke *nia homfratiga afero* baldaŭ forte ekfloros en via lando kaj *la japanaj esperantistoj* baldaŭ estos *plej konataj en la mondo esperantista*"[15]) (elstarigoj miaj: C. M.). Kaj L. Zamenhof ne devis atendi longe. Pasis nur iom pli ol 6 jaroj kaj lin atingis la pozitivaj rezultoj. Okaze de la Nova Jaro 1914 L. Zamenhof ricevis gratulon de generalo Sébert, gvidanto de la Centra Esperanto-Oficejo en Parizo, kun informo, ke en Japanio estas arestitaj 24 esperantistoj kaj 17 el ili estas jam pendumitaj pro aktiva partopreno en popola insurekcio kontraŭ la registaro[16]).

La izolo de L. Zamenhof disde la internacia E-movado pro eksplodo de la unua mondmilito (1914–1918), la implikiĝo de lia malnova kor-malsano unue bremsis – kaj fine la morto en aprilo 1917 ĉesigis – tiun pozitivan proceson de lia ideologia sereniĝo.

Post la milito tiun tendencon reprenis kaj daŭrigis SAT (1921–1930) kaj post ĝia degenero – IPE (Internacio de Proletaj Esperantistoj) kun siaj tri sferoj de agado: PES (Proleta Esperanto-Servo) pri interŝanĝo de aktualaj artikoloj kaj belliteraturaj verkoj destinitaj por aperigo en la nacilingva proleta gazetaro; PEK (Proleta Esperanto-Korespondado) pri interŝanĝo de sperto per leteroj inter entreprenaj kolektivoj de laboristoj kaj EKRELO (Eldona Kooperativo por Revolucia Esperanto-Literaturo) pri aperigo kaj vastigo de revolucia literaturo inter la esperantistoj tra la tuta mondo.

En la epoko 1939–1945 kaj post la dua mondmilito la proletaj kaj ĉiuj aliaj progresemaj esperantistoj grupiĝis ĉirkaŭ la redakcio de gazeto „Internacia Kulturo" (1945–1951) kaj ekde 1953 ili unuiĝis en MEM (Mondpaca Esperantista Movado) kun presorgano „Paco", kies tendenco estas direktita al defendo de la internacia paco.

## 7. Notoj

1) G. Waringhien (red.): Leteroj de L.-L. Zamenhof, vol. II, Paris, 1948, p. 263.
2) Same, p. 263.
3) L. Zamenhof: Gentoj kaj Lingvo Internacia, Leipzig, 1912, p. 10–11.
4) La Kulturo, I, 2, de februaro 1912, Prago.
5) L. Zamenhof: Deklaracio pri homaranismo, Madrido, 1913, p. 6.
6) Joh. Dietterle (red.): Originala Verkaro de L.-L. Zamenhof, Leipzig, 1929, p. 344–345.
7) Same, p. 345.
8) Same, p. 383.
9) Same, p. 345.
10) Noto 1, vol. I, Paris, 1948, p. 200.
11) Noto 5, p. 6.
12) C. Murgin: L. Zamenhof dum la revolucio en Rusio (1905–1907), Paco, Bulteno de MEM-Sekcio en GDR, 1980, p. 34–35
13) Noto 6, p. 344–345.
14) D-ro Asnes: Letero (de 18. XII. 1906) al prof. E. Boirac, prezidanto de la Lingva Komitato, Bulgara Esperantisto, XXXXIX, 11, de nov. 1980, Sofio.
15) Esperanto en Nipponlando, IV, 38 (4), de aprilo 1928, p. 69.
16) Noto 1, p. 349.

## Redakcia noto

Canko Murgin sendube entreprenas la gravan kaj sufiĉe komplikan taskon interpreti la filozofion kaj ideologiajn konceptojn de L. L. Zamenhof laŭ marksismaj vidpunktoj. Espereble liaj studoj vekos diskuton kaj disputon tiel stimulante similajn studojn.

D-ro Karl Schulze

# Kelkaj rimarkoj pri transitivaj verboj

Trastudante Esperanto-tekstojn, mi kutimas krajone marki ĉion, kio enhave kaj lingve vekas mian atenton. En lingva rilato mi ofte konstatas nekorektaĵojn rezultantajn eble el necerteco de la aŭtoroj aŭ tradukintoj rilate al la distingo inter transitivaj kaj netransitivaj verboj.

Kiel konate, la transitivaj verboj esprimas agon, kiu pasas (transiras) de subjekto al objekto (ekz. bati, ŝteli, ami), kaj se oni volas precize prezenti la sencon de la frazo, oni devas nomi la personon aŭ aferon, kiun celas, atingas, koncernas la ago esprimita de la verbo. Ekz. ,bati, ŝteli, ami' supozigas ĉiam, ke iu ricevas la batojn, suferas la ŝtelon, estas celo de la amo ktp. Male, ĉe la netransitivaj verboj la esprimita ago koncernas nur la subjekton kaj ne pasas al iu objekto (ekz. ŝpruci, tinti, ridi, evolui) aŭ la verbo tute ne esprimas agon, sed staton (ekz. sani, sidi, taŭgi) aŭ servas nur kiel kopulo (ekz. esti, aspekti, ŝajni).

La gramatika signifo de tiu distingo ĉefe montriĝas en tio, ke nur verboj kun objekto, do nur transitivaj verboj povas formi la pasivan voĉon, en kiu ja la objekto de la aktiva frazo fariĝas subjekto de la pasiva frazo. Do ankaŭ aliaj pasivaj formoj, precipe la pasiva participo, ne povas esti formataj de netransitivaj verboj.[1]

Same konate estas, ke oni povas transformi la transitivajn verbojn en netransitivajn kaj inverse. La unua transformado okazas helpe de la sufikso ,iĝ' (fini – finiĝi; komenci – komenciĝi), *la dua ĉefe helpe de* la sufikso ,ig' (halti – haltigi; kuŝi – kuŝigi), sed ankaŭ per la sufikso ,um' (pleni – plenumi; pendi – pendumi) aŭ la prefikso ,pri' (plori – priplori; ridi – pririda). Ŝajnas, ke ĝuste tiu eblo de transformado kaj la rezultanta el ĝi fakto, ke certaj verboj aperas jen en transitiva, jen en netransitiva formo, estigas necertecon kaj malhelpas klaran konscion pri la du kategorioj de verboj kaj ilia korekta apliko. Eble ankaŭ nacilingvaj influoj ludas sian rolon. Ĉiuokaze estas fakto, ke oni ofte renkontas tiajn nekorektaĵojn, jen kiel transitivan uzon de netransitivaj verboj, jen inverse kiel netransitivan uzon de transitiva verbo, sed plej ofte kiel transitivigon de jam transitiva verbo per la sufikso ,ig'.

Kiel pruvo por tiuj asertoj servu kelkaj ekzemploj elprenitaj el tri revuoj, kiujn mi lastatempe trastudis, nome „Paco" – GDR-eldono 1980; Pola Esperantisto n-ro 1/80 kaj Esperanto-suplemento al „Moscow News" n-ro 18/80.

En la du frazoj: ,... ventegoj pereas homojn' kaj ,... la neado de tiu instruo rezultis rifuzon ...' oni uzis netransitivajn verbojn transitive. Korekte la verbaj formoj en la du frazoj devus esti ,pereigas' resp. ,rezultigis'.

Kiel montras la kunteksto, en la frazo ,... estintus pli prudente, se oni tute ne estus komenciĝinta' oni celas militon, kiun oni prefere tute ne devus komenci. Do, kvankam la objekto ,milito' ne estas eksplicite nomita, sed nur pense aldonenda, tamen temas pri transitiva (tiel nomata absoluta) frazkonstruo, kaj la uzo de la netransitiva formo ,komenciĝinta' estas nekorekta. Ĝuste devus teksti ,komencinta'.

Sed kiel dirite, plej ofta estas la okazo, ke oni aldonas al transitiva verbo aŭ al vorto devena de transitiva verbo la transitivigan sufikson ,ig', kvazaŭ oni ne fidus je la transitiveco de la verbo kaj volus plifortigi aŭ plicertigi ĝin. Nun ja estas fakto, ke eblas aldoni la sufikson ,ig' ankaŭ al transitiva verbo, sed tiam estiĝas speciala signifo, nome tiu, ke iu aŭ io alia ol la subjekto faras la agon esprimitan de la radiko. Ekz. la frazo ,Mi sciigas amikon pri io' signifas: ,Mi igas amikon scianta pri io' aŭ ,Mi igas, ke amiko sciu ion'. Kaj la frazo ,Mi sciigas ion al amiko' signifas: ,Mi igas ion sciata de amiko' aŭ ,mi igas, ke io estu sciata de amiko'. Se tia speciala signifo estas celata, la aldono de ,ig' al transitiva verbo havas sian sencon kaj estas tute pravigita. Sed en la aliaj, plej oftaj okazoj sen tia speciala celo la aldono de ,ig' al transitiva verbo estas superflua kaj ne allasebla. Nun kelkaj ekzemploj trovitaj en la menciitaj revuoj:

,La atmosfero ĉirkaŭigas la tutan terglobon', ,La fortoj (porpacaj) pruvigis sian respondecon ...', ,Oni emus bisigi la grupon', ,Oni planas lokigi ... ventagregatojn' kaj ,Sufiĉas enlokigi en tia fluo balonŝipon'. En ĉiuj ĉi frazoj ,ig' estas nekorekte uzata, ĉar la verboj ĉirkaŭi, pruvi, bisi (laŭ PIV = krie peti pri ripeto: bisi tenoron, arion) kaj loki estas klare transitivaj, kaj evidente oni ne celas specialan signifon de la ĵus priparolita speco.

La emo superflue uzi la sufikson ,ig' troviĝas ankaŭ en vortoj devenaj de transitivaj verboj. Tiurilate la menciitaj revuoj enhavas jenajn ekzemplojn: ,armigaj elspezoj, neigado de la milito, ravigaj priskriboj, emociiga kerno'. La verbaj radikoj, de kiuj tiuj vortoj estas derivitaj, estas klare transitivaj: armi, nei, ravi, emocii. Do la korektaj derivaĵoj estas ,arm(ad)a, neado, rava, emocia', kaj la aldono de ,ig' estas superflua, eĉ malkorekta.

Eble ne estas senutile memorigi pri la fakto, ke jam en la jaro 1909 la prezidanto de la Akademio de Esperanto, s-ro Boirac, protestis kontraŭ la malkorekta uzado de ,ig' kun verba transitiva radiko. Kiel pruvas la cititaj ekzemploj, eĉ nuntempe ekzistas ankoraŭ motivoj por atentigi pri tiu problemo.

[1] La ŝajna escepto de la tiel nomataj etimologiaj figuroj (ekz. dormi longan dormon; la irota vojo ktp.) ne estas traktataj ĉi tie.

## Novaj paroladoj de Tito en Esperanto

La Esperanto-Ligo en Bosnio kaj Hercegovino eldonos baldaŭ en Esperanto broŝuron dediĉitan al la Sesa Konferenco de la ĉefoj de ŝtatoj aŭ registraroj de la nealiancitaj landoj okazinta en septembro 1978 en Havano (Kubo). En la broŝuro aperos rezolucio pri speciala rekono al prezidanto Tito, salutparolado de Seku Ture okaze de redono de la rekono fare de la Konferenco al Tito, dankvortoj de Tito al la Sesa Konferenco, kiel ankaŭ la parolado de Tito en la ĝenerala debato. Krome en la broŝuro aperos informoj pri la Konferenco kaj plej signifaj ekstraktoj el la Fina Deklaracio kaj aliaj dokumentoj.

Bernard Golden

# Pri la influo de la germana lingvo sur Esperanton

En majo 1980 okazis ĉe la Universitato de Ilinojo en Urbana-Champaign, Usono, lingvistika simpozio temanta pri „Influoj de gepatra lingvo je Esperanto". Estis pritraktitaj influoj de la germana, hungara, ĉina kaj japana lingvoj, krom specialaj fonetikaj, sintaksaj kaj semantikaj malfacilaĵoj, kiujn parolantoj de diversaj etnolingvoj alfrontas, kiam ili lernas Esperanton.

En sia anglalingva referaĵo titolita „Zamenhof's Germanisms" (La Germanismoj de Zamenhof), Pierre L. Ullman, iom ekster la kadro de la simpozia temo, priskribas ne apartaĵojn de Esperanto, kiuj estas karakterizaj de denaskaj parolantoj de la germana lingvo, sed kelkajn aspektojn de la zamenhofa Esperanto, kiuj ne estas klaraj kaj logikaj internaciaj esprimmanieroj, ĉar ili spegulas trajtojn de la germana lingvo.

La germana ne estis la gepatra lingvo de Zamenhof, do supozeble li estis devinta konscii pri apartaĵoj de tiu lingvo por eviti ilin en Esperanto. Sed estas abundo da atestaĵoj, ke la aŭtoro de Esperanto primajstris la germanan lingvon. Li verŝajne komencis lerni ĝin hejme, ĉar lia patro, Marko Zamenhof, estis gimnazia instruisto de tiu lingvo. Poste la juna Ludoviko daŭrigis siajn lingvajn studojn en gimnazioj kaj ĉe la universitato. Li tradukis germanajn beletraĵojn, kompilis germanajn vortarojn de Esperanto, verkis originalajn artikolojn kaj ankaŭ korespondis germanlingve.

Ullman starigas du kategoriojn de germanaj influoj en Esperanto: (1) esprimoj eksplicite indikitaj en *Plena Ilustrita Vortaro* (PIV) kiel germanismoj kaj (2) esprimoj, kiujn PIV klasifikas kiel naciismojn. Ullman rigardas ankaŭ tiujn ĉi nedeterminitajn naciismojn kiel germanismojn.

Ekzemploj de la unua kategorio estas „ambaŭ" signifanta „du", „haki" havanta kiel objekton aŭ ilon aŭ rezulton, kaj la uzo de „jam" por esprimi nuancon de (1) kontentiĝo, sufiĉeco kaj (2) optimismo.

En la dua kategorio – supozitaj germanismoj – Ullman mencias la uzon de la sekvaj vortoj: (1) rilataj pronomoj antaŭ „ajn" anstataŭ la nedifinaj (kp. G. *welch*); (2) „al" anstataŭ la pli logika „disde" (kp. la dativon en la germana lingvo); (3) kalkeoj aŭ paŭsaĵoj de germanaj vortoj (ekz. eldoni = G. *ausgaben*); (4) „gloro" kun la signifo „famo" (G. *der Ruhm*); (5) „ĝi" anstataŭ „tio" (kp. G. *es*); (6) la ambigua uzo de „ĝis" (kp. G. *bis*); (7) „fari" anstataŭ „igi" (kp. G. *machen*); (8) „instigi" kun la sencoj de „inciti", „eksciti" kaj „instigi" (kp. G. *anreizen*).

Ullman opinias, ke ankaŭ la sekvaj vortuzoj rezultas de germana influo: (1) „kalva" uzata por kapo tutrazita en signo de funebro aŭ pento; (2) „nur" uzata idiomaĵe kun la verbo „povi" kun malpreciza nuanco de intenso, neprigo; (3) „pantalonoj" en la plurala formo (kp. G. *die Hose*).

Mi havas la impreson, ke la aŭtoro de la referaĵo estus povinta pli profunde ekzameni la problemon de germanismoj en Esperanto anstataŭ nur supraĵe serĉi vortojn en PIV, en kies difinoj estas „Rimarkoj" de la redaktoro. Ullman tute preteratentas la fonetikan influon. Jen unu ekzemplo. Komence de silabo en germana vorto, la senvoĉa sono de so fariĝas voĉa antaŭ vokalo: *sorgen*, *summen*. Pro tio Zamenhof literis la du samsignifajn Esperantajn vortojn per komenca zo: „zorgi", „zumi". La sama fenomeno klarigas la ekziston de zo en vortoj kiel „ekzakta", „ekzalti" kaj „ekzameno". Eugen Wüster, la eminenta esperantologo, rimarkigis, ke tiuj vortformoj estas malĝustaj, ĉar la latinaj etimoj komenciĝas per *ex-*, kiu d-vas esti transskribita kiel „eks-" en Esperanto. Sed Zamenhof, sekvante la germanan fonetikan kutimon, voĉigis la sonon de so antaŭ vokalo kaj skribis „ekz-".

Alia speco de germanismo ne pritraktita de Ullman koncernas la formon de germanaj vortoj, kiu kelkfoje ne akordas kun samdevenaj vortoj en aliaj lingvoj. Pro influo de la germana vorto, Zamenhof ne elektis la plej internacian formon por la vorto en Esperanto. Ĉe „ingredienco" PIV indikas, ke „ingrediento" estas la ĝusta formo. Komparante samsignifajn vortojn en aliaj lingvoj, oni trovas, ke la franca, itala, hispana, portugala kaj angla ekvivalentoj finiĝas per *-ent* aŭ *-ente*; nur en la germana *Ingredienz* aŭdiĝas la sono de co (G. *z*), kaj tio klarigas, kial la Esperanta vorto estas „ingredienco". Estas substrekende, ke la alpreno de tia vortformo estas kontraŭ la principoj eksplicite starigitaj de Zamenhof en la Antaŭparolo de la „Unua Libro".

Fine estiĝas la demando kiun Ullman mem faras ĉe la fino de sia referaĵo: kio estas germanismo? La difino en PIV tekstas jene: „aparta dirmaniero aŭ moro karakteriza de la germanoj." Alia termino, „naciismo", laŭ PIV estas sinonimo de „idiotismo", difinita kiel „nelogika aparta vortokonstruo, propra al iu lingvo sed ne al aliaj". Kiel mezuri la ekziston kaj gradon de tiu aparteco? Ĉu „bestĝardeno" estas germanismo, ĉar ĝi estas kalkeo de *Tiergarten*? Oni povas argumenti, ke ĝi ne estas logika esprimo, ĉar en ĝardeno kreskas vegetaĵoj, ne bestoj. En PIV kaj aliaj vortaroj jenaj terminoj estas registritaj: bestejo, bestaro, bestarejo, menaĝerio zoologia gardeno, zoologia parko. Ĉi-lasta estas verŝajne la plej taŭga laŭ la vidpunkto de klareco kaj logiko. Mi trovis „bestĝardeno" nur en du anglaj Esperanto-vortaroj, kvankam ĝi ne estas anglismo; oni ne diras angle *animal garden*.

Konklude, mi deziras emfazi, ke la demando pri germanismoj en Esperanto ne povas esti studata sen konsidero ankaŭ al la influo de la jida lingvo, la plej proksima parenca ĝermana lingvo, kiun Zamenhof sciis. Ankoraŭ unu ĝermana lingvo, kiu devas roli en estontecaj esploroj estas la angla. Estas certe, ke Zamenhof lernis tiun lingvon, sed ankoraŭ ne estas sciate, kiun gradon de kompetenteco li havis.

Mi hipotezas, ke ĝermanaj influoj atingis Esperanto ankaŭ de la planlingvo Volapuko, kies leksiko konsistas plejparte el german- kaj angladevenaj morfemoj.

La pra-Esperantoj de 1878 kaj 1881–1882 estas multe pli latinidaj ol la klasika lingvo de 1887, kiu alprenis plurajn ĝermanajn elementon, sed poste perdisilin en la reformprojekto de 1894. Kial Zamenhof modifis la leksikon de Esperanto inter 1882 kaj 1887? Ĉu tio ne rilatas al la sukcesa disvastiĝo de Volapuko dum la samaj jaroj?

---

## „Ärztlicher Dolmetscher", 2a eldono

1980 aperis en Johann Ambrosius Barth Eldonejo Leipzig la dua eldono de la „Kuracista Tradukisto", 17lingva helpilo por interkompreniĝo inter paciento kaj kuracisto. Ĝin verkis d-roj Gert kaj Uta Hoyer. La unua eldono, nur 14lingva, aperis 1977, la dua eldono estas plivastigita je la lingvoj greka, serbokroata kaj turka. Ankaŭ en tiu-ĉi eldono denove enestas Esperanto. La libro kostas 30 markojn, ampleksas 316 paĝojn kaj havas plastan kovrilon. Ĝi estas havebla en la librovendejoj de GDR (Bestell-Nr. 793/5911).

## Tiun ĉi numeron eldonis la MEM-Sekcio de Germana Demokratia Respubliko

Redaktoro: D-ro Detlev Blanke

### Redakta Komitato

Violin Oljanov (Bulgario) – ĉefredaktoro
Nikola Aleksiev (Bulgario)
D-ro Detlev Blanke (GDR)
André Cherpillod (Francio)
Kimiaki Kurita (Japanio)
William Gilbert (Francio)
Bolek Staszczak (Pollando)
Oldrich Knichal (ĈSSR)
Asen Grigorov (Bulgario)
Kiril Drajev (Bulgario)

La redakcio atendas kontribuajojn de pacamikoj el la tuta mondo. Ju pli da kunlaborantoj, des pli varia interesa revuo. Sendu la materialojn prefere tajpitaj aŭ tre klare mane skribitaj kun interlinia spaco kaj marĝeno, sur grandaj folioj de kancelaria formato. La redakcio akceptas nur originalan (unuan) ekzempleron de la tajpaĵo. Kopioj estas lasataj sen konsidero. Skribu tre klare viajn nomojn kaj adresojn en nacia lingvo! La redakcio ne resendas neuzitajn materialojn.

## Kien skribi

**Honora prezidanto:** Nikola Aleksiev, str. Nezabravka 1, vhod 2, 1113 Sofia, Bulgario.

**Prezidanto:** D-ro Pethes, Imre, H - 1940 Budapest VI, Népköztársaság utja 73, Hungario

**Vicprezidantoj:**
D-ro Magomet Isaev, prosp. Kalinina 14, Moskva K-9, USSR
Glady Claude, 21 rue Kessels, B - 1030 Brussel, Belgio

**Ĝenerala sekretario:** William Gilbert, 30, rue Croix-Montoire, 37100 Tours, Francio

**Sekretarioj:**
Syozi Nanba, Huruiti 3-13-26, Zyôtô-ku, Osaka, Japanio
Inĝ. Angel Todorov, bulv. Emil Markov, blok 37, 11, 1404 Sofia, Bulgario

**Ĉefredaktoro:** Violin Olijanov, str. Bojanski Vodopad 241. E, 1404 Sofia, Bulgario
**Centra administrantino:** Vasja Petrova, Bulgara MEM-Komitato, bulv. Ĥristo Botev 97, 1303 Sofia, Bulgario

**Centra kasisto:** (por la okcidentaj landoj) Pierre Jouvin, 14 rue Thiers, 76120 Grand Quevilly, Francio (Poŝtkonto CCR – Rouen 102-45 P.)

**Respondeculo pri landaj numeroj de „Paco":** Helmut Fuchs, Hohe Str. 33, DDR - 83 Pirna, Germana DR.

## Kie aboni „Pacon"

**Aŭstralio:**
N. A. Collier, 7 Monomeeth St., Buderim Qld. 4556

**Aŭstrio:**
Ernesto Quietensky, Pappenheimergasse 70/3/12, A-1200 Wien — AuŜ 100,–

**Belgio:**
Glady Claude, 21 Rue Kessels, 1030 Brüssel

**Britio:**
Paul Hewitt, Laycroft, Main Road, Covenham, Louth, Lincs, LN 11, OPF

**Bulgario:**
Bulgara MEM-Komitato, bulv. Ĥristo Botev 97, 1303 Sofia — 3 levoj

**Ĉeĥoslovakio:**
Ĉeĥa Esperanto-Asocio, MEM-Sekcio, Jilská 10, 110 00 Praha 1 — 30 kronoj

**Danlando:**
Egon Starup, Brovaenget 26, DK - 2700 Kobenhavn BRH.

**F. R. Germanio:**
Roland H. Hagen, Iggelbach, Schloßgasse 30, D - 6731 Elmstein 2 — 12 DM

**Finnlando:**
Erkki Järvinen, Ukonkivenpolku 2–1–68, 01610 Vantaa 61 — 30 fin. m.

**Francio:**
Roger Degrelle, 11 Cours Lépold, 54042 Nancy-Cedex — 40 fr. fr.

**Germana Demokratia Respubliko:** Esperanto-Asocio en Kulturligo de GDR, Charlottenstr. 60 1080 Berlin — 30 M

**Hispanio:**
Luis Serrano Perez, Font Nova 32, Sabadell (Barcelona)

**Hungario:**
Hungara MEM-Komitato, H - 1368 Budapest 5, pf. 193 — 36 forintoj

**Italio:**
Riccardo Pinori, V. le Ghisleri 9/15, I - 00176 Roma, (p. ĝ. k. 64882004)

**Japanio:**
Kurita Kimiaki, 1209–98 Sakuragaoka, Yata Misima, 411 (Japana Pacdefenda Esperantista Asocio)

**Jugoslavio:**
Dim. Bjelanoviĉ, Zahumska 23b, Beograd-Dobrinjska 12

**Kubo:**
Rufino Lopez, Havana Esp. Rondo, Póŝtkesto 314, Habana 1

**Norvegio:**
Olaf Reiersol, Buerstad, N - 3135 Torod

**Okcidenta Berlino:**
Manfred Kossolobov, 1 Berlin, Tapiauer Allee 2

**Pollando:**
Ruch – Warszawa

**Portugalio:**
Portugala E-Asocio, Rua Dr. Joao Couto 6, R/C A-Lisboa — 350 escudo

**Rumanio:**
Cosma Dorin, Muzicescu 26, Sc. C, ap. 17, R - 1900 Timisoara

**Socialisma Respubliko Vjetnamio:**
Vjetnama Pacdefenda Esperantista Asocio, 107 Quan Than, Hanoi

**Sovetunio:**
Asocio de Sovetiaj Esperantistoj, prosp. Kalinina 14, Moskva K–9 — 1,80 rbl.

**Svedio:**
Tomas Jannson, Väktargatan 26 D, S - 754 22 Uppsala

**Usono:**
James Deer, 11905, SW Settler Way, Beaverton, Or. 97005

**Aliaj landoj:**
Bv. turni vin al Pierre Jouvin (centra kasisto – vd. maldekstre)

## Grave:

Abonpagojn el socialismaj landoj sendu al 1303 Sofia, bulv. Ĥristo Botev 97 (por „Paco"). El nesocialismaj landoj – al la adreso de la Centra kasisto – [40 fr. fr.]



### GDR

Richard Grimm, **7260 Oschatz,** Am langen Rain 30 (65j.) dez. kor. tutmonde pri klasika muziko, pentrajoj, kol. pm

Komencanto, oficisto, 43j., dez. kor. p. ĉ. t.: D. Kaltwasser, **1601 Zeesen,** Saarstr. 28

Lieselotte Thomas, **2756 Schwerin,** Virchowstr. 12 (55j.), faklaboristino por elektronika datumprilaborado, dez. kor. pri literaturo

Bianca Thamm, **2757 Schwerin,** Aug. Bebelstr. 33 (22j.), faklaboristino por elektronika datumprilaborado dez. kor. tutmonde, p. ĉ. t.

Giesela Kratz, **2750 Schwerin,** Buschstr. 11, (40j), inĝenierino por datumprilaborado, dez. kor. pri turismo, literaturo, teatro, moderna muziko

Christel Piskol, **2620 Bützow,** C. Moltmann-Str. 4 (25j.), farmaciinĝenierino, dez. kor. tutmonde pri turismo, kaktoj, literaturo, fotografado

Rainer Klützke, **2793 Schwerin,** Neubrandenburger Str. 12 (33j.), gastejestro, dez. kor. pri arthistorio, turismo

Ingitta Pries, **2760 Schwerin,** E.-Bennert-Str. 10, (14j.) lernantino, komencantino, dez. kor. pri sporto, hundoj, moderna muziko, turismo

Lernantino, 12j. dez. koresp. kun ĉiuj landoj, kol. pm, bildkartojn pri fremdaj landoj kaj bestoj. Katrin Blanke, DDR - **1054 Berlin,** Rosenthaler Str. 2

### Hungario

Károly Bebesi, **7625 Pécs,** Ignác u. 2 (60j.) dez. interŝanĝi „Exlibris" kun GDR-esperantistoj

26jara naturamiko, ekskursgvidanto dez. kor. por organizi internacian altmontan marŝadon somere 1981 kun junaj turistoj, kiuj ŝatas ankaŭ la latajn montojn, sed ne estas rokgrimpuloj: István Szél, **1125 Budapest,** Lóránt u. 22

Csaba Langmar, **1213 Budapest,** Csalitos 53, (22j.), dez. kor. pri turismo, sporto, artoj

### Pollando

28jara teknikisto dez. kor. p. ĉ. t. kun geesp. el GDR: Stanislaw Klim, **57 200 Zabkowice SL,** ul. Kusociuskiego 19/1

20jara studentino dez. kor. tutmonde pri moderna muziko, kino, teatro; kol. pm, bk, dispozitivojn, mod-revuojn, gramofondiskojn: Virginia Machnik, **30 201 Kraków,** Emaus 15/14

Instruisto, 25j., dez. kor. kun esp. el GDR pri turismo: Stanislaw Popis, **26 604 Radom,** str. Makowska 8

